XVIIa jaro. No 253/254 (9/10) ☆ Monata ☆ Septembro/Oktobro 1921

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| **Simpla abono** | **10.— Frankoj** | **Anonco** (unu-centimetra kolonero) | **2.— Frankoj** |
| **Kun la membreco de UEA** | **12.50 Frankoj** | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | **0.50 Franko** |
| **Unu numero** | **1.— Franko** | **Korespondado** (1 enskribo) | **0.75 Franko** |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## XIIIa UNIVERSALA KONGRESO EN PRAHA

Nia XIIIa Kongreso estis la plej multnombra kaj entute la plej sukcesa el ĉiuj. Ĝiaj 2561 anoj kvazaŭ egalis la nombron de enskribiĝintoj al la neokazinta deka en Parizo 1914 kaj lokis nian movadon antaŭ la tuta mondo kiel unu el la plej grandaj kulturceloj de la postmilita tempo. Nova epoko nun komencas post tiu impresanta okazintaĵo. Nia lingvo ekinteresas oficialajn rondojn. Sen naivaj iluzioj ni serioze pretiĝu por montri pliajn faktojn al iliaj enketaj okuloj.

Pri la Kongreso raportos al siaj sendintoj la ĉeestintaj reprezentantoj de dek regnoj kaj de tri oficialaj mondorganizaĵoj, sidantaj en Ĝenevo kaj invititaj de UEA: Ligo de Nacioj, Internacia Labor-oficejo kaj Internacia Ruĝa-Kruco. Sian favoran impreson jam eldiris publike la konata ĉeĥoslovaka ministro Beneŝ. Ni rekomendas atentan legadon de la kongresaj raportoj pro la graveco de diversaj tekstoj kaj paroloj.



KONGRESEJO SUR LA INSULO ŽOFIN

Tuta Mezeŭropo tiun ĉi fojon aŭdis pri Esperanto dum la somero; ĉar ne nur la kongresanoj, sed iliaj familianoj kaj la miloj da ceteraj partoprenantoj ĉe antaŭ- kaj postkongresoj en Berlin, Dresden, Wien, Budapeŝt, Graz, Trento, Reichenberg, k. t. p. trapasis urbojn kaj staciojn parolante nian lingvon. Neniam ĝia sono tiom aŭdiĝis en stratoj, en stacidomoj, en vagonoj. Ĉie pendis verdaj flagoj, ĉie brilis steloj. Ĉe la landlimoj sindone dejoris UEA-delegitoj kun verda brakbando. Sur nia redakteja tablo kuŝas amase dudek pakaĵoj da gazeteltranĉaĵoj.

Laŭ ekstera vidpunkto la sukceso estis do certe tre granda. Rilate al interno ĝi ankaŭ estis tre valora. El ĉiuj Kongresoj la XIIIa estis la plej harmonia. Plene forestis partioj kaj regis admirinda unueco. Konsola vidaĵo estis por ĉeestanta S-ino Zamenhof konstati, ke la deziro de nia Majstro plenumiĝis: de nun la Kongresoj en agema konkordo montras la vojon pozitivan kaj konstruan.

Pri la landnoma problemo, kiu timigis multajn, prezentiĝis oftaj okazoj paroli; sed neniu deziris ilin uzi, ĉar oni ja baldaŭ konstatis, ke la praktiko jam nature solvis la aferon ĉe la plejmulto. Pri la organiza demando, la komisiono elektita en Hago pacience laboradis en Dresdeno sub plej varmega suno. Aŭdinte ĝian raporton, la Kongreso aldonis saĝajn rekomendojn: UEA fariĝis ja la kerno de nia movado kaj akiris plian gravecon en internacia propagando; oni do ne risku detrui ĝin, sed nur plilarĝigu ĝian kadron ebligante kunligiĝon kaj kunlaboron de ĉiuj Esperantistaj societoj, naciaj kaj fakaj. Aldonan statuton laŭ tiu senco estu prezentota en Helsinki.

Ja tie en Finnlando okazos nia XIVa. Nia talenta samideano Setälä sentis nian fidon en Praha. En bonaj manoj sidas la afero. Kuraĝon al saĝaj amikoj en Nordo kaj koran dankon al niaj gastigintoj en Praha, al gesamideanoj Kamaryt, Pitlik, Ŝupichova, Hromada, Weiner, Cimr kaj ĉiuj aliaj sindonaj, kiuj senlace zorgadis, por ke ni forportu korplenon da ĝojo por la tuta jaro!

*Edmond Privat.*

**Vidu sur paĝo 15 (163) gravegan novajon pri Esperanto ĉe Ligo de Nacioj**

# Kongresaj Impresoj

## La Alveno

„Vidu Naplon kaj poste mortu“ estas la proverbo. „Ĉeestu la Kongreson kaj poste agu“ diros mi. Malfacile estas prezenti al si, kian grandegan influon spertas ĉiu ĉeestanto je la vido de tiu spektaklo, kiel ekzemple la malferma kunveno de la Kongreso. Tralegi detale en ĉiuj esperantaj ĵurnaloj ĉion rilate la Kongreson, tralegi atentege, penadi sin prezenti aron da 2500 geviroj, alvenintajn el la plej malproksimaj lokoj de la terglobo, kiuj entuziasme kaj avide partoprenas la Kongreson, enpenetriĝi de ĉiu vorto el la paroladoj de konataj paroladistoj — ĉio tio nur ĝis certa grado kapablas doni al vi impreson kaj precipe la efikon de la influo, sub kiu ni vivis dum la plensukcesa dektria en Praha.

Ankaŭ por mi ne facile estas trovi taŭgajn vortojn por esprimi tion, kion ni travivis de la 31 julio ĝis la 6 aŭgusto. Mi tamen penos enkonduki vin en la sferon de tiuj fortaj impresoj.

Jam en Frankfurt kaj Berlin ekaperis la verdaj flagetoj ĉe stacidomoj kaj okazis bonvenfestoj. En Dresden flirtadis grandaj standardoj esperantistaj. Nia lingvo jam eksonis ĉie. Eĉ policanoj parolis ĝin kaj dejoris en speciala por ni pasportoficejo. Afablaj gesamideanoj gvidis nin tra la urbo, kie preskaŭ mil esperantistoj partoprenis brilan antaŭkongreson. El Dresden forveturis sabaton matene speciala vagonaro kun kvincent kongresanoj. Sed la tutan tagon en ceteraj vagonaroj ankaŭ are vojaĝis Esperantistoj.

Ĉe la landlimo ankaŭ pendis verdaj flagoj en stacio: Sindone helpadis tage kaj nokte delegito de UEA kaj lokaj samideanoj el Teschen. Kun verdstelaj kunvojaĝantoj oni konatiĝas atendante la pasporton. Jen Japanoj, jen Norvegoj, jen laboristoj germanaj. Ĉie, sur peronoj, en koridoroj, en bufedo pli kaj pli sonas la lingvo kaj revenas al oreloj la „Nova Kanto“ de Dombrowski:

Kie ajn vi veturados,
Esperanton vi trovados,
Sur la strato, en vagono,
En hotelo, en salono
Kaj eĉ en privata domo:
Ĝin parolos ĉiu homo:
Laboristo, profesoro,
Kaj juĝisto, kaj doktoro,
Kaj Hebreo kaj Japano,
Kaj pereos la plendato:
„Mi vin ne komprenas, frato.“

Nia lingvo pensigis min, ke ni troviĝas en aparta lando, en nia lando, Esperantujo. Al mi estus strange aŭdi alian lingvon, kaj tion mi elprovis dum la tuta daŭro de la Kongreso. Antaŭ la alveno al Praha ni renkontis vagonaron, kiu transportis la ĉeĥajn gimnastikistojn „Sokol“. Ekvidante nian verdan flagon, ili eliris el la vagonaro kaj brue salutis nin per mansignoj kaj krioj: „Nazdar, esperantistes, Nazdar!“ Tio signifas: Bonvenon al la Esperantistoj! Estas bele vidi tiujn junulojn, ĉiujn en ruĝaj larĝaj ĉemizoj kaj nigraj pantalonoj, kaj treege agrable estis por ni tiu afabla saluto. Sed la vagonaro marŝas rapide, la tempo forflugas kaj alproksimigas nin al la celo de nia vojaĝo — prirevata Praha.

Ekregis inter ni silento, atendante la halton de vagonaro, jam vidiĝis la ĉirkaŭaĵoj de la belega urbo, jam antaŭsentiĝis la entuziasma renkonto de Prahanoj kaj aliaj samideanoj, kiuj alvenis antaŭan tagon; jam ni estis proksime, tute proksime.... Jen Praha, la urbo, kies nomo fariĝis dum la lasta jaro la plej ŝatata, la plej dezirata. Jen Praha kun ĝiaj belegaj kasteloj, pintaj turoj, fortikaĵoj, ĉirkaŭitaj de belega somera verdaĵo. Al fenestroj oni kuras. El ĉiuj buŝoj samtempe elflugas la entuziasma krio: „Praha, Praha!“ La vagonaro haltas en stacio je la kvina posttagmeze. Verda flago kaj multenombraj samideanoj kun flagetoj kaj insignoj sur la perono tuj videblaj estas al ni. Tondra salutkrio skuas la stacidomon. Multaj okuloj malsekiĝas emocie.... Sed rapide, puŝante unu la alian, elportataj per komuna sento reciproke saluti la gesamideanojn, ni elvagoniĝis senorde kaj jen la nepriskribebla ĥaoso. Ĉio intermiksiĝis, la jus alvenintoj kun lokaj Esperantistoj, la pakaĵoj kun la fervojoficistoj, portistoj, ĉiuj kuris, kriis, moviĝis — ĉio tamen unuiĝis post kelkaj momentoj en unu klara amika saluto: „Bonvenon al la samideanoj, bonvolu eniri akceptejon.“ La homamaso da Esperantistoj direktiĝis brueme al la akceptejo ĉe la stacidomo, kie ĉiu el ni post iom da atendo, post la prezentado de la kongreskarto, ricevis la grandan koverton, enhavantan ĉiujn kongresdokumentojn, inkluzive la kongresan insignon, kiun multaj el ni tuj surmetis. Ni disiĝis post la laciga vojaĝo en firma intenco tamen tuj post du horoj de ripozo renkontiĝi ĉe la unua interkonatiĝa vespero. Morgaŭan tagon, post unua nokto, okazos la solena malfermo!

## La Malfermo

Tiu ceremonia kunveno okazis en la Reprezenta Domo dimanĉe la 31 julio je la 3a posttagmeze. En la vestiblo bruemaj gesamideanoj rapidis supreniri la unuan etaĝon, kie en vastega salonego okazis la kunveno. Ne plu estis sidlokoj por tiuj el ni, kiuj iomete malfruiĝis: ĉio en la salono, sur la duetaĝaj balkonoj, inter la seĝoj, apud la muroj, ĉe la enirpordo — ĉie, absolute ĉie plenplene de samideanoj. Ĉiuj rigardoj estas turnitaj al la estrado, kie staras la marmora busto de Majstro Zamenhof; ĝi estas ĉirkaŭita de belegaj tropikaj plantaĵoj. Multaj el ni malĝoje memoras la antaŭlastan Bernan Kongreson en 1913, kie la Majstro ĉeestis persone. Sur la estrado estas la registaranoj de Ĉeĥoslovaka Respubliko, kongresa komitato, estraro de UEA, scienculoj, profesoroj, oficialaj reprezentantoj de gravaj internaciaj institucioj, la diverslandaj delegitoj kaj la ĵurnalistaro.

Pasas momento de silento. Tiu solena silento, dum kiu, ŝajne, oni sentas la komunan entuziasman korbaton. Kaj tra tiu silento eksonas mirinda orgenludo de virtuozo Prof. Wiedermann el Praha — estas himno „L'espero“, kiun la tuta ĉeestantaro ekstarante kunkantas.

Multfoje en diversaj okazoj mi aŭdis nian esperantan himnon; ĝi estis por mi ĉiam nur esperanta kanto pli aŭ malpli bone plenumita. Neniam ĝi naskis en mi tiajn sentaĵojn; ĉiu vorto de la himno ricevas kvazaŭ specialan signifon kaj ŝajnas, ke ni, 2500 ĉeestantoj, ne kantas ĝin, sed alportas solenan promeson antaŭ la altaro de nia Majstro, senhezite sekvi altmoralan vojon, kiun li montris al ni per sia vivo kaj en sia „Homaranismo“. Emocie ĉiuj reokupas la sidlokojn.

Sekvas la oficiala parolado de S-ro Kamaryt. Li memorigas al la ĉeestantaro pri la morto de malnova Esperantisto S-ro Antoni Grabovski — fama verkisto kaj tradukisto. Per leviĝo ĉiuj honorigas lian nomon. Sekvas la salutoj kaj dankoj al ĉiuj portantoj de gloraj nomoj, funkciantoj de altaj postenoj, kaj ĉar neeble estas citi ĉiujn, S-ro Kamaryt nur nomas kelkajn, inter kiuj antaŭ ĉio S-inon Zamenhof. Je la elparolo de tiu nomo ĉiuj leviĝas kaj starante aŭskultas tiujn belajn vortojn, elirantajn el koro. Li diris, ke multaj genioj ŝuldas la fruktodonan laboron al siaj edzinoj, kiuj oftege silente portis sur si la pezon de grand-

ega laboro kaj dumviva batalado. Inter similaj edzinoj S-ino Zamenhof okupas la plej estimindan lokon, kaj sole la respekto de la homaro uzanta fruktojn de la genia verko de Zamenhof povas rekompenci ŝin. Longaj aplaŭdegoj respondis al tiuj sinceraj vortoj.

En la kutima ordo sekvis poste la elekto de honora komitato de la Kongreso, la elekto de prezidanto de nuna Kongreso, la dankojn al la prezidanto de la estinta Haga Kongreso k. t. p. Mi ne haltas pri tiuj detaloj, tamen tre interesaj, ĉar ili aperas en oficialaj protokoloj.

Poste plej kortuŝa momento estis dum la parolado de nia Esperanta Demosteno, salutita per longaj aplaŭdoj. Resumi tiun paroladon estas malfacile. Kiel priparoli en simplaj vortoj pri tio, kio eliras el fundo de la koro? Kie trovi trafajn esprimojn de tiu pura sento, kiu distingas ĉiam la paroladojn de nia plej ŝatata oratoro? Riĉenhava kaj belsona, ĝi kaptas ĉiujn korojn kaj tenas ĉiujn sub neforigebla impreso... Oni legu la tekston mem. Longedaŭra entuziasmo regis en la ĉambrego, kaj aplaŭdoj ne ĉesis, ĝis la prezidanto proponis kvaronhoran paŭzon meze de ĝenerala emocio.

Poste sinsekvis la varmaj salutparoloj de ĉiulandaj delegitoj. Ankoraŭ je la 7ª vespere ni sidis kaj aŭskultis senlace.

*N. Umanski.*

# Oficiala protokolo

## Malferma kunsido

*31 aŭgusto, je la 14-a kaj 15 min.*

*La kongresanoj starante kantas la himnon kun akompano de belegaj orgenoj.*

*S-ro Isbrücker, prezidinto de la antaŭa Kongreso, salutas la kongresanojn kaj malfermas la kunsidon. Antaŭ ol komenci la laboron, li diras kelkajn vortojn pri la ĵus mortinta fama samideano Antoni Grabovski, la glora samideano, kiu la unua uzis Esperanton kun Zamenhof. La kongresanoj honoras la mortinton per leviĝo kaj momenta silenta starado.*

*S-ro Isbrücker proponas la estraron je la nomo de la K.K.K., kaj ĝi estas aplaŭde akceptita de la kongreso kaj konsistas el jenaj:*

| | |
|---|---|
| Honoraj prezidantoj: | Generalo Sebert, membro de la franca Instituto. |
| | Profesoro D-ro Ŝusta, ministro de publika instruado kaj nacia klero de la Ĉeĥoslovaka respubliko. |
| | Inĝeniero Rotnagl, vicurbestro de la ĉefurbo Praha. |
| Prezidanto: | D-ro Stan Kamaryt, profesoro. |
| Vicprezidantoj: | J. M. Warden, ano de la Konstanta Komitato. |
| | D-ro Heinrich Arnhold. |
| Ĝenerala sekretario: | Aug. Pitlik, ĉefkomisaro de la ministrejo. |
| Sekretariinoj: | S-ino E. F. Cense, sekretariino de E. C. O. |
| | F-ino Julie Šupichová, instruistino. |

*S-ro Isbrücker transdonas la povojn al nova prez.; proponas la elekton de nova prez. de la Konstanta Kom. de la Kong. kaj legas la nomon de S-ro Warden proponata de S-ro Sebert. La nomo estas aplaŭde akceptita. S-ro Kamaryt dankas je nomo de si kaj de la kongresestraro por la honoro de la elekto. Li promesas ankaŭ je la nomo de ĉiuj, ke la estraro laŭ siaj povoj plenumos la donitan taskon.*

*Poste li legas la saluton de generalo Sebert, prezidanto de K. K. K., kies malsano malhelpis al li partoprenon en la Kongreso. Li proponas, ke la Kongreso sendu al li saluttelegramon. La kongresanoj aplaŭde akceptas.*

*S-ro Kamaryt diras bonvenajn vortojn al S-ino Zamenhof, kiu ĉeestas la kunvenon. La ĉeestantaro varmege aplaŭdas kaj salutas ŝin.*

## Parolado de D-ro Stan Kamaryt

Estimataj sinjoroj kaj sinjorinoj!

Permesu, ke mi antaŭ ĉio diru al vi je nomo de ĉiuj membroj de la elektita prezidantaro kaj de mi mem la plej koran dankon por la granda honoro, kiun vi faris al ni per via baloto, kaj ke mi promesu je nomo de ni ĉiuj plenumi la komisiitajn funkciojn laŭ nia tuta poveblo kaj kapablo.

En nia mezo mi vidas multajn portantojn de famaj nomoj kaj funkciantojn de altaj sociaj postenoj en tia nombro, ke ne estas eble citi ĉiujn; sed tamen ne estas eble ne nomi kelkajn.

Antaŭ ĉiuj mi salutas en via nomo sinjorinon Zamenhof, edzinon de la genia kreinto de nia lingvo, nun bedaŭrinde tro frue morta jam kvar jarojn. Ŝi estis edzino de geniulo, kaj ne estas sole merito de ŝia edzo, la sukceso de nia lingvo kaj movado; ĉar ĉiam la virinoj de la plej grandaj filoj de homaro portis pezan parton de laboro; kiun la viroj ilin nedemandinte prenis sur sin. Sole la respekto de la homaro uzanta fruktojn de la genia verko de Zamenhof povas rekompenci ŝian paciencan silentan kunlaboron, al kiu certe ŝi oferis multon de siaj homaj rajtoj. Vivu, la nobla sinjorino, multajn jarojn kaj ĝuu la estimon de ĉiuj Esperantistoj.

Poste permesu al mi saluti reprezentanton de la ĉeĥoslovaka registaro prenintan protektadon de nia Kongreso kiel la plej alta korporacio de la ŝtato sinjoron ministron D-ron Ŝusta, kaj permesu al mi, ke mi diru al ili kelkajn vortojn en la ĉeĥoslovaka lingvo.

(Ĉeĥoslovake): Sinjoro ministro, permesu, ke mi vin, kiel reprezentanton de ĉeĥoslovaka registaro, danku je nomo de la Kongreso plej sincere pro la morala kaj materia helpo, kiun la registaro donis al ni. Bonan aferon vi helpas. Ni estas movado racianisma kaj demokratisma, kiu kvankam kun celo pure teknika havas idealon tre altan: Plifaciligi interkompreniĝon inter la diversaj nacioj. Tial mi pensas, ke nia movado estas tre proksima al plaĉoj metataj plej profunde en koroj de la ĉeĥoslovaka nacio.

## Respondo de ministro Ŝusta

Oficiala reprezentanto de ĉehoslovaka registaro, ministro de instruado D-ro Ŝusta asertas, ke ĉeĥoslovaka registaro alte ŝatas, ke Kongreso okazas en renoviĝinta ĉeĥoslovaka ŝtato kaj en malnova urbo Praha. Li opinias, ke estonto montros, ĉu genie konstruita lingvo anstataŭos historiajn lingvojn en rilatoj internaciaj, t. e. kiel superregos spirito de racianismo la spiriton de tradicianismo. Ĉiuokaze Esperantista movado estas rimarkinda, ĉar plej grava problemo de homaro estas serĉi daŭran bazon de paco, kaj por tio Esp. movado povas esti elemento treege grava. El ĉeĥa nacio, kiu de ĉiam laboris por idealo de paco, devenis ankaŭ granda pioniro de artefarita lingvo, Jan Amos Komenský. Li deziras sukceson al Kongreso kaj antaŭdiras grandegan resonon de ĝi en ĉeĥoslovaka ŝtato. (Aplaŭdo.)

(Post respondo de la ministro, daŭre ĉeĥoslovake):

Ankaŭ al Vi, sinjoro vicurbestro, mi dankas je nomo de la Kongreso sincere por la afabla akcepto de nia Kongreso de la loĝantaro kaj reprezentantaro de la ĉefurbo. Certe ĝojigas vin egale kiel min, ke pli ol 2000 gastoj venis en Kongreson, el kiuj multaj unuan fojon vidos belecon de Praha. Estu certa, ke ni ĉiuj penos, ke la muroj kaj ŝtonoj de la urbo al ni ĉiuj tiel kara parolu al ili per viva lingvo ...

Same mi dankas al Vi ĉiuj, sinjorinoj kaj sinjoroj, membroj de la honora komitato, kiuj venis per via ĉeesto plifortigi nian celadon kaj vidi samtempe konkretajn aperaĵojn de nia movado.

## Respondo de Vicurbestro

Vicurbestro de Praha, inĝ. Rotnágl, prezentis tre varmajn kaj belegajn parolojn (domaĝe ke oni ne povis traduki ilin laŭvorte) pri paca kaj libereca idealo de ĉeĥoslovaka nacio, kiun idealon reprezentas ĉiuj ĉeĥoslovakaj granduloj Hus, Komenský, Palacký, Havlíček, Rieger, Masaryk, k. a., kiuj ĉiuj celis sole homecon kaj

fratecon de homaro postulante liberon ne sole por sia nacio, sed por ĉiuj. Dezirataj celoj de ĉeĥoslovaka nacio estas proksimaj al celado de Esperantistoj, kiuj tial trovas komprenon ĉe ĉeĥoslovaka popolo. Kroniko de Praha ĝojege notos kiel honorigan kaj belan okazintaĵon XIIIan Kongreson, kiu kunvenas en renoviĝanta ŝtato en tempo de emocio kaj ĝoja laboro por rekonstruo de ŝtato. Memorindaĵoj de Praha parolos al kongresanoj pri suferoj kaj malĝojoj, sed ankaŭ pri sopira penado de nacio atingi plej altajn celojn de spirita progreso. Kio estas Praha, tio estas verko de longaj jarcentoj kaj de laboro, sed ankaŭ de forto de entuziasmo kaj kontraŭstaro. Praha deziras esti serĉata de nacioj, kaj ĝi estas danka, ke Esperantistoj proponas al ĝi siajn helpajn manojn. Praha kun kompreno sekvos kongresan agadon kaj deziras, ke tiuj ĉi en harmonio atingu plenan sukceson. En Esperanto li bedaŭras, ke li ne povis fari saluton Esperante kaj esprimas siajn bondezirojn. (Esperanta fino elvokis bruegan aplaŭdon.)

### Daŭrigo de D-ro Kamaryt (Esperante)

Kaj nun permesu al mi diri al Vi laŭ la kutimo de niaj Kongresoj kelkajn pensojn, kiujn mi pensas taŭgaj diri en la nuna solena momento.

Vere tre ŝanĝiĝis la rilato de nia movado al la ekstera t. e. la neesperantista mondo. La memorantoj de la tempoj de la unua kaj antaŭ la unua Kongreso rememoru la tiaman tempon. Oni ne malhelpis nian propagandon, oni ne baris vojon al niaj parolantoj, oni ne malhelpadis eliradon de niaj gazetoj, lernolibroj, flugfolioj; sed oni ne atentis nin. Kiu oni? La oficialaj rondoj, kiuj lasis nin nehelpante kaj ne nemalhelpante prediki al neatentemaj oreloj. Kaj estis tiam la plej arda sopiro de propagandistoj, esti atentata de la oficialaj aŭtoritatoj. Kaj pripensu nun la hodiaŭan staton! Kiel ŝanĝis la situacion la malmola laboro de 20 jaroj! La protektanto de la 13a Kongreso estas laŭ oficiala decido la tuta registaro de la ŝtato, kie la Kongreso kunvenas, la gravaj korporacioj de ĉiuj landoj de la plej diversaj tendencoj, de la Unuiĝo de militintoj de Barbusse al la aktoj de la Sankta Sidejo, donis tute senkaŝajn kaj ne simple teoriajn, sed efektive praktikajn kaj efektive oficialajn aprobojn de nia movado. Rimarkinda nombro de diversaj publikjuraj oficoj studis Esperantisman problemon, kaj sekve de ilia aprobo rimarkinda nombro de publikaj oficoj enkondukis Esperanton, plej ofte kiel laŭvolan fakon, en unuagradaj kaj duagradaj lernejoj, en diversaj ŝtatoj kaj ne en la plej malgrandaj; eĉ Britio ne mankas en ilia vico. Kiel ni estus estintaj ĝojantaj pro tiaj sukcesoj antaŭ 15 jaroj! Certe, la oficiala mondo tute ĉesis malatenti nian movadon. Ni fariĝis socia forto, kies utilon por plibonigo de la homara organizo oni sentas, kaj kiun oni volonte utiligus. Kredu al mi: Baldaŭ ricevados niaj organizaĵoj multe pligravajn subvenciojn de siaj registaroj ol ili ricevis ĝis nun. Estis bezona serioza kaj persistema laboro, por veni al tiu rezultato, kaj oni ne povas sufiĉe danki al tiuj, kiuj faris tion. Ĝi nun kreskos rapide ofte jam pro persistemo de la burokrata labormaniero, kiu ankaŭ en la idea movado povas alporti taŭgajn rezultojn. Certe nia movado ne povus vivi sen tiaj oficialaj aproboj.

Sed, estimataj samideanoj, ni tre erarus, se ni pensus, ke ni jam povas haltiĝi, ke ni jam havas rajton ripozi, se la oficialaj aŭtoritatoj ekprenis aŭ ekprenos la zorgon pri la lingvo internacia. Tio estus ja tre granda kaj malutila eraro. Ĉar tia progreso, kiun povas efektivigi ĝenerala enkonduko de la helpa lingvo, ne povas realiĝi alimaniere ol per laboro de la multo, tia progreso povas ekzkluzive veni el la malsupro, ne el la supro. Tial ĉiuj dekretoj de la registaroj, kvankam ili estas nemankeblaj por sukcesa progresado de nia movado, neniam povos enkonduki ĝeneralan uzadon de Esperanto. La Ligo de Nacioj en sia tiujara kunveno traktis pri rezolucio favora al Esperanto, kaj ne akceptis ĝin, kvankam proponita de 10 reprezentantoj registaraj. Pli grava fakto estas, ke la rezolucio estis proponita, multe pli malgrava, ke ĝi estis prokrastita; ĉar ne daŭros longe, kaj la rezolucio mem denove pritraktita, aŭ ia simila proponita estos akceptita.

Sed memoru, estimataj samideanoj, eĉ se la Ligo de Nacioj kiomfoje ajn decidos je favoro de Esperanto, eĉ se ĉiuj registaroj enkondukus ĝin en la lernejojn de diversaj gradoj, tamen la nia problemo ne estas solvita, tamen Esperanto ne fariĝis ankoraŭ la ĝenerale uzata lingvo internacia. Ĉar por veni al fina nia celo, unu estas necesa: La homaro, tio estas la plimulto de homaj individuoj, devas senti bezonon de Esperanto.

Du kvalitojn havas la homa animo: En koron kaj en cerbon metas la poetoj ilian sidejon. Kaj por ke la homo akceptu volonte novan araĝon socian, du kvalitojn ĝi devas posedi. Unue ĝi devas esti logika, t. e. organizita laŭ la raciaj principoj, respondanta al la racionalisma idealo, kiu deziras al ĉiu kialo la rilatan tialon. Due ĝi devas esti konforma al la plaĉoj de la homo, ĝi devas kontentigi ĝian guston, ĝian soifon de beleco, idealon de ĝia koro; la bezono de la nova aranĝo devas esti sentata. Ĉar nia poresperanta laboro plenumadis ambaŭ tiujn kondiĉojn de la sukcesota socia reformo, ĝi atingis ĝis nun rimarkinde sian celon.

Kaj kial niaj laborantoj trovis tiel ofte la bonajn vojojn? Ĉar ili sciis anticipi la evoluon de la homa idearo. Ni jam antaŭ la granda milito sentis, kio kaj kiel estas farota por bono de la homaro.

Jes, karaj geamikoj, antaŭ la milito ni estis mokataj, ni estis ridataj, oni kelkafoje rigardis nin kiel duonfrenezulojn. Sed ni iris nian vojon. Ni ne deflankiĝis, ni ne ŝanĝis la direkton, ni ne ŝanĝis la metodojn. Laŭvere ne mankis iom da komiko en nia sintenado. Henri Bergson bone scias difini la komikan elementon. En la fluktuado de la antaŭmilita ĥaoso idea, en kiu spritpleneco atakis spritplenecon, noveco de gusto superis la plinovecon, neordinareco de tekniko forpuŝadis la plineordinarecon, rekordo batis rekordon — kaj doloro pro tro da intelekteco murmuris sian daŭran kaj daŭran plendon en la subkonscio de la animoj, dum tiu glora kaj doloriga epoko antaŭmilita, ni staris kvazaŭ senmovaj kaj persiste ripetis la simplan admononon, kiu ŝajnis naiva: Akceptu helpan lingvon internacian, por ke vi pli bone komprenu eĉ la malamikojn. Certe ŝajnis komika nia senmova persistemo en epoko, kiu fieris pro ŝanĝado de valoroj.

Sed ni ne ŝajnis homoj de tiu ĉi mondo ankaŭ pro alia kaŭzo. Ni laboris senpage, ni batalis ne atendante la rekompencon en rabado, ni pie atendis la venkon alportontan la saman sukceson al la venkintoj kaj al la venkitoj. Tio estis tre stranga en la epoko, kiu vidis la plej taŭgan rekompencon de kia ajn laboro en la materia pago. — Terure finis tiu antaŭmilita hipokriteco, kiu per la buŝo predikis la plej altajn superempiriajn, supernaturajn kaj superhomarajn idealojn, kaj tamen en sia koro ĝojis je rekompenco per sonantaj moneretoj. Terure katastrofis tiu ĉi materialisma pensmaniero, kiu kredis, ke ĉia homa laboro estas rekompencebla per materia rekompenco. Kvar jaroj de la sangoplena mondmilito kaj sekvantaj jaroj de socia malordo kaj klasa batalo estis doloriga rekompenco al troaj amantoj de la materio, al la troaj kredantoj je la faktoj, al la troaj ŝatantoj de la empirio.

Sed la venanta ŝanĝo jam vidiĝas. La homaro eliras el la sorĉa ciklo de materialismo, en kiu ĝi tiel suferis. La ŝanĝo ne estas ankoraŭ finita. Oni ankoraŭ serĉas la efektivan kulpulon de la milito. Oni aperigas dokumentojn diplomatajn, ordonojn de generaloj, telegramojn kaj leterojn de ministroj, decidojn de la malpublikaj kunvenoj parlamentaj por fiksi la kulpon aŭ la parton de la kulpo. Vana laboro, oni ne trovos ĝin per tia agadmaniero. Ĉar la plej interna kaŭzo, la plej granda kulpulo de la mondkatastrofo estis manko de kredo, ke ekzistas ankaŭ aliaj ol materiaj havoj.

Ni Esperantistoj ĉiam tion kredis, ni tion kredis ankoraŭ en la epoko, kiam ekzistis ankoraŭ tro malmultaj tiaj kredantoj, kaj estas la plej bela rekompenco de nia persistema kredo, ke post la sensenca milita katastrofo tiel multiĝis la nombro de homoj pensataj kiel ni, ke ankaŭ la nerealaj valoroj de oferemo, de sindonemo, de nerenkompencota laboro havas tre realan signifon por la praktika vivo de homaro. Kaj ke rondo de homoj tiel kredantaj nun ĉiam grandiĝas kun majesta rapideco. Ni Esperantistoj estis la tre grava ĝermo, eble la plej grava elemento inter pioniroj de tiu ĉi nova homaro.

Pro tio ni jam tiom sukcesis, kaj sole sekvante la samajn metodojn ni atingos la finan sukceson. La sukcesoj ĉe oficialaj aŭtoritatoj estas gravaj kaj bezonaj; sed la senĉesa laborado de homo al homo, la ĉiutaga, neglora, neemocia, detala laboro estas absolute nemankebla. Vi faris tian laboron dum pli ol tridek jaroj, Vi devas ĝin fari pluajn dekojn da jaroj.

La venkintaj ŝtatoj aranĝis festaĵojn je honoro de la nekonata batalinto de la mondmilito. Bone ili faris, ĉar estas ofte la sennomaj batalantoj, kiuj alportas la venkon, ne la generaloj, eĉ en la milito. Des pli multe en la batalo, kia estas la nia poresperanta batalo.

Ho, nekonata batalanto por plifaciligi la interkompreniĝon de la homaro! Jen mi vidas vin, tie ĉi antaŭ mi sidas vi en la halo, ne estas unu, sed estas pli ol du miloj, kaj multaj miloj da vi vivas kaj laboras en ĉiuj partoj de la mondo. Vi laboras simple pro tio, ke via koro, via amema koro, konvinkis vin, ke estas bezone doni al la homaro praktikan helpilon, por ke ĝi pli facile interkompreniĝu. Vi estas simplaj, sennomaj Esperantistoj, la oficialaj institucioj ne funebros post via morto, neniu monumento estos konstruata je via honoro, neniu historisto citos vian nomon, sed estas vi, kiuj estis ĉe la komenco de la granda verko, kaj estas vi, kiuj estos ĉe la fino, denove sennomaj kaj nevidataj, ĝojantaj pro sentata sed neanoncata venko. La nunaj sukcesoj estas ĉefe via merito, vi laboris ofte laŭ la konsiloj de niaj kondukantoj, vi laboris ofte laŭ via propra instinkto, vi estis ofte obeemaj, ofte vi ne volis obeadi. Sed tre ofte vi laboris bone, ĉar vi laboris kun amo. Vi ne devas ĉesi vian laboron, kaj mi scias, ke vi ne ĉesos ĝin; ĉar ĝi estas bezono de Via koro.

Mi sentis bezonon diri tion al vi, kiuj ĉeestas kaj samtempe al tiuj, kiuj ne povas ĉeesti, kaj danki vin ĉiujn dum tiu ĉi solena okazo, ĉar ankaŭ la fina venko, kiun ni certe atendas, kaj kiu estas certa pro via oferemo, estos ankaŭ, en la plej granda parto, merito de vi, sennomaj kaj sennombraj. *(Bruaj aplaŭdoj.)*

*La prez. donas la parolon al S-ro Isbrücker, kiu legas la raporton de la prezidanto de la K. K. K.*

*La prez. anoncas, ke la raporto de la L. K. prezentata de prof. Cart, prez. de la Akademio, ne estos legata nun, sed nur dum la kunveno de la L. K., kaj dum la laborkunveno.*

*La Prez. donas la vorton al D-ro Privat, kiu alparolas la Kongreson je la nomo de la Universala Esperanto-Asocio.*

## Parolado de D-ro Edmond Privat

Al vi, gefratoj ĉiulandaj de la vasta rondo familia, UEA diras koran saluton. Malfermante sian sepan Kongreson en la dektria komuna festo de l' esperantistoj, UEA deziras danki al ĉiuj, kiuj helpis: Al vi, kiuj venis el proksime kaj malproksime, trans bluaj maroj aŭ larĝaj oceanoj, trans verdaj ebenaĵoj aŭ krudaj montaroj, trans pli altaj limoj de disaj lingvoj kaj nacioj; al vi, kiuj organizis per senlaca energia laboro. Nenia danko, nenia laŭdo povus iel vin rekompenci pli taŭge ol la mirinda sukceso, kiun vi atingis: ni estas ja pli ol dumil en tiu ĉambrego.

En ĉiaspecaj kongresoj universalaj iras laŭkutimaj paroloj de ĝentileco kaj dankemo al la gastiganta regno kvazaŭ iom aŭtomate. Hodiaŭ, ne nur el kutimo, sed el koro fluas nia ĝoja saluto al Ĉeĥoslovaka Respubliko kaj al la progresemaj homoj, kiuj alte protektas nian Kongreson. Kunveni en Praha estas por ni signifoplena. Bohemaj fratoj, la gloron de via nobla lando ni konas jam de longe. Ĝi ne venis el armiloj, sed el potenco de l' spirito. Viaj plej famaj herooj ne estas militistoj, sed konataj pensuloj. Jan Huss, Komensky, Masaryk estas nomoj tutmonde honorataj sur la kampo de studado kaj scienco. Respekte la kongresanoj ekstaros antaŭ la majstra verko de via pentristo Brožik, admirante la blankan figuron de via senmorta Jan Huss. Ne nur al vi, sed al la tuta mondo apartenas lia kuraĝa spirito, venkinta per sola konscienco la kaŝitajn fortojn de l' feraj potencoj.

Tute same kiel viaj herooj ne estas nur naciaj, sed ideaj, tiel same via lando mem prezentas por ni tutmondan signifon. Restariĝinte sendependa per sensanga revolucio super la ruinoj de krakintaj muregoj disfalintaj, meze de ĝenerala malordo kaj malpaco, ĝi tuj komencis saĝan, trankvilan laboron, kaj fariĝis unu el la plej firmaj centroj de paco kaj pozitiva rekonstruo en la nova Mezeŭropo. Kun socia leĝaro progresema por si mem kaj sincera helpo ekstere al interpopola kunlaborado, Ĉeĥoslovaka Respubliko akiris multajn simpatiojn. Neniam mi forgesos la tagon, kiam estis vigle diskutata ĉe la Ligo de Nacioj la enakcepto de Aŭstrio. Kiu leviĝis por subteni la proponon kaj pravigi helpon al malfeliĉa lando, nek menciante antaŭan bataladon, nek fanfaronante pri vanta grandanimeco? Ĉeĥoslovaka ministro Beneŝ, viro modesta kaj laborema, pli pacagema kaj pli saĝa ol multaj pli maljunaj ŝtatistoj de potencaj regnoj! Ne forgesi la interesojn de sia hejma aŭ nacia familio, sed ilin starigi neniam *super* aŭ *kontraŭ*, sed ĉiam *sub* aŭ *kun* tiuj de l' komuna familio de popoloj, oferante bagatelojn de l' vanteco al pli nobla ĝojo de l' harmonio, jen la vera saĝo de l' idealo praktika.

Klopodonte por realigi tion ne nur ekstere, sed ankaŭ interne de viaj limoj, vi, bohemaj fratoj el diversaj gentoj, renkontos pli kaj pli la simpation de l' mondo, laca pri fieraĵoj kaj bataloj. Vivu via Respubliko!

UEA, kies oficejo sidas en Ĝenevo, invitis oficiale al nia Kongreso la tri gravajn internaciajn organizaĵojn, kiuj ankaŭ sidas tie, la Ligon de Nacioj, la Internacian Laboroficejon kaj la Internacian Komitaton de la Ruĝa-Kruco. Ĉiuj tri akceptis nian inviton, kaj ni ĝojos saluti tie ĉi la eminentan vic-sekretarion ĝeneralan de la Ligo D-ron Nitobé kun liaj kunlaborantoj, Miss Stafford kaj nia japana samideano Fuĵisaŭa. S-ro Blumel de la I. L. O. ĵus alvenis kaj la reprezentanto de la Tutmonda Ruĝa-Kruco, S-ro Horner, alvenos morgaŭ, kaj ni havos la okazon esprimi al li la ĝojon de l' esperantistaro pri la kuraĝiga decido de la Ruĝ-Kruca Konferenco.

Ke homoj helpu al homoj sen ia ajn rigardo al raso, lingvo aŭ religio, tio estas la idealo de la Ruĝa-Kruco kaj ankaŭ tiu de UEA. Kion la unu faras sur la kampoj de sangaj bataloj aŭ teruraj katastrofoj, la alia klopodas fari en la simplaj rilatoj de homoj kun homoj super la landlimoj. Ambaŭ estis fonditaj kun celo ideala kaj laboro praktika. La unu, jam sesdekjara, komencis el diverseco kaj, en sia mirinda unuiga klopodo, hodiaŭ ekalvenas al Esperanto. La dua, ankoraŭ tre juna, komencis el la internacia lingvo kaj celas disporti sian helpon ankaŭ iam al ĉiuj homoj en la tuta mondo.

Sed unu kiel la alia povas vivi nur per la potenco de sia supera idealo. Same erare estas kompari la Ruĝan-Krucon kun nura medicina aŭ higiena societo kaj konsideri UEA kvazaŭ turistan aŭ komercan Asocion. Sendube la Ruĝa-Kruco flegas vundojn kaj UEA donas informojn; sed se iliaj bonvolaj laborantoj kaj senpagaj delegitoj oferas sian tempon kaj sindonon, ili tion ne faras por gajni monon per kuracado aŭ komercado, ili tion faras por ke, ekzemple, homo suferanta sub morta minaco inter buĉitaj kamaradoj kaj surdiga frakaso de l' bomboj ricevu tujan helpon de frata mano spite fremda lingvo kaj spite kontraŭbatalo kaj, levante dankan okulon al la bonfaranto, ekkomprenu, meze de tia infero, ke tamen ekzistas super ĉio: la amo inter homoj, tiu paradiza realaĵo.

Ili tion faras por ke perdita vojaĝanto, sentante sin mizere fremda en nekonata lando, por li dezerto lingva kaj senamika, timtreme frapante ĉe delegita pordo, subite ekvidu la verdan stelon, fratan rigardon, alstreĉitan manon kaj aŭdu gvidon en nia kara lingvo. Super ĉio tamen vivas tiu amo interhoma, ne nur en revoj de poetoj, ne nur en belaj paroladoj, sed en agoj praktikaj!

Dankon al vi, fidelaj delegitoj, „vi en urbeto, vi en la malgranda vilaĝo", vi sub hela suno de l' Oriento kaj vi sub grizaj nuboj de l' mara Nordo, kiuj per via servado sindona vivigas la veran amon kaj gardas daŭre brulantan tiun flamon, sen kiu la homaro ne povus vivi: la fido en homa koro.

„UEA kunigis tiujn personojn, kiuj akceptis la *internan ideon* de esperantismo", diris D-ro Zamenhof en Barcelono. „Oni ĉie komprenas", li aldonis, „ke UEA liveras taŭgan neŭtralan fundamenton por ĉiuj interhomaj rilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj, kaj foriĝos

la baroj, kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon." Tiel komprenis nia Majstro ĝian celon, kaj nenio nin deflankigu de tiu nobla difino.

La honoro de la ŝarĝo devigas nin al senŝancela fideleco al la tasko. Ankoraŭ longa estos la vojo. Ne tuj la homaro fariĝos paradizo. Eĉ ne tuj Esperanto lerniĝos en ĉiuj lernejoj. Nia plorata amiko Hodler ĉiam avertis nin kontraŭ la danĝero de miraklismo aŭ de malsaĝa atendismo. Fondinte UEA, li celis krei tuj homaran rondeton, funkciantan kiel la tuta estonta homaro devos iam funkciadi. Per nia agado, ne nur lingva, sed ankaŭ interhoma, ni estu kerno de ĉiam pli vasta mondo. Krom la propagandaj asocioj, estas nepre necese, ke ekzistu vivanta medio, kiu jam uzas nian lingvon kiel la homaro ĝin uzos iam, kiu jam prilaboras kulturon de l' nova generacio. UEA devus reprezenti la jam sukcesintan esperanton. Ĝi devus esti ambicia pri ĝia rolo. Ĝi devus eĉ iam helpi al homa intersubteno ankaŭ per eldonado de komunaj kulturverkoj. Jam nia esperanta literaturo entenas sufiĉan materialon por ke Ĉino aŭ Japano, lerninta esperanton, povu ĝui vastan rigardon super la tuta eŭropa kaj amerika kulturo, eĉ ne lerninte iun alian lingvon. Sed mankas ankoraŭ la reciproko. Avide ni legas niajn esperantajn gazetojn japanajn. Sed plenajn verkojn ni atendas el Oriento. Okcidento reprezentas en la mondo la praktikan agemon kaj krudan vivbatalon. La Oriento de la noblaj Hindoj aŭ studemaj Ĉinoj reprezentas la pli trankvilan penson, la pli profundan internan vivon de l' animo. Malprave, ni eŭropanoj konsiderus nin kvazaŭ superaj al tiuj rasoj. Per potenco de l' animo ili superas nin. La nova Esp. epoko, kiu komencas nun, liberigu nin de nureŭropa kvazaŭŝovinismo, kaj Esperantujo ricevu ankaŭ la varman lumon de l' Orienta pensado.

Al komuna preparo de l' homaro nova ĉiuj kune ĝoje al laboro! Tiu Kongreso ja donu al ĉiuj el ni por la tuta jaro lumon kaj forton senlacan. Ni ne perdu tro da tempo pri detalaj internaj problemoj nek lingvaj nek organizaj. Pli alte, pli grave staras la supera celo, al kiu marŝas ni sur nia bela vojo. Iom post iom niaj Kongresoj devos fariĝi la festoj de l' juna homaro: En Cambridge nia Majstro ja diris: „Ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj pure bagatelaj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuj flankoj de la homa spirito kaj moralo . . ., Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistos la plej gravaj meritoj de niaj Kongresoj."

Reaŭdante vortojn de Zamenhof, ĉu vi ne sentas kiel forte flugas super ni lia ĉeestanta granda koro per sia senmorta inspiro kaj instigo? En momentoj malfacilaj kaj en horoj de solena ĝojo, kiel nun, ni plej ofte trovas klaran gvidon, diskretan konsilon, utilan memorigon en liaj malmultaj, sed riĉaj skribaĵoj, en kiuj ĉiam la vivanta spirito venkas la mortintan literaron.

Profunda estis la tragedio de la vivo Zamenhofa. Ligate per sia rolo oficiala, nia Majstro ne povis eldiri publike tutan sian penson kaj vivcelon. Eĉ forĵetinte ĉiun titolon kaj ĉian oficialecon en Krakovo, eĉ ĉesante aperi sur estrado aŭ eĉ paroladi en Berno, krom en propaca manifestado, nia Majstro dolore sentis, ke eĉ lia nomo malhelpas kaj ĝenas lin en tio, kion li konsideris kiel la tutan celon kaj motivon de sia vivo, nome lia homara idealo. Ŝajnis kvazaŭ nur la morto povus liberigi lian animon.

Kaj tiu morto venis. La granda koro ĉesis bati en korpo tro malforta. Ĉu ankoraŭ nun, pro niaj zorgoj pri prudenteco aŭ politika diplomateco, ni klopodos enkatenigi tiun altan spiriton, pli grandan, pli vastan, pli noblan ol ni ĉiuj? Ne, l' animo de Zamenhof ne apartenas al iu Kongreso, al iu Ligo, al iu asocio aŭ eĉ al la esperantistaro. Ĝi apartenas al tuta homaro, kiun li tiom amis. Ĝi apartenas al tiu

Potenca senkorpa mistero,
Fortego la mondon reganta,
Granda fonto de l' amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta.

L' animo de Zamenhof estas libera. Ĝia voĉo povas aŭdiĝi. Ĝia voĉo devas aŭdiĝi. Neniu rajtas ĝin haltigi aŭ cenzuri. Estas eĉ nia sankta devo transdoni al tuta mondo lian vokon. Tiun heredaĵon ni ne bezonas kaŝi aŭ kvazaŭ-honti. Ĝi ne enteniĝas sub ia pli malpli taŭga surskribaĵo, ĝi ne enfermiĝas en iaj dogmoj aŭ misteroj mallarĝaj, ĝi estas la kerno mem de nia esperantisma sento. Ĝi estas la kaŭzo kial ni ĉiuj ĝoje oferas kaj oferu nian tutan vivon por la „sankta afero".

Nia Majstro tre bone komprenis, ke ne ĉie kaj ne ĉiel taŭgas prezenti tiun esencan veron. Ankaŭ li ne ŝatis ĵeti perlojn al porkidoj. Sed ni ne estu porkidoj. Profunde la homaro ne estas porkidaro, sed aro da serĉemaj, suferantaj koroj, malkvietaj spiritoj, lacaj pri batalo, avidaj pri espero kaj unueco. La tempo jam venis sin turni al idealaj fortoj de l' mondo kun ideala signifo de nia movado.

Povas esti, ke nuraj praktikuloj nin helpos; ĉar mondlingvo estas urĝe bezonata. Sed povas esti ankaŭ, ke multaj preferos simple helpi al la jam plej disvastigitaj lingvoj. Por venki, ni ja devas jam uzi ne nur argumentojn de praktiko, sed ankaŭ de justeco. Rego de tiu aŭ alia nacia lingvo, aŭ eĉ de du kune, super ĉiuj aliaj en la mondo estas granda maljustaĵo. La nova generacio celas egalecon en la rajtoj de l' homoj kaj popoloj senescepte. Ĝi celas respekton al la kutimoj, religioj kaj lingvoj de ĉiuj familianoj de la vasta rondo de nacioj. Nur neŭtrala lingvo, pura je sango de bataloj, pura je ĉiu ŝovinismo, povas respondi tiun deziron. Kaj tie ekkuŝas la penso Zamenhofa: *Neŭtrala* fundamento por internacia renkontiĝo.

Tiun neŭtralan fundamenton li celis ne nur lingve, sed ankaŭ spirite kaj morale. La batalojn intergentajn pro lingvaj kaj religiaj diferencoj li volis por ĉiam ĉesigi. Ne forpreni de iu ajn lian apartan lingvon aŭ kredon li deziris, sed proponi al ĉiuj novan helpan renkontejon, kie ne nur lingve, sed ankaŭ etike, la homoj povus interkompreniĝi kaj fratiĝi.

Per siaj dolĉaj kaj profetaj okuloj, profunde kaj vaste penetraj, Zamenhof ja vidis en unu rigardo ĉiujn homojn sur la terglobo, rapide turniĝanta kun ĉiam duono en lumo kaj duono en mallumo. Dum brilas la suno laboras la homaj formikoj, en urbegoj amerikaj febre kaj ageme je fajfo de maŝinoj kaj martelado de fabrikoj, en havenoj de Eŭropo senŝarĝigante la ŝipojn post fluga trafendo de l' ondoj, sur altaj plataĵoj de Azio kondukante la kamelojn sur la flava sablo, ĉe l' flora bordo de l' Egipta Nilo kulturante la verdajn figujojn. Kiam benite alvenas vespero,

Vi klara trankvila al ni
Kun oraj flugiloj anĝelaj
Malsupren venetas vespero,
Vivantojn pacigas ĉielo,
La ter' per mallumo kovriĝas . . .

Tiam homoj, viŝante la ŝviton de sia frunto haltas en laboro kaj ekpensas pli profunde. Tiam la unuj kliniĝas al orienta suno kaj preĝas en harmonio. Aliaj eniras la templojn ĉe l' sono de vesperaj sonoriloj, tintantaj super la valoj. Kelkaj ekaŭdas simple la muzikon de l' inspiro bona en siaj animoj aŭ la rektan logikon de sia racio, kaj multaj, tro ŝarĝitaj je maldolĉa zorgo pri la pano ĉiutaga, nur sopiras al mondo pli bona, kurbiĝante sub lacego.

Ĉie estas diverseco la plej mirinda, pejzaĝo griza de l' nordo, naturo kolora de l' sudo, kostumoj brilaj de bohemaj virinoj, silka robo de l' japaninoj sub la ĉerizarboj, nigra mantelo de l' malriĉaj hebreoj en Bialistok, majestaj turoj de l' gotikaj ĉefpreĝejoj, oraj kupoloj de l' moskeoj. Diverseco en parolo, diverseco en kutimoj, kaj tamen unueco profunda. Tra la lingvoj malsamaj, la okulo de l' profeto klarvidas la saman penson homan, la samajn sentojn de l' patrino, de l' infano, de l' junulo amanta. Tra la religioj malsamaj, ĝi travidas ĝis la fundo la saman sopiron al la senkorpa mistero,

Al vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro vin sentas.

Dum centjaroj la homoj interbatalis pro tiuj diferencoj kaj akrigis ilin anstataŭ serĉi tion, kio unuigas. La malkompreno inter ili pezis kvazaŭ mallumo, kiun profitis la noktaj ŝtelistoj por instigi al militoj. Nun sufiĉe! Same kiel Zamenhof, la nova generacio de l' homaro sentas la komunan unuecon. Restu la brilaj kostumoj diversaj, restu la mirindaj formoj de l' parolo riĉa, restu la bluaj, ruĝaj, verdaj aŭ flavaj radioj de l' suno falante tra la koloraj vitraĵoj de la historiaj katedraloj, sed ekstere super ĉiuj, jen la komuna

lumo, fonto de ĉiuj lumoj, jen la granda unueco harmonia de l' amo inter homoj!

Kaj tio estas la senco de l' nova kulturo tuthomara, kiu prepariĝas ĉie nun en la mondo kaj serĉas lingvon por esprimiĝi. Ankaŭ profete Zamenhof iniciatis lingvon por ĝi. Kiel maljuna Noe elflugigis super dronigita mondo la kolombon rapidflugantan, tiel nia geniulo elflugigis esperanton, kaj ĝiaj flugiloj jam mirinde kreskadis. Vivanta lingvo, ne mortinta kodo, ĝi esprimas la penson de l' homaro nova. Kaj tio mem certigas al ĝi la vivon sen ia timo. De sia ekflugo ĝi jam portas ĉiujn ĝermojn de tiu kulturo supernacia. Por ni, granda respondeco. Nek sufiĉe fortaj, nek sufiĉe riĉaj, nek sufiĉe talentaj, nek sufice multaj ni estas por porti tian ŝarĝon sur niaj propraj ŝultroj. Ankaŭ la elektita virgulino ne konsideris sin inda naski la sanktan filon instruonton de l' homaro. Anĝelo trankviligis ŝin. La forto venas kun la kreskanta tasko. La fido ebligas ĉion.

Do, ĝoje al laboro. Nia afero estas laboro de lumo. Do tiu lumo plenigu nin kaj radiu ĉien ĉirkaŭe en korojn. Kiel la matena suno, kantita de l' hinda poeto, subite ĵetas diafanan kristalon, riĉan oron kaj arĝenton por briligi la verdon sur la kamparoj, la ruĝon sur la montojn kaj la bluon sur la maro senlima, tiel nia lumo ĉion vestu per ĝojo kaj bonhumoro. La laca suferanta homaro vokas al mondo pli luma, pli bona. Ĝia dolora krio supreniras al tiu sama paca stelo, kiu nin gvidas. La celo estas ne nur nia, sed de ĉiuj homoj:

„Ni ĝin atingos per la potenco
De nia forta animo.
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia sankta fervoro.
Ni ĝin atingos per pacienco
Kaj per sentima laboro.“ *(Longaj apl.)*

*La Prez. dankas D-ron Privat pro lia tre kortuŝa parolado kaj proponas, ke oni sendu telegramon al Prez. Masaryk kaj al D-ro Beneŝ, ministro pri fremdlandaj aferoj. La kongresanoj akceptas aplaŭde tiun proponon.*

*Post kvaronhora paŭzo, la oficialaj delegitoj esperante alparolas la publikon laŭ la sekvanta ordo:*

*Belgujo:* S-ro Frans Schoofs, je la nomo de la Ministro de sciencoj kaj artoj;

*Finlando:* S-ro Vilho Setälä, je la nomo de la Finlanda ministro pri instruado;

*Hispanujo:* Majoro Julio Mangada, je la nomo de la Hispana Registaro;

*Italujo:* Komandanto Alberto Alessio, je la nomo de la ministro pri maraferoj;

*Nederlando:* S-ro Sevenhuysen, je la nomo de la ministro pri instruado, artoj kaj sciencoj;

*Litovujo:* S-ro Medem, je la nomo de la ministro por financaj, komercaj kaj industriaj aferoj;

*Saksujo:* S-ro Prof. Fritz Wicke, je la nomo de la registaro, sed precipe pri instruada fako;

*Ukrajno:* S-ro Bockowski, je la nomo de la diplomata misio en Praha;

*Ligo de Nacioj:* S-ro Fujisaŭa, je la nomo de la Vic-Sekretario ĝenerala de la Ligo de Nacioj D-ro Nitobé, kiu alvenas tuj post tiu parolado, kaj mem alparolas la Kongreson per la angla lingvo. Lian paroladon tradukis D-ro Privat La vortoj de D-ro Nitobé estis varme aplaŭditaj: „Dividitaj ni falas, unuigitaj ni staras.“

*Saksa esperanta instituto:* S-ro Prof. Dieterle, salutas la Kongreson.

*Jugoslavio:* S-ro Bravko Wiegle, je la nomo de la jugoslava senditejo en Praha.

Poste venas la naciaj esperantistaj delegitoj:

Alĝerio: S-ino Tiard.
Aŭstralio: S-ro Hudson.
Aŭstrujo: S-ro Otto Simon.
Britujo: Angla: S-ro Currie; Skotlando: S-ro Kennedy; Kimra lingvo: S-ro Edwards; Irlanda: Pastro Parker.
Belgujo: F-ino Jennen.
Bulgarujo: S-ro Kolev.
Ĉeĥoslovakio: Ĉeĥoslovaka lingvo: S-ro Eiselt; germana lingvo: S-ro Scholze.
Danujo: S-ro Blicher.
Danzig: S-ro Ketterling.
Estonujo: Je la nomo de rusoj: S-ro Onofriev.
Finlando: S-ro Setälä, je la nomo de finnoj kaj ankaŭ de estonoj.
Francujo: S-ro Ernest Archdeacon.
Germanujo: D-ro Steche.
Por Hebreoj de la tuta mondo: S-ro Heller.
Hispanujo: S-ro Victor O. de Allende.
Hungarujo: Prelato Giesswein.
Italujo: D-ro Filipetti.
Japanujo: S-ro Shigeo Narita.
Jugoslavio: Por Serboj: S-ro Klajic; por Kroatoj: S-ino Kellet.
Kanado: S-ro Pratley.
Litovujo: S-ro Klimas.
Nederlando: S-ro Isbrücker.
Norvegujo: S-ro Bonnevie.
Polujo: S-ro Leo Belmont. [1]
Rumanujo: S-ro Cseh.
Svedujo: S-ro Hedström.
Svisujo: S-ro Stettler.
Usono: S-ro Pleshe.
Urugvajo: S-ro Legrand.
Blinduloj: S-ro Macan, salutas je la nomo de la Blinduloj. S-ro Kreutz, je la nomo de la Frankfurta foiro ankaŭ salutas la Kongreson kaj atentigas pri la komerca valoro de Esperanto.

## Letero de Ministro Beneŝ

*„Estas neordinara plezuro por mi, ke mi povas tie ĉi saluti internacian Esperantistan Kongreson, kiu signifas novan valoran iniciaton sur kampo de spirita proksimiĝo de nacioj. Mi bonvenigas ĝin speciale pro tio, ke en nunajn postmilitajn cirkonstancojn ĝi enportas noblan devizon pri kunlaboro de nacioj. Ideo pri unu interkompreniga lingvo, kia estas Esperanto, estos valora por ĉiuj sinceraj pacifistoj. Hodiaŭ ĝi ne estas plu utopio, sed problemo, pri kiu laboras inteligentularo de tuta mondo. Estas tre agrable por mi, ke nunjara kongreso okazas en Praha, kaj ke ĝiaj partoprenantoj povas konvinkiĝi, kiel nia ŝtato, en kiu de ĉiam estis viva ideo de pacifismo, estas trapenetrita per varmega sopiro je paca kunlaboro de ĉiuj nacioj kun bona volo. Mi esprimas deziron de plena sukceso al ĉiuj kongresaj laboroj. Mi certigas vin, ke ideon pri Esperanto mi ĉiufoje subtenados.“*

---

## [1] Reguloj de vivo

Zamenhofa Fundamento
Senreforme riĉigebla
Estas por ŝerc-serĉa mento
Trezor' fund' neelĉerpebla . . .

Jen regul': Laboru fake,
Pensu logik'-Boirack'e,
Skribu versojn tute arte,
„Fosu sulkon“ tute Cart'e.

Do ekŝajnas malpac'-sento —
Vantaj ventoj, ventaj vantoj . . .
Unu estas fundamento
Multaj estas fund'-amantoj!

Matenmanĝu tre kakae,
Korespondu U-E-A-e
Novan stilon kreu ĝue
Iel ajn, nur ne enue . . .

Polemiku delikate,
Publikigu bel-Privat'e . . .
Vidu mondon filozofe,
Vivu bone — Zamenhofe! . . . *Leo Belmont.*

---

# Kongresaj Impresoj

*(daŭrigo)*

## La Akceptejo

En la akceptejo de insulo „Ĵofin“ amasego da Esperantistoj. En Esp. akceptejo granda verdumita afiŝo: Bonan alvenon! Tie ĉi vi trovis veran organizon de diversaj oficejoj. Vi eniras la unuan grandan vestiblon, kie troviĝas Esperanta librejo kaj tute proksime la vendejo de koloritaj poŝtkartoj, vidajoj de Praha, en alia parto vendejo de kongresaj salutkartoj; vi trairas en la dua ĉambrego, kie meze troviĝas granda tablo kun ĉiuj necesajoj por la korespondado: inko, plumingoj, krajonoj, k. t. p. Dekstre de tiu tablo, malantaŭ la kasfenestretoj, troviĝas afablaj oficistoj por sekvantaj servoj: pasportoj, leteroj, telegramoj, diversaj sciigoj, informejo — ĉie oni trovas klarajn surskribojn grandliterajn, kaj ĉie ankaŭ vi trovas afablan respondon en perfekta Esperanto al viaj demandoj. Kaj la demandoj estis sennombraj, ĉar la Esperantistoj alvenadis po centoj antaŭ ĉiu kasfenestro, kaj ĉiu malpacienciĝis ricevi la respondon por eble plej baldaŭ supreniri ĉe la kunveno aŭ amuza pastempo. La Esperanta akceptejo kun ĝia regula kaj rapida funkciado memorigis bone organizatan administradon kun la diferenco, ke en la Esp. akceptejo oni ne atendigis longe la petantojn, kiel en aliaj „bonaj“ administradoj.

## Interkonatiĝa Vespero

La unua interkonatiĝa vespero okazis sur la insulo „Ĵofin“. Treege interese estis observi la amason da Esperantistoj, kiuj grupiĝis ĉirkaŭ negrandaj tabloj (la salonego estis aranĝita kiel restoracio). Jen grupo — ĉiuj grupanoj gaje interparolas fluan Esperanton — gaje, ĉar ili havis ŝancon renkontiĝi kun malnovaj amikoj, gekorespondantoj, k. t. p. Jen alia — la grupanoj plezure interparolas inter si. Supozeble, ili estas novkonatuloj, ĉar ili manpremas reciproke prenante la nomojn kaj adresojn. Ankoraŭ grupo — la grupanoj, kiuj jam surmetis la naciajn kostumojn svedajn iomete maltrankvile rigardas ĉirkaŭ si, ĉar verŝajne ili ne ankoraŭ trovis tiujn, kiujn ili esperis renkonti dum tiu vespero. Dume tamen ili jam faris interkonatiĝon kun aliaj samideanoj kaj jam aranĝas la komunan vespermanĝon. En ia malproksima angulo, ĉirkaŭ granda tablo tre gaje estas: la grupo de gejunuloj ridas, ŝercas, interparolante diverslingve: hispane, dane, svede. Ĉiuj ridas kaj bruas. Tamen unu el ili, juna hispana sinjoro, diplomato, rakontas anekdotojn, ŝercojn en perfekta Esperanto. Ĉiuj komprenas, ĉar ridegas. Ĉirkaŭ la granda ovala tablo meze de salono la kuracistoj atendas iajn kolegojn. Je mia demando, ĉu estas sidloko ĉe tiu ĉi tablo, grava nejuna kuracisto respondis al mi: „Ne, sinjorino, la sidlokoj ĉe tiu ĉi tablo estas rezervitaj nur por niaj kolegoj, kun kiuj ni intencas interkonatiĝi kaj priparoli niajn specialajn aferojn.“ Iomete distre mi vagadis tra la salonego, serĉante seĝon. Sinjoro haltis min. „Sinjorino, vi serĉas seĝon — ĉu ne? Permesu al mi proponi al vi sidlokon ĉi tie. Ĉu vi deziras ion trinki?“ — „Dankon, sinjoro, mi ne ankoraŭ vespermanĝis, do mi preferus mendi vespermanĝon.“ — „Permesu al mi prizorgi vian vespermanĝon, ĉar la servistoj treege malrapide plenumas ilian servon. Mi prizorgos, se vi permesas, samtempe la vespermanĝon por mi.“ La sinjoro malaperis kaj revenis post unu kvaronhoro, akompanata de servisto kun pladoj, boteloj k. t. p. Ni vespermanĝis kune kaj agrable interparoladis dum du horoj. La izoluloj ankaŭ ne enuiĝas dum tiu interkonatiĝa vespero. La senceremonia maniero fari konatiĝon kun gesamideanoj estas treege ŝatata en nia demokrata ŝtato „Esperantujo“. La vizitkartojn en tiuj kazoj faras grandan servon kaj favoras al la reciproka interkonatiĝo. Mi ricevis amason da vizitkartoj kaj enskribis almenaŭ en cent notlibretojn mian detalan adreson. Post tio, certe estas facile sin retrovi dum la sekvantaj kunvenoj aŭ amuzvesperoj. La disiĝo post la unua interkonatiĝa vespero estis kontentiga, ĉar ĝi donis esperon renkonti morgaŭ tiujn el novkonatuloj, kiuj interesas nin.

## Koncerto

La unua koncerto vespera en Reprezenta Domo estis mirinde bela kantado de ĉeĥa virĥoro, de talenta solistino kaj ludado per harpo. Grandan sukceson ankaŭ ricevis popolaj dancoj de ĉeĥaj gejunuloj kaj gracia gimnastikado de „sokol“ knabinoj.

## Internacia Kostumbalo

La dua amuza vespero estis la internacia kostumbalo en la Reprezenta Domo. Tute apartan spektaklon prezentas la Esperanta Internacia Kostumbalo; ĝi distingiĝas en ĉio de niaj dancbaloj, tiel ofte okazintaj dum la postmilita periodo. Rigardante la salonegon, la duetaĝajn balkonojn dum la balo, ŝajnis, ke kvazaŭ oni speciale aranĝis la salonon por ĉarmigi la estetikan guston de la ĉeestantoj. Sur la balkonoj prenis lokon miksita publiko en Eŭropaj vestaĵoj: Sinjoroj en nigra, sinjorinoj en freŝaj helaj, precipe blankaj; tie kaj tie ĉi oni rimarkas nacian kostumon, kiu aperas kiel printempa floro sur la iom malhela fono. Rigardante malsupren, vi ne povas fortiri la okulojn de tiu kalejdoskopo de diverskoloraj belegaj naciaj kostumoj. Ne kredeble estas, ke vi troviĝas meze de vivantaj belegaj estaĵoj, ŝajnas, ke vi ĉeestas kinematografan prezentadon, tiel multkolora, karakterplena estas la aro de naciaj kostumoj. Belege aspektas la fraŭlinoj kaj sinjorinoj en iliaj kostumoj: ĉeĥoslovakaj, bohemaj, svedaj, finaj, polaj, germanaj, italaj, hispanaj, bulgaraj, polaj, ukrajnaj, svisaj, skotaj, bretonaj, serbaj, rusaj, holandaj, danaj, k. t. p. Kaj la sinjoroj tre konkurencis kun la sinjorinoj pro la belegaj kostumoj: skota, svisa, bulgara, sveda, k. t. p. Tre plezurigis nin la grupo de ĉeĥoslovakaj gejunuloj, kiuj arte plenumis moravian dancon „Beseda“. La belaj ĉeĥoslovakaj fraŭlinoj en naciaj ĉeĥaj, bohemaj, moravaj kaj slovakaj kostumoj dancis elegante kaj ĉarmigis nin per iliaj vere plastikaj movoj. En plej granda viveco la balo daŭris ĝis la tria matene. Kaj kiom da belaj impresoj, kiom da agrablaj interkonatiĝoj, kiom da neforigeblaj memorajoj multaj el ni kunportis — tion povas sperti nur tiuj, kiuj ĉeestis similan balon.

## Teatro

La tria amuza vespero estis la teatra prezentado en la vasta teatro Vinohrady: „La Nokto en Karlův Týn“ — verko de fama ĉeĥa verkisto Jaroslav Vrehlický, esperante tradukita de Miloŝ Lukaŝ.

Kiel enscenigo kaj ludo ĝi estis perfekta; des pli, ke la tasko de artistoj amatoroj vere estas ne facila: ludi teatraĵon de la XIV jarcento, ludi ĝin en nova lingvo Esperanto, estas la afero de spertaj profesiaj artistoj. Sed ni ripetas, ke kiel la Esperanta traduko kaj la elparolo de artistoj, tiel same la ludo estis kontentiga super niaj atendoj. Sed kial oni prezentas al diversnacia Esperanta publiko tiam treege malnovan teatraĵon, kiu taŭgas por la studado de la epoko en la lernejoj, sed ne por la postuloj de nuntempa vivo? Ni travivas „aliajn tempojn“ kaj ni bezonas „aliajn kantojn“.

*N. Umanski.*



R. HORNER
Sendito de la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco



D-ro NITOBÉ
Ĝenerala vic-sekretario de la Ligo de Nacioj



A. BLUMEL
Oficiala reprezentanto de la Internacia Labor-oficejo

# LA GASTOJ DE UEA EN PRAHA

## Vespero de UEA

Mardon vespere je la 7³⁰ la Komitato de UEA akceptis oficiale por vespermanĝo en Hotelo Palace la ĉeĥosl. ministron por eksterlandaj aferoj D-ron Beneŝ kaj la reprezentantojn de internaciaj organizaĵoj.

La vicprezidanto de UEA *D-ro Privat* salutis france la ministron laŭdante lian senlacan penadon por paco kaj rekonstruo en Mezeŭropo. Poste li bonvenigis angle D-ron Nitobe, vicsekretarion ĝeneralan de la Ligo de Nacioj, kaj Esperante S-ron Blumel, delegiton de la Internacia Laboroficejo, kaj S-ron Horner, senditon de la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco.

Ministro Beneŝ, respondante france, atentigis pri tio, ke en ĉeĥoslovaka respubliko estas disvastigita profunda kredo je idealismo kaj je movado, en kiu montriĝas granda sindono al la afero, kiel estas en Esperantista movado. Tiun ĉi movadon li ĉiuforte subtenados. Li bonvenigis esprimon de D-ro Privat pri ĉeĥosl. politiko, en kiu karaktera estas monda optimismo, kun kiu oni laboras por sukceso de la afero. En tiu idealismo, sindono kaj konvinko de ĉeĥoslovakoj pri reformo de homaro konsistas jena granda ideo enhavita en la Esperantismo. Estas necese unuigi penadon de ĉiuj, kiuj volas labori por rekonstrui Eŭropon. Ĝi estas universala penado, per kiu estas trapenetrita la Esperantista movado kaj la tuta tradicio de ĉeĥoslovaka nacio. La ministro tostis por sukceso de tiu ĉi penado kaj de Esperantista movado.

La vicsekretario ĝenerala de la Ligo de Nacioj, *D-ro Nitobe*, respondante angle, parolis jene:

Estimataj Gesinjoroj, *(Traduko el angla.)*

Sidante hieraŭ ĉe la Kongreso mi demandis min, kio ĝi estas, kio kune tenas tiom da miloj da homoj en tiu kora amikeco, kiu vidiĝis tra la paroladoj kaj okazaĵoj de la kunveno? Lao-Tse, unu el la plej profundaj pensuloj de la mondo, mi povas eĉ diri, la plej mistika filozofo ĉina, vivinta antaŭ du mil jaroj, diris en la komenco de la mallonga alparolo, kiun li postlasis al siaj sekvantoj, kelkajn vortojn, malfacile tradukeblajn en alian lingvon, sed eble tradukeblan en Esperanton. Mi komparis ĉirkaŭe sep anglajn tradukojn kaj neniu estas sama. En unu ni legas: „La vojo vojirebla ne estas la eterna vojo." Alia diras: „La Dio difinebla ne estas la vera Dio." Tria traduko uzis alian terminon kaj diris: „La povo mezurebla ne estas la eterna povo." Kaj jen ankoraŭ alia: „La Vorto eldirebla ne estas la vera vorto." Nu, gesinjoroj, kiel mi diris al mi mem ĉe la kunveno hieraŭ, la Esperanto, kiun oni povas paroli, ne estas la vera Esperanto: ekzistas io pli, eble tio, kion aludis D-ro Privat per la esprimo *„interna ideo"*.

Mi estis multe instruata de S-ino Blaise, sidanta apud mi, kiu precize klarigis al mi tiun ĉi punkton, nome ke D-ro Zamenhof konsideris Esperanton kiel eksteran rimedon por disvastigi la ideon de tutmonda amo.

Tiu spirita ideo, la *„interna ideo"*, jen kio instigas la Esperantanojn kuniĝi laŭ la vortoj de mia plej amata heroo Abraham Lincoln: „Bonvolo al ĉiuj kaj malbonintenco al neniu", por kunfratigi la diversajn rasojn kaj popolojn de la terglobo sen ia diferencigo pri koloro, pri nacieco aŭ historio. Ŝajnas al mi, gesinjoroj, ke ĝuste tion ni volas fari.

Lia Moŝto S-ro Beneŝ aludis je la grandaj suferoj de Eŭropo dum la milito. En Azio ni ne suferis multe. Japanio ja gajnis iom da mono. Sed spirite ni suferis kun vi. Morale ni staris ĉe la bordo de bankroto kun Eŭropo, ĉar nun, kiam Eŭropo suferas, Azio ne povas flankestari. La mondo estas tiel kunligita, ke tio, kion unu gajnas, la alia perdas. Ni estas ĉiuj kunligitaj per la milobiaj ligiloj de interamikeco, de perdo kaj gajno, de sufero kaj doloro. Ni finfine fariĝis *homoj* anstataŭ esti nur naciuloj. Kvankam ni ne devas forgesi tion, kion ni ŝuldas al niaj nacioj, ni devas samtempe ĉiam rememori, ke ekzistas aferoj eĉ super ili. Mi ne estas kosmopolitano, mi libere konfesas, mi estas naciano. Mi opinias, ke lia Moŝto estas ankaŭ, kaj eĉ bonega ekzemplo de vera naciano. Sed en la nuna tempo bona naciano devas esti internaciulo. La nomon kosmopolitano mi ne ŝatas. Afero povas esti kosmopolita, sed homo devas esti internaciano kun kiel eble plej nobla kompreno pri la homaro.

Mi sentas, ke ĝi estis por mi granda plezuro kaj granda instruo ĉeesti la kunsidojn ĉi tiujn tagojn kaj vidi, ne nur la eksteran rimedon por kunligi naciojn, sed la spiriton instigantan, ĉar estas ja l' animo, kiu movas la korpon. Kiam l' animo estas for, kiu mano povus revivigi kadavron kaj redoni vivon al la mortinto? Tial, antaŭ ĉio, mi plej profunde ŝatas la spiriton, laŭ la Esperanta movado iras antaŭen.

Jam lia Moŝto S-ro Beneŝ levis sian glason honore kaj bondezire al la sukceso de la Esperanta movado. Estas por mi plaĉa devo proponi al la gesinjoroj ĉeestantaj levi kun mi sian glason al niaj honorataj geakceptantoj Ges-roj Privat.

*S-ro Blumel*, respondante france, dankis pro afablaj paroloj pri la Internacia Laboroficejo, kies direktoro decidis presigi en Esperanto kelkajn dokumentojn. La unuan fojon en sia vivo la parolanto vidas „internacian kongreson, ĉe kiu la homoj interkomprenas sin". Li levas glason al homara tasko de UEA.

*S-ro Horner*, respondante Esperante, alportis varman saluton de la Internacia Ruĝa-Kruco, kiu rekomendis Esperanton kiel helplingvon por disvastigi la idealon de tutmonda amo inter ĉiurasaj homoj.

*S-ro Pitlik*, ĝenerala sekretario de la XIIIa Kongreso kaj komisaro ĉe la komerca ĉeĥosl. ministrejo, parolante unue ĉeĥe kaj poste Esperante, dankis al ministro Beneŝ pro liaj kuraĝigoj en diversaj okazoj kaj al UEA pro ĝia grava rolo ĉe oficialaj interŝtataj institucioj, kies partopreno grandigas aŭtoritate la publikan sukceson de la Kongreso.

## Dankinvito de D-ro Nitobe

Vendredon vespere D-ro Nitobe, ĝenerala vicsekretario de la Ligo de Nacioj, akceptis por vespermanĝo ĉe Hotelo Palace la estraron de UEA, S-inon Zamenhof kaj la ĉefajn gesamideanojn, kun kiuj li konatiĝis dum la Kongreso. Li bonvenigis siajn gegastojn per la jenaj vortoj en angla lingvo:

Estimataj Gesinjoroj, *(Traduko el angla.)*

Ĉiufoje kiam mi sidis ĉe la Kongreso mi estis plenigita per sento pri la afableco kaj amikeco regantaj tie. Mi deziras reciproki tiun senton, kaj mi opiniis, ke mi ne povus tion fari pli bone ol petante kelkajn konatajn esperantistojn pasigi vesperon kun mi. Ĉar multaj el vi deziras partopreni la koncerton de la blinduloj, mi nur mallonge parolos.



D-ro Ed. BENEŜ
Ĉeĥoslovaka Ministro por eksterlandaj aferoj

Nur mi deziras danki vin plej kore pro via boneco kaj, se vi permesas, mi deziras samtempe kuraĝigi vin, se vi bezonas kuraĝigon. Mi ne opinias, ke vi ĝin multe bezonas en la granda tasko progresigi la homan fratecon.

Estis ofte dirite, ke militoj kaj „famoj pri militoj" neniam ĉesos, ke batalemo devenas de homa naturo, ke militemo estas psikologiaĵo kaj instinkto, el kiu la homa estaĵo neniam povos sin liberigi. Tamen se ni povos nur kompreni unu la alian! Mi aŭdis iam pri angla ĵurnalisto, kiu tre ŝatis ataki unu ministron. Ian vesperon li estis invitita al granda vespermanĝo. Li sidis ie kaj la dirita ministro aliloke. Viro sidanta apud la ĵurnalisto montris al li la ministron kaj diris al li: „Jen S-ro Z., kiun vi tiel ŝatas ataki. Ĉu vi deziras konatiĝi kun li? Mi estas amiko lia kaj povas vin prezenti al li." La alia respondis: „Ne, ne! ĉar se mi konatiĝas kun li, mi poste ne plu povos lin ataki."

La unua kondiĉo por mondpaco kaj por la realigo de la pacifistaj idealoj estas, ke ni komprenu unu la alian kaj ne rigardu alian genton kiel barbaran (en la etimologia senco: fremdlingve parolantan). Ja ĝuste por realigi tiun altan ideon la Esperantistoj penadas. Ne nur kiel oficialulo de la Ligo de Nacioj mi bondeziras al via laboro, ne nur ankaŭ kiel Japano, kies gento estas tiel ofte konsiderata kiel tre militema kaj militista raso. Tamen la japana popolo havas en sia koro la amon al paco. Do unue kiel oficialulo de la Ligo de la Nacioj, due kiel Japano, ne laŭ la militista tipo, sed kiel vera filo de Japanujo, kaj trie kiel nenies reprezentanto krom mi mem, kiel pacamanta homo, mi deziras al la Esperantistoj ĉiun sukceson. Mi levas mian glason al la sukceso de la Esperanta afero!

S-ro *Warden* afable tradukis Esperanten.

*D-ro Privat* dankis angle la afablan gastiganton en la nomo de ĉiuj invititoj kaj levis la glason honore al S-ino Nitobe, forestanta en Ĝenevo, kaj al D-ro Nitobe, kies profunda kompreno pri la „interna ideo" kortuŝis la tutan Kongreson kaj gajnigis al li ĉies simpation. Poste parolis Esperante kaj tostis al Ligo de Nacioj, al S-ino Zamenhof, al frateco de popoloj, *D-ro Kamaryt*, prezidanto de la XIIIa, S-ro *Ed. Stettler*, prezidanto de UEA, S-inoj *Blaise, Cense, Isbrücker*, S-roj *Setälä, von Frenckell, Mangada Rösenorn, Fujisaŭa, Cottrell, Horner, Weiner*, k. a. ĝis malfrua horo vespere.

---

*Nia proksima numero aperos la 5 Novembro. De nun regule kunlaboros por originala literatura partó nia konata kaj talenta Esperanta poeto Leo Belmont el Varsovio.*

---

# Kongresa Protokolaro

## Statistiko de kongresanoj

Al la Kongreso aliĝis entute 2561 kongresanoj. El ili estis el ĉi tiuj 35 landoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉeĥoslovakio | 1406 | Rumanio | 11 |
| Germanio | 289 | Dancigo | 6 |
| Svedlando | 111 | Ruslando | 5 |
| Francio | 91 | Ukrajnio | 5 |
| Aŭstrio | 83 | Usono | 5 |
| Britlando | 78 | Japanio | 5 |
| Nederlando | 73 | Argentino | 4 |
| Pollando | 72 | Litovio | 3 |
| Danio | 45 | Kanado | 3 |
| Hungario | 45 | Aŭstralio | 3 |
| Italio | 45 | Estonio | 2 |
| Bulgario | 32 | Turkio | 2 |
| Svislando | 32 | Kubo | 2 |
| Jugoslavio | 27 | Alĝerio | 1 |
| Hispanio | 27 | Sudafriko | 1 |
| Belgio | 19 | Brazilo | 1 |
| Finnlando | 14 | Urugvajo | 1 |
| Norvegio | 12 | | |

Laŭ partoj de terglobo la statistiko estas:

| | |
|---|---|
| Eŭropo | 2533 |
| Ameriko | 16 |
| Azio | 7 |
| Aŭstralio | 3 |
| Afriko | 2 |

Oni vidas ankaŭ rilaton inter enlandanoj kaj fremdlandanoj:

| | |
|---|---|
| el Ĉeĥoslovakio | 1406 |
| ekster Ĉeĥoslovakio | 1155 |

El tiuj ĉi preskaŭ 400 ne petis persone siajn kongresdokumentojn, laŭ kio oni devas juĝi, ke efektive partoprenis 2200 ne kalkulante multajn familianojn sen kartoj.

(El *„Ĉeĥoslovaka Gazeto"*).

## Unua laborkunsido

*Lundon, je la 15-a horo*

La prezidanto, P-ro D-ro Kamaryt, legas la tagordon, anoncas la legadon de la protokolo kaj la prezentadon de la Raporto pri la Internacia Komisiono. La Komisiona raporto estos prezentata, sed ne diskutota hodiaŭ.

Li donas la parolon al S-ino Cense, kiu legas la protokolon de la malferma kunsido.

La protokolo estas akceptita.

La Prez. donas la parolon al la ĝenerala sekretario, S-ro Pitlik, kiu legas la saluttelegramojn, kiuj estas multenombraj.

S-ro Cart, prez. de la Akademio, parolas je la nomo de la Lingva Komitato kaj Akademio.

D-ro Zwickel parolas je la nomo de la Politeknikum Cöthen.

S-ro Gervois legas leteron de Henri Barbusse.

S-ro Pitlik legas leteron de la episkopo de Transilvanio.

S-ro Prez. donas la parolon al S-ro Page, kiu prezentas sian raporton. Per enkondukaj vortoj li prezentas al la ĉeestantoj la situacion atingitan inter la delegitoj de la Esperantista Centra Oficejo kaj UEA. Li poste legas la raporton kaj diras, ke kelkaj paĝoj de la raporto je la fino estas iom ŝanĝitaj.

Li diras, ke laŭ li la Ligo realigos la iaman projekton de D-ro Zamenhof, ĉar ĝi ne nur kunigos la individuajn esperantistojn sed ankaŭ la societojn.

Li diras, ke se iu interesiĝas pri la demando, li povas skribi siajn opiniojn sur papero kaj doni sub formo de rezolucio aŭ konsilo.

Li diras kelkajn vortojn pri la granda merito de Generalo Sebert, kiu malavare elspezis grandajn sumojn.

Post duonhora paŭzo:

P-ro D-ro Kamaryt proponas, ke la ĉeestantoj leviĝu por honori la memoron de fama samideano pacifisto Fried, kiu mortis en Wien lastatempe. La ĉeestantoj leviĝas, staras momente silente, kaj la kunsido daŭriĝas.

La Prez. proponas ankaŭ, ke oni sendu telegramon al la Ministroj, kiuj sendis oficialajn delegitojn al la Kongreso. Tiu propono estas akceptita.

La Prez. donas la parolon al S-ro Applebaum, kiu laŭ la tagordo devas prezenti sian proponon pri Monumento sur la tombo de D-ro Zamenhof. Per varmaj vortoj S-ro Applebaum prezentas la raporton kaj alvokas al la koro de la Esperantistoj. Li finas per la vortoj: la laboro estas nia, kaj la honoro estos tiu de la Esperantistaro estonte.

S-ro Isbrücker diras, ke li plene aprobas la proponon, ke li iam proponis ion similan antaŭ, sed ke ne aŭdinte poste ion pri sia propono, la Nederlanda Asocio kolektis monon por iu celo, kaj ke tiun sumon li donos volonte al la formiĝanta Komitato.

S-ro Privat prezentas ĉekon de Prof. Roy sendita parte por la monumento kaj por memortabeloj sur la domo de Zamenhof en Bialystock kaj en Genève, kie li loĝis en 1905. (63,000 pol. mk. por la monumento, 26,000 pol. mk. al Bialistok, 125 svis. fr. al Ĝenevo, entute 1000 Fr. fr.). La Kongreso aplaŭde dankas al Prof. Roy.

S-ro Belmont diras, ke la komitato, kiu devos plenumi la dezirojn de la komisiono, devos esti elektata ankaŭ inter la anoj de la Pola Societo. La Kongreso konsentas, ke la Komitato devas ankaŭ turni sin al la Pola Societo por ke ĝi elektu anojn por tiu Komitato.

S-ro Applebaum diras, ke jam ekzistas tia komitato en Varsovio, sed ke neniu kontraŭstaros por ke oni elektu anojn el la Pola Societo. Li aldonas ke la Komitato, serĉas neniun gloron. Ĝi konsentas, ke la laboro estos por la Komitato kaj la honoro estonte por la Esperantistaro. Li diras, ke jam nun la Esperantistoj povas sendi siajn donacojn al la kasisto, S-ro Page, al kiu S-ro Privat transdonas la ricevitan ĉekon de S-ro Roy.

S-ro Page diras, ke neniam li akceptis oficon kun pli da ĝojo ol tiun ĉi. Oni efektive povas jam nun sendi al li la monon, tamen li preferas, ke oni sendu al li nur plenigitajn promesilojn, troviĝantajn en la kongresdokumentojn.

La Prez. admonas la Esperantistojn, ke tiu afero realiĝu kiel eble plej rapide.

Poste S-ro Mergel, delegito de la Pola Esperantista Societo, prezentas la proponon de la Societo pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Li diras, ke la Pola Societo multe pripensis antaŭ ol prezenti la raporton, kaj ke ĝi celas la bonon de Esperanto, ĉar kiam Esperanto estas traktata de la registaroj, kiel io negrava, la publiko ankaŭ neatentas, sed de kiam iu nacio enkondukos ĝin kiel instruobjekton, estos jam multe pli facile propagandi. Oni ne povas devigi la registarojn enkonduki la lingvon; sed oni povas peti de ili informojn sub tiu ĉi formo: se iu alia registaro enkondukas Esperanton, kion vi mem faros? Se la demando ne estas akceptita, tamen ĝi estos traktata dum parlamenta kunsido kaj tiel jam altiros la atenton de la publiko.

S-ro Prelato Giesswein apogas la proponon de la Pola Societo kaj aldonas nur, ke oni devus ne nur sin turni al la Ministrejoj pri instruado sed ankaŭ pri komerco, eksterlandaj aferoj, k. t. p.

S-ino Cense opinias, ke estus tute malbone por Esperanto, se iu internacia komisiono nomita de Universala Kongreso de Esperanto, turnus sin al la Francaj Ministerejoj por instruado aŭ komerco plej bone povas agi en tiu senco la enlanduloj.

S-ro Arnhold proponas, ke oni nomu la komisionon, kiu turnos sin al la naciaj societoj kun rekomendo, ke ili agu en tiu senco en siaj respektivaj landoj.

S-ro Pitlik diras, ke estas ĉiam preferinde turni sin al la profesoroj aŭ instruistoj, ĉar tie, kie estas Esperantistaj instruistoj aŭ profesoroj, estas permesite instrui nedevige Esperanton (en Bohemujo ekz.).

S-ro Schamanek same agis en la instruistaj medioj, faris paroladon kaj estis nomata senpaga paroladisto por Esperanto. Ni unue devas prepari la kampon por ke nia agado estu pli fruktodona kaj pli rapida.

S-ro Sevenhuijsen opinias, ke ne estas saĝe peti ion, kion oni ne esperas ricevi. La fakto, ke lia ministro sendis lin kiel reprezentanton al la Kongreso pruvas la intereson montratan de tiu ministro al Esperanto, sed li estas certa tamen, ke se iu petus de la Ministro la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, li ne sukcesus havigi dekreton en tiu senco.

S-ro Setälä diras, ke la enkonduko de Esperanto kaj la propagando en tiu senco dependas nepre de la lokaj cirkonstancoj, kaj ke nur la lokaj personoj povas scii, kion ili devas fari. Li mem spertis tion, kiam la Finnlanda Asocio propagandis apud la ministrejo, kaj sukcesis havigi la sumon de 25,000 fm. por Esperanto. Malkaŝiĝis ĝis tiam nekonataj malamikoj de Esperanto, kaj aperis artikoloj kontraŭ tiu decido, kiu pliŝarĝigis la budĝeton. Ĉiu povas en sia lando propagandi por enkonduko de Esperanto en la lernejprogramon kiel nedevigan objekton.

D-ro Privat diras, ke efektive povas leviĝi malamikoj en la momento, kiam oni malpli pensas pri tio, kaj ni devas antaŭe esti pretaj kontraŭstari ilin. Li proponas, ke la Kongreso 1e sendu telegramon al la Ligo de Nacioj, dankante ĝin pro tio, ke ĝi sendis eminentan reprezentanton al la Kongreso kaj petante, ke ĝi rekomendu la enkondukon de Esperanto en la lernejojn de siaj anoj, 2e petu la ĉeĥoslovakan registaron, ke ĝi subtenu tiun proponon ĉe la Ligo.

S-ro Degen. — La registaro akceptas nur maturajn fruktojn, kaj ni ne devas prezenti al ili ion tute ne pretan. Ni ne havas taŭgajn instruistojn nek taŭgajn lernejajn librojn por ĉiuj landoj. Unue ni havu bone preparitan grundon.

S-ro Isbrücker. — Ŝajnas, ke la propono de la Pola Societo eliras el tre bona intenco sed nur verŝajne pro specialaj cirkonstancoj.

Kronenberg. — Estas efektive tre grave enkonduki Esperanton en la programojn de la lernejoj, ĉar kiam ĝi estos enkondukita, estos por ni grandaj plifaciligoj. Ni havas jam tri regnojn, kiuj favoras Esperanton: Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo kaj Finnlando. Ni devas agi prudente kun la propono kaj ne rifuzi ĝin, sed sekvi konsilojn de S-ro Privat: Turni sin al la Ligo de Nacioj kaj al la ĉeĥoslovaka registaro. Ni propagandu inter la junularo, ĉar ni bezonas la junularon por la estonto.

S-ro Sock. — Ni ne parolu pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, ĉar kiam ĝi estos jam sufiĉe disvastigita en la popolo, ĝi eniĝos mem en la instruadon. Ni daŭrigu nian propagandon kaj ne perdu nian tempon en paroladoj.

S-ro Belmont ne vidas la proponon tiel danĝeran kiel iuj, sed ni devas frapi de malsupre supren kaj ne de supre malsupren; sed sekvante la konsilon de la sankta skribo, kiu diras, frapu kaj estos malfermate al vi, ni devas frapi konstante. Ni estos modesta komisiono, kaj ni ne estos granduloj, sed eble oni povos fondi komisionon, kiu turnus sin al la naciaj societoj.

La Prez. troviĝas do antaŭ du proponoj, kiuj estas: Tiu de D-ro Privat: Pere de la Ligo de Nacioj, subtenata de S-ro Kronenberg. Tiu de S-ro Arnhold, kun konsento de S-ro Leo Belmont, al kiu ankaŭ donas sian konsenton S-ino Cense, ke oni starigu komisionon, kiu rilatus kun la Naciaj Societoj.

La Prez. voĉdonigas pri la propono Privat-Kronenberg, kiu estas akceptita. Li klarigas, ke unu ne estas kontraŭ la alia, kvankam ne estas la samaj, kaj ke oni povas voĉdoni ankaŭ pri la alia propono Arnhold-Belmont-Cense.

Tiu propono estas ankaŭ akceptita.

## Dua Laborkunsido

*Merkredon 3 aŭgusto je la 9 h. 15 min.*

La Prezidanto petas la permeson legi la protokolon nur dum la estonta kunveno. La propono estas akceptita.

D-ro Kamaryt donas la parolon al S-ro Pitlik, kiu legas la alvenintajn telegramojn.

Li proponas, ke oni elektu la komisionon pri la propono de la Pola Societo.

S-ro Kronenberg proponas la nomojn de la Komisionanoj por ĉiuj landoj. Al tio S-ro Mergel proponas S-ron Czubrzinski por Pollando. Tiu nomo estas akceptita. La germanaj Esperantistoj proponas S-ron Schramm el Dresden. Akceptita.

La komisiono konsistas do ĝis nun el la sekvantaj nomoj:

D-ro Czubrzinski (Pollando), D-ro Sevenhuijsen (Nederlando), P-ro Ad. Finet (Belgujo), Komandanto Mangada (Hispanujo), Setälä (Finnlando), P-ro Kamaryt (Ĉeĥoslovakujo), D-ro Privat (Svislando), D-ro Schramm (Germanujo).

Por la okazo de rifuzo de iu nomita persono, la komisiono povus elekti aliajn personojn.

*Komisiono pri ĝenerala organizo.* S-ro Page prezentas sian raporton kaj diras, ke ĝi estas la rezulto de longa kunlaboro, ke ĝi ne pretendas esti definitiva, sed ke ĝi tamen estas grava, ĉar ĝi estas la rezulto de interkonsento inter la gravaj institucioj, kiujn ĝi celas unuigi. Se la Kongreso akceptos, la komisiono verkos statuton, kiu estas submetota al la aprobo de la estonta Kongreso.

La Komisiono elektita de la Haga Kongreso laboris dum la jaro per studado de dokumentoj kaj diversaj projektoj de organizo submetitaj al ĝi, kaj provizora raporto estas presita kaj disdonita al la kongresanoj — sed rezulte de kunvenoj de la komisionanoj en Dresdeno tuj antaŭ la Kongreso, la rekomendoj de la raporto estas rekonsideritaj kaj plisimpligitaj. Mallonge tiuj finaj rekomendoj estis: ke la ekzistantaj internaciaj organizaĵoj de la Esperantistoj estu kunmetitaj en unu ĝeneralan organizaĵon, kaj ke ĝenerala organizaĵo estu starigita sub la nomo „Universala Ligo Esperantista“ kun statuto verkota laŭ jena plano:

La Ligo konsistos el: 1e Membroj, *a)* personaj („Liganoj“) kaj *b)* Societoj, lokaj, naciaj, fakaj, k. t. p.; kaj 2e Aprobantoj, t. e. neesperantistaj organizaĵoj kaj personoj, kiuj morale kaj finance subtenas Esperanton.

La Liganoj elektos Komitaton de 6 anoj, kiuj fariĝos la Servada Komitato, kiu prizorgos la disvastigadon de la praktika kaj aplika uzado de la lingvo por komercaj, sciencaj, kaj aliaj celoj. Ĝi daŭrigos la laboron kaj sekvos la tradicion de UEA.

La societoj elektos Komitaton de 6 anoj, kiuj fariĝos la Propaganda Komitato, kiu administros la Centran Propagandejon de la Ligo kaj daŭrigos en *Parizo* la laboron de E. C. O. Ĝi konservos la arĥivojn de la Esperanta movado kaj la oficialan bibliotekon. Ĝi organizos la propagandon ĉe registaroj kaj publikaj institucioj, la eldonadon de propagandiloj, kaj la kolekton de informoj kaj statistiko pri la disvastigado de Esperanto.

La Ĝenerala Komitato de la Ligo konsistos el: 1e la Servada Komitato (6 anoj); 2e la Propaganda Komitato (6 anoj); kaj 3e tri anoj elektitaj de la Universala Kongreso — entute 15 anoj. La Ĝenerala Komitato elektos Prezidanton, du vic-prezidantojn, Ĝeneralan Sekretarion kaj Ĝeneralan Kasiston de la Ligo, kaj fiksos ĝian juran sidejon.

La Direktanta Komitato konsistos el la prezidanto kaj du vicprezidantoj de la Ligo kaj la prezidantoj de la Propaganda kaj Servada Komitatoj.

Delegitoj funkciados kiel la nunaj delegitoj de UEA kaj reprezentos la Ligon en sia loko kaj la lokajn liganojn ĉe la Ligo.

La apartaj reguloj kaj statutoj de E. C. O., UEA, A. K., K. K. K., kaj I. U. E. S. estos forigitaj, sed ili reaperos ŝanĝitaj laŭ bezono en la interna regularo de la Komitatoj de la Ligo, konforme al la Statuto.

La Lingva Komitato kaj Akademio funkciados apud la Ligo laŭ sia ekzistanta regularo tuj revizota por respondi al la nova situacio kreota de la Ligo, kiu finance subtenos ĝin kaj rajtos iel partopreni en la elekto de novaj anoj.

La Centra Kaso ricevos monon ne nur de liganoj kaj societoj kaj aprobantoj, sed ankaŭ de Societo de Amikoj de Esperanto kaj bonvolemaj donacintoj. Ĝi uzos la monon ricevitan, krom por administraj bezonoj, por la subteno de la Lingva Komitato kaj Akademio kaj de la diversaj komitatoj kaj fakoj de la Ligo.

La Ĝenerala Komitato organizos Universalan Kongreson de Esperantistoj ĉiujare, kun la helpo de loka organiza komitato. La Kongresanoj havos la plenan rajton diskuti kaj esplori ĉiujn demandojn komuninteresajn por ĉiuj Esperantistoj, sed ne alpreni decidojn devigajn, ĉu por izolaj Esperantistoj aŭ por Esperantistaj Societoj, aŭ por la Ligo; sed ili plene rajtos esprimi dezirojn kaj konsilojn. Tiujn deziresprimojn aŭ konsilojn la Direktanta Komitato de la Ligo, kiel eble plej baldaŭ nepre devos submeti por definitiva decido al la Ĝenerala Komitato aŭ al alia koncernata komitato aŭ, se la afero tuŝas statuton aŭ gravan principon, al la ĝenerala voĉdono de la Ligo. Eventuala profito el kongreso estos dividata en tri egalajn partojn, 1e, al la nacia propaganda societo, kiu organizis la kongreson; 2e, al la ĝenerala kaso de la Ligo por pagi deficitojn de antaŭaj aŭ estontaj kongresoj; kaj 3e, al la Ĝenerala Kaso de la Ligo por ĝiaj ĝeneralaj celoj.

La Ligo eldonos Oficialan Gazeton kaj Jarlibron.

Post diskutado de la Raporto de la Komisiono la Kongreso aprobis la jenan rezolucion:

*La Kongreso ricevas la Raporton de la Komisiono, kaj dankas la Komisionanojn pro ilia laboro;*

*Aprobas la starigon de Universala Ligo Esperantista laŭ la ĝenerala plano de la Raporto;*

*Petas la Komisionon*

1e *Verki statuton kaj financan planon de tiu Ligo kiel eble plej konforman al tiu plano presigotan en Oficiala Gazeto Esperantista kaj en la Gazeto „Esperanto“ kaj komunikotan al la Esperantista Gazetaro;*

2e *Celi la konsenton de la Societo de la Centra Oficejo kaj de UEA, kiuj dumtempe daŭrigu sian laboron, samtempe klopodante por enkorpigi sin en la Ligo, kaj por efektivigi ĝian sukceson, kaj*

3e *Prezenti raporton al la 14-a Kongreso;*

*Petas la Lingvan Komitaton tuj revizi sian regularon por respondi al la nova situacio kreota de la Ligo; kaj*

*Petas al la kuratoroj de la Kongresa Kaso, ke el eventuala profito el la Kongreso estu pagataj la elspezoj de la Komisiono, kaj se tia profito ne okazu, ke estonta kongreso rezervu parton de sia kotiza enspezo por tiu celo.*

D-ro Kamaryt donas la parolon al Komandanto Alessio, kiu diras, ke estas eble preferinde diskuti pri la ĝeneraleco de la organizo, ĉar oni eble povus forlasi la detalojn.

D-ro Kamaryt diras, ke ekzistas do du proponoj, diskuti pri ĝeneraleco kaj diskuti pri detaloj.

D-ro Arnhold diras, ke ne ekzistas du proponoj, ĉar la unua punkto estas de S-ro Page, estas ĝenerala, kaj la aliaj la detaloj. Se do oni akceptas la proponon de S-ro Page, oni unue diskutos pri la du punktoj.

S-ro Page raportas do pri la laboro de la Komisiono. La Komisiono nomita de vi laboris, ĝia laboro estas antaŭ vi. La raporto ne estas nun en la plej nova formo, ĉar la komisiono kunvenis en Dresden kaj diskutis tre funde kelkajn punktojn, kiuj ne troviĝas en la raporto, ĉar la preskosto estas konsiderita tro alta, kaj oni ankaŭ esperis, ke la diskuto donos kelkajn ideojn novajn, kiuj igus netaŭgaj la novajn presaĵojn.

La Prez. demandas do ĉu oni konsentas pri la unua punkto, tio estas fondi internacian organizon de ĉiuj Esperantistoj, eĉ de tiuj, kiuj pagas malgrandan kotizon laŭ la spirito de la komisiono.

La Prez. donas la parolon al Kom. Alessio, kiu diras, ke oni devas akcepti la ĝeneralan ideon kaj danki la komisionon kaj pre-

cipe la Prez. por la laboro. Li restas danka al ĉiuj, kiuj laboris. La projekto devus esti prezentita almenaŭ en Aprilo, por ke ĉiuj gazetoj povu presigi ĝin kaj la Esperantistoj diskuti ĝin. Ni do nenion decidu pri tiu nuna projekto, kiu ne estas kontentiga. La ideo de Hago estis unuiĝo sed ne disiĝo de organizoj, dume li vidas du organizojn same kiel nun en la projekto. La sidejo en Parizo ne plu estas taŭga; ni devas havi pli internacian kaj pli neŭtran. Svislando estas la modelo por estonta mondo, ĉar pluraj nacioj de diversaj lingvoj vivas tie akorde. Estas necese krei organizon, kiu devas doni vivon al Esperanto. Ne estas problemo de organizo, sed de ekonomio ... Esperanto estas kreita por internaciaj rilatoj. Oni enmetu du anojn de UEA en la K. K. K. por la organizo de la estontaj kongresoj.

S-ro Arnhold petas, ke oni limigu la tempon al la parolantoj.

D-ro Sós petas, ke oni revoku al la temo, al la tagordo.

S-ro Warden diras, ke li jam en Hago gratulis S-ron Alessio pro lia elokventeco, sed li prezentos al li faktojn. La Kongreso esprimis la deziron krei ĝeneralan organizon de ĉiuj esperantistoj, en kiu ĉiuj esperantistoj, eĉ tiuj, kiuj ne pagas altan kotizaĵon, povos partopreni. Ĝi nomis komisionon. La komisiono laboris. La laboro estis multe pli granda ol oni povas pensi. Ĝi estas netaksebla de la personoj, kiuj ne vidis la faratan laboron. Ni faris nian eblon, kaj jen la rezulto. S-ro Alessio plendas, ke estas du serioj da kunvenoj. Se la propono de S-ro Page estas akceptita, estonte ne plus estos du organizoj, du kunvenoj, sed nur unu ĝenerala. S-ro Alessio devas do esti kontenta, ĉar la laboro de la komisiono estas bazita sur interkonsento.

S-ro Warden petas, ke oni diskutu nur pri detaloj, la principo estas jam akceptita. Pri la sidejo, la statutoj lasos la liberecon, ĝi estos en plej taŭga loko.

En tiu momento eniras S-ro Habrman, eksministro kaj deputito de la ĉeĥoslovaka parlamento, kiu alparolas la Kongreson en ĉeĥa lingvo. S-ro Prof. Kamaryt tradukas lian paroladon en Esperanto.

La diskuto daŭras per la diro de S-ro Kronenberg, kiu diras, ke ni devas celi ligon enhavantan ĉiujn Esperantistojn senescepte, ke UEA ne estas tia. Oni devas iom pensi pri la propagandaj enlandaj societoj.

S-ro Arnhold esprimas la bedaŭron, ke S-ro Stettler kaj Privat ne ĉeestas, ĉar ili certe malaprobus la deflankigon de la diskuto de la tagordo, farita per la parolado de S-ro Kom. Alessio. Oni devas voĉdoni nur pri la propono, doni la rajton al la komisiono prilabori statuton sufiĉe frue, por ke ĝi povu esti diskutata en la gazetoj antaŭ la 14ª Kongreso. Ke la Kongreso malakceptu la proponon enirigi du anojn de UEA en la K. K. K. ĉar espereble la organizo baldaŭ fariĝos kaj ekzistos nur unu Kongreso organizota de la Ligo mem.

S-ro v. Frenckel diras: Ofte ni jam spertis en nia organiza movado, ke se hodiaŭ oni ne havas la rajton decidi, kaj oni prokrastas, oni restas ankaŭ poste kun la sama maldecideco; oni decidos nek la venontan jaron nek la postan, kaj tamen estas necese, ke oni atingu ion. S-ro v. Frenckel tute ne neas la gravecon de UEA, sed tamen la lingvaj institucioj estas ankaŭ tre gravaj. La financa stato de UEA montras sufiĉe, ke ĝi ne povas jam nun bilanci sian buĝeton, kaj oni volas altrudi al ĝi novajn elspezojn. Li deziras, ke la Kongreso montru, ke ĝi fidas al la personoj elektitaj de la du interesataj institucioj, Esperantista Centra Oficejo kaj UEA.

S-ro Belmont studis la projekton, ĝi ne estas ideala, perfekta, sed ĝi ekzistas. Ni ne devas diskuti ĝin sed ĝin akcepti, ĉar se ĝi estus prokrastita ĝis la 14-a ne estas kaŭzo por ke ĝi ne estu resendita ankoraŭ al alia Kongreso. Se S-ro Alessio trovis eraron, li rajtas diri tion komprenebla; sed ni ne faru revolucion, nur evoluadon. Ni ne devas pensi pri forigo de Parizo, kies meritoj estas grandaj, kaj kiu estas tre utila. Ni lasu al la Komisiono la taskon pristudi la detalojn.

S-ro Degen diras, ke li ne vidas la bezonon ion ŝanĝi en la organizo; ĉar la estontaj kongresoj estos bazataj sur la fakaj kunsidoj. Oni ne forigu la unuiĝon de la lokaj societoj.

D-ro Privat, kiu ĵus eniris, diras, ke oni devas diskuti tute senpasie, kaj atingi iun celon. Se oni prokrastus la principon ankoraŭ tiun ĉi jaron, la rezulto estus la sama. Oni povos dum la jaro kolekti la kritikojn kaj korekti en la senco de la plimulto. S-ro Page havos la paciencon ankoraŭ kolekti ilin, esplori ilin, publikigi, kaj denove oni diskutos kaj decidos. Oni akceptu ne la raporton sed la rezolucion. Se iu havas iujn suĝestojn farotajn, UEA-anoj faru ilin al UEA kaj la aliaj al la C. O. kaj oni priparolu ĉion dum la venonta Kongreso.

S-roj Stettler kaj Privat rekomendas al S-ro Alessio, ke li reprenu sian proponon, dankante lin pro lia bona intenco al UEA, kaj rekomendas la voĉdonon de la rezolucio.

S-ro Alessio diras, ke li volonte akceptas la proponon de D-ro Privat, se oni ne diskutas la detalojn.

S-ro Mahn diras, ke oni tro forgesas pri la naciaj societoj. Li voĉdonos la rezolucion se li havas la certecon, ke oni ne flankenlasas la propagandajn societojn. La estonteco de nia movado esta bazita sur la lingvaj institucioj, la naciaj Asocioj kaj UEA. Oni do diskutu. La nova organizo estu la rezulto de ĉiuj ideoj.

S-ro Mielert diras, ke tiu afero estas jam sufiĉe pritraktita, ke oni devas voĉdoni laŭ la propono de S-ro Privat.

S-ro Arnhold diras, ke la statuto estos publikigata kaj ke tiel ĉiu havos la eblon ĝin diskuti.

S-ino Cense respondas al S-ro Mahn, ke li povas esti tute trankvila pri la naciaj societoj ĉar laŭ la projekto la E. C. O. daŭre rilatos kun la societoj, kaj ĝia ekzisto estos bazita precipe sur tiuj ĉi societoj.

## Tria Laborkunsido

*Vendredo la 5 aŭgusto, je la 14-a horo*

Antaŭ ol oficiale malfermi la kunvenon, la prez. senkulpigas la lokan Kongreskomitaton pri la iom tro longedaŭrinta ekskurso al Karsto. Tiun ekskurson aranĝis la Esperantista Klubo en Brno (Moravio) kun helpo de „Ĉeĥoslovaka Vojaĝa Kancelario".

S-ro Bredal petas la parolon por plendi pri la manko de programo en tiu ekskurso. Oni ne antaŭe sciis pri aparta pago por aŭtomobiloj kaj eniro en grotoj, kaj tio havis sufiĉe da graveco precipe por la personoj, kiuj venis kunportante ĝuste la necesan sumon antaŭkalkulitan. Tio kaŭzis iom da konfuzo. Per la antaŭa informo pri ĉiuj kostoj oni evitus tiun konfuzon.

S-ro Warden diras, ke neniu homa ago estas perfekta, tamen tiu sperto devas esti por ni plia instruo. Li kredas, ke la malfacilaĵoj de la loka Komitato estas pliigitaj per tiu fakto, ke multe da partoprenantoj anoncis sin en la lasta momento; tio malebligis antaŭvidi la nombron de ekskursontoj. Estas malfacile, kiam oni antaŭvidis kaj preparis vojaĝon kaj tagmanĝon por 400 personoj, akcepti pli ol 1000. Li dankas la lokan Komitaton pro la multnombraj laboroj, okaze de tiu Kongreso, kaj petas la kongresanojn, ke ili bonvolu memori nur pri la bela impreso, kiun ili havis en la belegaj subteraj naturaĵoj, kaj forgesu la iom longan kaj eble malkomfortan vojaĝon.

La Prez. donas la parolon al S-ino Cense por legado de la protokoloj pri la unua kaj dua laborkunsido. Ambaŭ protokoloj estas aplaŭde akceptitaj. Li dankas la protokolistinon, pro la rapideco, kun kiu ŝi sukcesis prepari tiujn lertajn protokolojn, kaj legas la tagordon: 1e novaj saluttelegramoj kaj leteroj; 2e propono pri starigo de porblindula eldona organizaĵo; 3e propono de S-ro Ziegler pri Esperantista internacia eldona societo; 4e propono de Finnlanda Esperantista Asocio pri la Esperantista Gazetaro.

S-ro Pitlik, ĝenerala sekretario, legas saluttelegramon de S-ro Prez. Masaryk.

S-ro Rudolf Fridrich legas la rezolucion de Ligo de malgrandaj Nacioj, kun deziro, ke Esperanto estu enkondukita en ĉiujn fakojn de la viva agado.

*Porblindula Fondaĵo.* — La Prez. donas la parolon al Prof. Stejskal, kiu klarigas la celon de tiu fondaĵo. La Gazeto „Esperanta Ligilo" fondita en 1908 de S-ro P-ro Th. Cart, estas la sola komuni-

kilo, kiun havas inter si la blindaj Esperantistoj. Oni do devas subteni ĝin, kaj la plej bona maniero por tio estas fondi internacian organizaĵon, por ebligi la daŭrigon de tiu grava entrepreno, kies celo estas ne nur homa, sed kiu havas tre grandan propagandan efikon. La nuna redaktanto, S-ro Thilander, kiu kun sia edzino laboras sen iu monkompenso, meritas ĉiujn subtenojn kaj kuraĝigojn, malgraŭ tio la eldonanto timas pri ĝia ekzista povo. Oni do bezonas regulan kaj konstantan subtenon. Bonvolaj donacoj ne sufiĉas por garantii la daŭran eldonadon. Pro tio oni sendis al la K. K. K. la proponon, fondi internacian societon, por ke oni enmetu tiun proponon en la tagordon de la 13-a Kongreso. S-ro Stejskal diras, ke en Bohemujo oni havas Boheman porblindulan Asocion, kaj el kotizaĵoj oni kolektas la sumon por la abonigado. Laŭ tiu ekzemplo ĉiu Esperantisto, pagante kotizaĵon al iu societo aŭ grupo, aŭ abonante gazetojn, ĉiam aldonus 5 monunuojn, ekz. 5 centimojn por la porblindulpresa entrepreno. Lerni Esperanton estas peniga por la blinduloj; al ili mankas libroj, kaj ili devas lerni parkere. Li petas la bonvolan atenton de la Kongresanoj al tiu propono; ĉar la blinduloj havas specialan emon al studo de Esperanto.

La Prez. demandas, ĉu iu petas la parolon pri tiu temo.

S-ro Pitlik estas certa, ke neniu inter ni kontraŭstaras la proponon kaj ke, kontraŭe, ĉiu subtenos. La blinduloj uzas Esperanton ne nur por paroli; sed ankaŭ praktike uzas ĝin por pritrakti siajn aferojn kaj staton. Tio do estas bonega pruvo pri la vera ekzisto kaj utileco de Esperanto. Li proponas, ke oni nomu komisionon, kiu interrilatos kun la Esperantaj asocioj kaj gazetoj kaj iel fiksos tiun deziratan alpagon. Li proponas per tiu komisiono: S-rojn Prof. Cart, Stejskal, Macan, al kiuj oni povas aldoni aliajn personojn laŭ bezono.

S-ro Cart esperas bonan akcepton de la propono. Li diras, ke la gazetoj povas fari, kion faris iam „Lingvo Internacia", kiu havis konstantan alvokon por monkolekto tiucele; tiamaniere ĝi multe subtenis „Esperantan Ligilon", pri kies vivo dum tiu tempo oni ne timis. Li parolas pri la merito de S-ro Thilander, lia diligenteco, talento, kaj li diras, ke oni povas plene fidi al li. S-ro Cart finas dirante: „Mi diris iam al D-ro Zamenhof, ke la blindaj Esperantistoj restos certe fidelaj al la lingvo, kiun vi donis al ni, helpu al ili por ke ne mortu ilia gazeto."

S-ro Privat diras, ke li malfermis monkolekton en la gazeto *Esperanto* kaj ke li adresigis ĝin rekte al S-ro Percy Merrick, kiun li formale proponas kiel kasisto, almenaŭ kiel membro de la komisiono. Li certigas S-ron Cart pri lia helpo.

S-ino Cense opinias, ke estas bone pripensi la estonton, sed ke oni ankaŭ devas pripensi la nunan tempon. Eble dum tiu ĉi Kongreso, eĉ dum nuna kunveno oni povus fari, kion faris niaj britaj samideanoj dum sia kongreso, t. e. fari monkolekton, kies produkto estus tuj sendata al S-ro Thilander, kiel unua helpo. Jam aperis numero de „Esperanta Ligilo" kun subskribo „Eldonita kun helpo de la Brita Esperantista Kongreso"; eble la du venontaj numeroj povos havi la subskribon „Eldonita kun la helpo de la 13a Univ. Kongreso de Esperanto".

Eble S-ro Stejskal povos tuj elekti personon, kiu staros ĉe la pordo kaj akceptos la oferon, kiun certe bonvolos lasi la elirantoj.

Tiu propono estas tuj efektivigita.

S-ro Setälä konstatas, ke nenie li vidis pli grandan entuziasmon ol inter la blinduloj.

S-ino Rackova, blindulino, diras, ke ŝi ĉeestas unuafoje internacian kongreson. Ŝi estas tre kortuŝita pro la sentoj esprimitaj al la blinduloj de la Esperantistoj. Por ŝi Esperanto estas efektiva fratigilo. La vivo de la blinduloj estas tre malluma, ne pro tio, ke mankas al ili la lumo de la suno, sed pro tio, ke mankas al ili ligilo vera kun la ceteraj homoj kaj inter si. La Esperanta Ligilo estas por ili vera lumo. Esperanto pere de ĝi alportis al ŝi kaj al ŝiaj kunsortanoj la ĝojon, donante al ili la eblon, korespondi, do instrui sin kaj distri sin. Ŝi do diras al ĉiuj tre koran dankon.

S-ro Stejskal diras, ke sen la ekzisto de la Esperanta Ligilo, la blinduloj ne povus partopreni la Kongreson, ili ne eĉ estus Esperantistoj, tial li altiras la atenton al la graveco de „E. L.". Li diras, ke la hungaroj, kvankam malriĉaj, kolektis sufiĉe grandan sumon por subteni ĝin. Li anoncas vendon de folieto kun versaĵoj je la profito de la blinduloj. La Komisiono estas elektita el la jenaj anoj proponitaj de S-ro Pitlik: S-roj P-ro Cart, Percy Merrick, Stejskal, Macan, instruisto de blinduloj en instituto „Klar". Tiu Komisiono povos elekti mem aliajn anojn, laŭbezone.

La Prezidanto informas, ke alvenis S-ro Blumel, delegito de la Internacia Oficejo de la Laboro en Ĝenevo, kaj ke li salutos la Kongreson.

S-ro Blumel, per franca lingvo, salutas la Kongreson, kaj esprimas la bedaŭron, ke li ne povas fari tion je la komenco de la laboraj kunvenoj. Li estas tamen ĝoja, ke li povas fari tion nun, ĉar antaŭe li estus dirinta eble ion hazarde, kaj nun li diras sincere, ĉar li vidis. Li anoncas, ke la direktanto de la Internacia Laboroficejo publikigos en Esperanto klarigon dokumenton. D-ro Privat tradukas en Esp. kaj atentigas la ĵurnalistojn kaj propagandistojn, ke ili nur citu la ĝustajn vortojn de la delegitoj oficialaj, kaj neniel uzu la vortojn, kiujn ili povus aŭdi de ili private. Tiun proponon la gazetistoj promesas akcepti kaj observi.

La Prez. dankas kaj eldonas sian peton al tiu de S-ro Privat.

*Propono de S-ro Ziegler.* — La Prezidanto legas la proponon kaj demandas ĉu la proponanto estas tie por subteni tiun proponon. La proponinto ne ĉeestas. La Prez. diras, ke eldonado de libroj k. t. p. estas komerca entrepreno kaj sekve povas esti nur privata afero.

S-ro von Frenckell proponas, ke oni simple malakceptu la proponon. La propono estas malakceptita, kaj oni transiras al la sekvanta propono.

*Propono de Finnlanda Asocio pri Unuigo de la Gazetoj.* — S-ro Prez. vokas la supran proponon kaj petas la subtenanton klarigi ĝin.

S-ro Setälä klarigas, ke pro ekonomia problemo, la plej abonataj gazetoj Esperantistaj, kiel ekzemple la Nacia brita, havas tro malmulte da abonantoj kaj anoncas deficiton. Plie, plej parte tiuj gazetoj ne estas taŭgaj por la propagando. La propagandaj artikoloj en Esp. Finnlando estas legataj nur de la Esperantistoj, do ne estas utilaj. Prefere oni presigu ilin en la nacilingvaj gazetoj. La artikoloj specialaj aperu en fakaj gazetoj Esperantistaj aŭ oni eldonu ilin en apartaj broŝuroj sen dato. La abonmono eliras ĉiam el la samaj poŝoj, sekve la multenombreco de la Naciaj gazetoj disigas la fortojn. La duono de la gazetoj havas parte la saman enhavon. Ni do havu unu komunan kaj la kompostado kaj la presado estos multe pli malkara kaj per sia aspekto ĝi faros multe pli da propagando inter la publiko. La nacia Asocio de Finnlando faris rezolucion por limigi la nombron de Esp. gazetoj.

Li do petas la Kongreson, ke ĝi akceptu la rezolucion, t. e. eldono de sola gazeto internacia bone ŝatata, kaj rezigni je la propraj naciaj gazetoj.

S-ro Sevenhuijsen diras, ke en Nederlanda Gazeto Esp. havas konstantan rubrikon kaj rakontas kiel, per anonco, skribita en Esperanto ili varbis la policon, kiu deziris sekvi la enhavon de la aperantaj artikoloj, kaj fondis Esperantan kurson por la policanoj. Sekve de tio, ili sukcesis havigi la permezon por instruado de Esperanto en la lernejoj.

S-ro Grenkamp diras, ke la propono de la Finnlanda Asocio estas tre bela kaj ideala. Ni ne estas ĉiuj tiel samaj ke ni povu kuniĝi. La sama politika partio en la sama Ŝtato havas diversajn gazetojn. Laŭ li estas do tute domaĝe priparoli tiun aferon, nur la redaktantoj kaj eldonantoj povas ĝin prilabori. Neniu povas malhelpi, ke iu Esperantisto eldonu gazeton, se tio plaĉas al li.

S-ro Ketterling diras, ke Esperantistoj ŝuldas iom eĉ multon al ĉiuj gazeteldonantoj, kaj ke ili devus esti dankaj al ili. Antaŭ la milito ekzistis multe pli da gazetoj ol nun, venos do eble la tempo, kiam estos ankoraŭ malpli. Oni eble povas simple instigi la eldonantojn, ke ili kuniĝu.

S-ro Warden klarigas pri la deficito de la British Esperantist. Li diras, ke tiu deficito devenas de tio, ke la brita Asocio sendas la gazeton, kiel propagandon senpage al ĉiuj anoj de B. E. A., kaj oni devas enkalkuli al la abonoj la kotizojn de la anoj. Oni ne povas bazi opiniojn sur la kontoj de la Brita Asocio. Tiu afero ne

apartenas al la kompetenteco de tiu ĉi Kongreso. La naciaj gazetoj donas faktojn utiligeblajn por la propagando enlanda.

D-ro Privat opinias, ke la propono de S-ro Setälä estas tre akceptinda, ke efektive ekzistos ĉiam pli grandaj nacioj, kiuj volos havi siajn proprajn grandajn naciajn gazetojn, kiel la anglalingvanoj, la franc- kaj la germanlingvanoj, sed ke eble ne estas necese, ke aperu folieto por ĉiu lingvo. La propono estas tre studinda. Oni eble povus konsili al la Esperantistoj, ke ili kiel eble plej ne multigu la eldonon de la gazetoj kaj preferu fakajn organojn al naciaj.

La Prez. resumas la diritajn opiniojn. Certe estas multaj gazetoj; sed egale certe estas malfacile ordigi la aferon, malpermesi al iu nacio eldoni gazeton. Deziresprimo de la Kongreso povas tamen iel influi. Ofte la gazetoj estas eldonataj de novaj kaj entuziasmaj Esperantistoj, sed oni devas pripensi, ke simpla entuziasmo ne sufiĉas por vivigi gazeton. Li legas rezolucion proponatan de S-ino Cense.

La rezolucio de S-ino Cense estas bona. Ni ekzemple havas en Ĉeĥoslovakujo propagandan gazeton „Esperantsky Zpravodaj", kiu aperas en ĉeĥa lingvo kaj kiu faris bonan propagandon, de kiam ĝi eliris. Ĝi donas bonajn informojn kaj ne havas deficiton.

S-ro Setälä diras, ke la propono de S-ro Privat estas pli kontentiga.

S-ro Privat opinias, ke la Kongreso kontentiĝu per protokolado de utilaj konsiloj kaj ne akceptu iun ajn rezolucion.

S-ro Leo Belmont opinias, ke la ideo estas tre brila; ĉar la Esperantistoj estas unu popolo kaj povas havi unu gazeton, sed oni devas zorgi pri la fakaj. Li petas, ke oni rekomendu en la rezolucio la fakajn gazetojn.

S-ino Cense ne komprenas, ke oni povas konsenti al kelkaj grandaj nacioj la rajton havi siajn proprajn organojn, kaj demandas kiamaniere oni distingos la grandajn de la malgrandaj nacioj. Ĉu plaĉos al la italoj aŭ hispanoj esti konsiderataj kiel malgrandaj nacioj. Ni ĉiam insistas pri la plena sendependeco de la Naciaj societoj, kaj ni neniel havas rajton trudi al ili iujn devojn, kiujn ili konsiderus kontraŭ sia nacia propaganda devo. Ĉiu estas libera eldoni sian organon, kaj ni neniel rajtas malpermesi al ili, eĉ kiam ili aperigas du gazetojn, kiam apenaŭ unu povas vivi. Oni povas voĉdoni pri rezolucio, kiu konsilas ne eldoni nebezonajn gazetojn.

S-ro Stettler konsideras tre subteninda, ne la proponon, sed la ideon de Setälä, tio estas iomete afero de komerco kaj kapitalo, kaj oni starigas konkurencon. Ni ne ordonu ion ĉi tie al iu societo. Li proponas korekton por la rezolucio de S-ino Cense.

S-ro Privat rezignas sian proponon kaj aliĝas al tiu de S-ro Stettler.

S-ro Robertson diras, ke li povas akcepti la proponon de rezolucio, sed ke oni rekomendu tion poste al la Universala Ligo de Esperantistoj.

S-ino Cense volonte akceptas la korekton al rezolucio de S-ro Stettler, kiu estas tute laŭ la sama ideo kiel ŝia se ĝi ne estas laŭvorte la same.

S-ro Prez. legas ankoraŭ unufoje la rezolucion, kiu estas akceptita.

*(Notoj de S-ino Cense.)*

## ESPERANTO ĈE LA LIGO DE NACIOJ

**En sia ĝenerala kunsido, 15 septembro, la Ligo de Nacioj decidis, laŭ propono de delegitoj el 13 ŝtatoj, enskribi sur la tagordon de la proksima Kunsido en 1922 la temon pri instruado de Esperanto en publikaj lernejoj kaj komisii la ĝeneralan sekretariaron prepari dumĝise plenan kaj dokumentan raporton pri la tuta afero kaj speciale pri la faktaj spertoj kaj rezultatoj jam atingitaj.**

**La tuta Esperantistaro ĝojos pri tiu bela rezultato de longaj klopodoj kaj komprenos la devon energie labori nun por prepari sukcesan voĉdonon venontan jaron. Antaŭen senlace kaj serioze!**

# Protokolo de la Sepa Kongreso de UEA

*Praha 31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921*

### Unua laborkunveno

*Lundo 1 aŭgusto je la 9-a matene en Žofin.*

Prezidas: S-ro *Ed. Stettler*, Prezidanto de UEA.

Apudsidas sur la estrado D-ro *Edm. Privat*, vic-prezidanto; *H. Jakob*, ĝen. sekretario; S-ino *Blicher*, S-roj *Blaise, Hromada*, D-ro *Metzger, Page, Rockmann, Setälä*, Komitatanoj, kaj S-ro *H. Sappl* kiel protokolisto

*Tagordo: Raporto pri la agado de UEA dum 1920*

S-ro *Ed. Stettler* malfermas la unuan laboran kunvenon, dankante, pro la intereso kiun renkontas nia laboro ĉe la Esperantista publiko. Mallonge traktinte la tagordon per ĝeneralaj paroloj li memorigas pri la gravaj organizaj laboroj de la pasinta jaro — nova statuto, nova estraro — respondantaj al la ŝanĝitaj cirkonstancoj. Finante li honoras la memoron pri membroj, delegitoj kaj komitatanoj mortintaj dum la pasinta jaro; li petas leviĝi je ilia honoro.

S-ro *H. Jakob*, Ĝenerala Sekretario de UEA raportas pri la agado de UEA. Petinte malfermi la „Oficialan Dokumentaron", li informas pri la ĉefaj punktoj, donante kelkajn detalojn pri la komplika kaj malfacila situacio de la C. O. Li atentigas, ke la kaŭzoj de tiuj malhelpoj estas bazitaj sur cirkonstancoj eksteraj, kiujn ni ne povas ŝanĝi. Fininte sian raporton li rimarkas, ke la venonta jaro esperigas pli rapidan funkciadon de la C. O.; li petas senŝarĝigi la administradon, evitante nenecesajn demandojn, kies respondo estas trovebla en la statutoj aŭ en la administra regularo. Li dankas al ĉiuj Delegitoj. kiuj per klare redaktitaj leteroj kaj negocoj bonvolis helpi lin kaj speciale dankas S-rojn Balkány (Budapest), Cseh (peranto por Rumanio), Epton (London), Kavan (peranto por Ĉeĥoslovakio), Kreuz (Frankfurt a. M.), Minkov (Sofia), Poncet (Lyon) por ilia efika kunhelpo, notinde senŝarĝinte la Centran Oficejon.

S-ro *Mahn* (Berlin) demandis pri la translokiĝo kaj ĉu la procedo pri heredaĵo ankoraŭ ŝvebas. Respondis al li S-ro *Stettler*, informante ke tio nun reguliĝis, mallonge post presado de la Kongresa Dokumentaro.

S-ro *Poncet* (Lyon), petis la parolon pri Delegitoj. Li postulas, ke ĉiu Del. estu Membro-Abonanto t. e., ke li nepre legu la oficialan gazeton „Esperanto" atentigante, ke nur tiu Del. povas bone labori, kiu estas daŭre informata pri la laboroj de la Asocio.

S-ro *Rogler* (Graz) opinias, ke tio certe ne estas ĉiam ebla.

S-ro *Stettler* respondante esprimis la deziron ke ĉiu Delegito estu abonanto de la oficiala gazeto; sed li mem opinias ke devigo absoluta ne estas ebla. Ĝi estas morala devo.

S-ro *Allende* (Bilbao) rimarkas, ke multaj Del. ne konsentus se oni *devigus* ilin al abono de la gazeto.

S-ro *Hirst* (Huddersfield) deziras, ke al novaj abonantoj oni sendu la gazeton unuope post apero kaj ne plurajn numerojn kune.

S-ro *Jakob* klarigas tiun procedon, kaŭzitan pro amasiĝo de multaj aliĝoj dum la plej varmaj monatoj ĉe la C. O., decembro kaj januaro.

Pri punkto „Servoj" la Ĝen. Sekretario tuŝis la mankon de respondkuponoj en diversaj landoj. Petis la parolon

S-ro *Page* (Edinburgh), atentigante je tiu problemo.

S-ro *Poncet* (Lyon) klarigas, ke unu respondkupono ne plu sufiĉas, sekve de la altigo de afranko. Ofte ankaŭ oni petas servojn, kiuj postulas specialan klopodon, je kiu sola respondkupono ne sufiĉas. Li rekomendas kaj petas, ke oni sendu kun ĉiu informpeto sufiĉan afrankon.

S-ro *Jakob* informas pri la klopodoj jam faritaj por faciligi la servon de informpetoj. Li rimarkigas, ke ĉiuj studoj ĉiam estis senfruktaj pro la malhelpo, kiun prezentas la kurza diferenco. Ekzemple letero el Svislando kostas 40 centimojn svisajn, dume la sama letero

el Aŭstrio kostas 10 Kronojn, kio estas apenaŭ unu centimo svisa; el Germanio letero de 20 gramoj 1,20 Mk. t. e. cirkaŭ 10 centimoj. Li proponas, ke la informpetintoj aldonu malgrandan monbileton aŭ naciajn poŝtmarkojn, sed nepre puraj kaj bonstataj. Alia rimedo nuntempe ne ekzistas.

S-ro *Kreuz* (Frankfurt a. Main), rimarkigas, ke el Germanio monsendo en letero estas malpermesata. Li rekomendas, ke la Delegitoj kolektu la dumjare ricevatajn respondkuponojn kaj ilin sendu al la Centra Oficejo por kreditigo.

S-ro *Setälä* (Alberga, Finnlando) proponas la aĉeton de poŝtmarkoj de la koncerna lando ĉe grandaj bankoj.

S-ro *Ketterling* (Danzig) rememorigas pri la ekzisto de internaciaj respondkartoj, rekomendante ilian uzon por simplaj informpetoj anstataŭ longa letero.

S-ro *Page* (Edinburgh) instigas starigon de malgranda komisiono por studi tiun problemon.

S-ro *Jakob* petas, ke oni ne perdu valoran tempon per afero, kiun ni ne sukcesas solvi per niaj malfortaj rimedoj kaj rekomendas uzi lian proponon. Pri punkto „Jarlibro" petis la parolon.

S-ro *Cseh* (Cluj-Kolozsvar) deziras, ke la novaj membroj ricevu kiel eble plej baldaŭ jarlibron kaj membrokarton.

S-ro *Poncet* (Lyon) avertas pri la malbona efiko rezultanta el la prokrasto de la Jarlibro; li postulas aperon komence de printempo kiel antaŭ la milito.

S-ro *Jakob* responde klarigas la kialon de tiaj prokrastoj; ĉar supozeble ne ripetiĝas similaj cirkonstancoj kiel 1920-1921, ekzemple translokiĝo, malsaniĝo kaj aliaj, la apero de jarlibro 1922 certe estos pli frua, kion cetere deziras ankaŭ la laborantoj en la Centra Oficejo.

S-ro *Kauffmann* (Heidelberg) proponas pliriĉigon de la jarlibro per landkarto kaj la uzon de koloraj paĝoj por la parto „Adresaro de Delegitoj"; krom tio rezervajn paĝojn por aldono de korektoj kaj ŝanĝoj. Tiuj rezervaj paĝoj troviĝu ĉiam unu post teksta paĝo.

S-ro *Poncet* (Lyon) deziras, ke post nomo de Del. aperu lia numero de telefono kaj poŝtĉekkonto. Konsilas aldoni al nomoj de urboj la nombron de membroj de UEA kaj de loĝantoj.

S-ro *Stettler* respondas dirante, ke la pliriĉigo de la jarlibro dependas de la rimedoj disponeblaj. Pri telefono kaj poŝtĉekkonto oni lasu tion al la deziro de la koncernaj Delegitoj; nombro de loĝantoj apud la nomo de loko plejeble reaperos en 1922-a eldono.

S-ro *Cseh* (Cluj) atentigas pri kelkaj preseraroj en la Jarlibro 1914.

S-ro *Poncet* (Lyon), parolante pri „Servoj" protestas forte pri la misuzo de la helpemo per la ŝajne neforigeblaj petoj pri interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj; precipe li petas la ĉeĥajn samideanojn ne trouzi tion kaj per ĝi seniluziigi agemajn personojn. Resume, oni ne sendu poŝtmarkojn al personoj, de kiuj oni ne havas peton; ne ĉiuj Delegitoj estas kolektantoj. Li atentigas, ke li ne respondas al tiaj demandoj, se ne estas kunsendata la necesa afranko. Plie li kritikas la presigon de adresoj en la Bohema Adresaro (B.E.S. Adresaro).

S-ro *Grenkamp* (Jaslo) plendas pri sistema nerespondado de certaj kolektantoj kaj instigas starigon de nigra listo en „Esperanto".

S-ro *Jakob* redirus, ke tia listo estas danĝera fonto de malpacaĵoj kaj malutilus al la gazeto. Rekonante la pravecon de multaj plendoj pri neakurataj personoj li tamen ne volas, ke la C. O. fariĝu kvazaŭ policejo. Plie, la administra laboro estus tro kosta kaj ne respondus al la efiko.

S-ro *Grenkamp* (Jaslo) opinias, ke tia listo alportus nur bonon. Atendinte sufiĉan tempon oni publikigu la nomon de la kulpigito en la nigra listo.

S-ro *Setälä* (Alberga) sciigas je tiu-ĉi punkto, ke finnlanda firmo ricevis sekve de anonco en „Esperanto Finnlanda" amason da korespondaĵoj kun poŝtmarkoj, plejmulte malbonstataj kaj senvaloraj.

D-ro *Privat* konsilas eventualan publikan admonon eĉ kun nomoj, sed ĝentilan, ne sub formo de nigra listo, kontraŭa al la spirito de Esperantismo.

S-ro *Stettler* resumante la diversajn opiniojn petas ne decidi por starigo de nigra listo.

S-ro *Grenkamp* konsentas, petante la redaktejon de Esperanto daŭre admoni la anoncantojn pri ilia devo kiel ĝis nun.

S-ro *Stettler*, demandas laŭ kiuj principoj estas kunmetata la adresaro de Bohema Esperanto Servo.

S-ro *Poncet* ree plendas pri ĝi kaj petas ĝian malpermeson aŭ ke UEA agu kontraŭ ĝi.

S-ro *Kreuz* (Frankfurt a. M.) insistas, ke al firmoj kaj gravaj entreprenoj oni ne skribu per ilustritaj poŝtkartoj. Li mem konstatis ĉe la foiroficejo kiel malbone impresas tio kaj kiel ĝi povus kaŭzi nefavoran konsideron de nia movado ĉe eksteruloj.

S-ro *Sós* (Wien), subtenante antaŭajn kritikojn, instigas, ke kursgvidantoj ne prezentu nian lingvon kaj organizon kiel nuran ilon por interŝanĝo de poŝtmarkoj.

S-ro *Stettler* deziras, ke la Del. kolektu la spertojn akiritajn; oni ilin publikigos en la oficiala gazeto.

*Pri punkto „Oficiala gazeto"*

S-ro *Degen* (Leipzig) plendas pri neapero de alvoko rilate pedagogiaj demandoj.

D-ro *Privat* informas, ke la redaktejo ne plu povas aperigi privatajn alvokojn. Pro manko de loko li devas limigi tiajn petojn pri publikigo je informoj valoraj por ĉiuj, ekzemple oficialaj informoj pri gravaj fakoj, teknikaj vortaroj k. t. p. Li aludas pri la malbona verkado de multaj al li sendataj manuskriptoj, kies korekto forprenas valoran tempon. Parolante pri la manko de originalaj verkaĵoj, li atentigas pri la konkurso de la gazeto, sed bedaŭras, ke nur malmultaj sendaĵoj alvenis. Ĝenerale la nombro da vere presindaj Esperantaj verkaĵoj estas malgranda. Per humorplenaj vortoj li skizas la daŭran batalon por spaco kun la redaktanto de la anoncoj kaj klarigas kiel okazas, ke anoncoj lastmomente devas esti forigataj.

S-ro *Allende* (Bilbao) rekomendas inviti konatajn Esperantistojn je kunlaboro senpaga.

D-ro *Privat* respondas, ke volonte li tion faros kaj insiste petas ne superŝuti redaktejon per troaj alvokoj aŭ senutilaj artikoloj pri „Neceseco de mondlingvo" aŭ „Utileco de Esperanto", pri kiuj ĉiuj legantoj estas jam konvinkitaj.

S-ro *Sevenhuijsen* (Nederlando) rekomendas la starigon de pedagogia fako en „Esperanto".

S-ro *Schön* (Hamburg) petas ankaŭ akcepti artikolojn pri la bontemplanoj, akcentante la internacian karakteron de tiu-ĉi movado.

D-ro *Privat* klarigas, ke principe tiaj artikoloj pri movadoj havantaj homaran celon estas akceptataj sub kondiĉo de spaco; ia prefero ne ekzistas. Li instigas alsendon de mallongaj informoj uzeblaj en la parto „Notoj". Eĉ pri novaj religioj oni rajtas verki, sed kondiĉe, ke la informo estu nur pozitiva, neniel ataka kontraŭ aliaj.

S-ro *Wüster* (Berlin) esprimas la deziron, ke aperu en „Esperanto" terminaroj teknikaj kaj fakaj.

D-ro *Privat* promesas aperigon de terminaroj, ne kiel tedaj listoj, sed sub formo de artikoloj mallongaj, klaraj kaj precizaj pri temo enhavanta la teknikajn vortojn.

S-ro *Stettler* komunikas, ke pro la malfrua horo konsilinde estos daŭrigi en la dua laborkunveno; krom tio li konigas la decidon de la Komitato, nomi kiel honorajn membrojn: S-inon Klara Zamenhof, edzino de nia majstro, ĉeestanta la kunvenon; S-rojn A. Carles, P. Blaise kaj F. Rockmann, komitatanoj de UEA. S-ro Stettler montras kian dankon ni ŝuldas al la vidvino de D-ro Zamenhof kaj varme salutas S-inon Zamenhof. S-ro A. Carles estas la sola ano de la Komitato, kiu partoprenis la fondon de UEA. S-roj Blaise kaj Rockmann ambaŭ multe servis kaj helpis la disvastigon de UEA en siaj landoj.

La ĉeestantoj entuziasme aplaŭdas, kaj S-ro Stettler fermas la kunvenon je tagmezo.

### Dua laborkunveno

*Merkredo 3 aŭgusto je la 3a posttagmeze en Kongresejo sur insulo Žofin*

Prezidas: S-ro *Ed. Stettler*

*Tagordo: Daŭrigo de l' raporto 1920; Bilanco 1920*

La Prezidanto konigas diversajn informojn kaj petas D-ron Privat doni kelkajn konsilojn rilate je internacia propagando.

*D-ro Privat*, atentigas, ke ne ĉiam estas eble raporti publike pri intencata grava propagando. Li rememorigas, ke la kontraŭuloj, vidante ian sukceson de niaj klopodoj precipe ĉe internaciaj organizaĵoj tuj klopodas malhelpi nian laboron. Precipe li rekomendas esti singardemaj pri malprudenta konigo de atendota sukceso ĉe ŝtataj estraroj, lernejoj k. t. p. La komunikon al la gazetaro pri atingitaj sukcesoj oni faru plejeble per helpo de Telegrafa agentejo, kaj oni silentu pri la atingotaj. Ni ne vendu la ursan felon, dum la urso kuras ankoraŭ.

S-ro *Legrand*, el Montevideo, petas la parolon por sciigi, ke, obeante la saĝajn konsilojn de UEA, la „Esp. Grupo Montevideo" decidis kaj efektivigis jenajn rezoluciojn:

1e Sendi, pere de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj, varman gratulesprimon al la delegitoj, kiuj proponis enketon pri Esperanto, kaj al anoj de la Teknika Komisiono N-ro 2, kiu favore akceptis la proponon;

2e skribi al Ĉefdelegito de Urugvajo, sendinto de la Respubliko en Parizo, leteron rekomendante la gravan aferon de lingvo internacia;

3e publikigi en urba gazeto la decidon de la Komerca Ĉambro de Parizo, kaj ĝin transkribi al direktoro de la Supera Komerca Lernejo, aldonante ĉiujn konsiderojn favorajn al la afero, kaj petante, ke estu starigita kurson ne deviga de Esperanto.

Pri la paragrafo 2a S-ro Legrand alportas la deklaron de l' Ĉefdelegito, D-ro Josan C. Blanko, ke ĉe la proksima kunveno de la Ligo, li voĉdonos favore, se la afero de Esp. estos denove pritraktata. Pri la paragrafo 3a la parolanto foriris el Montevideo antaŭ estu diskutita la proponon ĉe la Konsilantaro de la S. K. Lernejo, sed ĝia Direktoro donis al li preskaŭ certecon pri favora rezolucio. Rilate la Ruĝa-Kruco, S-ro Legrand ankoraŭ nenion povas komuniki, sed la interrilato kun la loka komitato de la R. K. estos facila afero, ĉar la filo de ĝia Prezidantino estas ano de la Esp. Grupo.

S-roj *Setälä, Metzger* kaj *Allende* gratulas UEA pri la rezultatoj ĉe gravaj internaciaj organizaĵoj.

S-ro *Stettler* resumas la opiniojn, esprimante varman dankon al D-ro Privat, kiu iniciatis tiun diplomatan fakon kaj ĝin sukcesigis per multa sindona laboro.

En tiu momento eniras la ĉambron la ĵus alvenintaj oficialaj delegitoj: Ligo de Nacioj: D-ro Nitobé, F-ino Stafford, S-ro Fuĵisaŭa. Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco: S-ro Rodolphe Horner; Internacia Labor-oficejo: S-ro André Blumel.

La Prezidanto ilin salutas en la nomo de UEA.

S-ro *Rodolphe Horner*, reprezentanto de Internacia Ruĝa-Kruco, dankas per esperanta parolado.

### Parolado de S-ro Horner

Honorinda Sinjoro Prezidanto,
Estimataj Sinjorinoj kaj Sinjoroj,

Mi havas la grandan honoron saluti vin en la nomo de la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco en Ĝenevo.

La Komitato danke ricevis la afablan inviton de la Universala Esperanto-Asocio kaj sendis min por esprimi al vi ĝian simpation kaj ĝiajn bondezirojn.

Mi venis speciale al via grandega Universala Kongreso en tiu ĉi palaca urbo, ĉar la deka internacia Konferenco de la Ruĝa-Kruco, kiu okazis en Ĝenevo de la 30 marto ĝis la 7 aprilo 1921, aprobis la jenan gravan decidon:

„Konsiderante, ke la malfacileco de la lingvoj ĝenas aŭ malhelpas je multaj manieroj la efektivigadon de la internacia idealo de la Ruĝa-Kruco, ĉu en ĝia helpa laboro sur la kampoj de bataloj ĉu en la helpado por la militkaptitoj aŭ eĉ en la konferencoj de la Ruĝa-Kruco, la deka Konferenco proponas al ĉiuj organizoj de la Ruĝa-Kruco, ke ili rekomendu la lernadon de la helplingvo Esperanto al iliaj anoj, speciale en la grupoj de la gejunuloj, ĉar la helplingvo estus unu el la plej potencaj helpiloj por la interkompreniĝo kaj kunlaborado en la teritorio de la agado de la Ruĝa-Kruco."

Ni do deziras lerni de vi en tiu ĉi fako, kaj ni esperas, ke la klopodoj de ĉiuj homoj de bona volo ne estos vanaj!

Ni estas tre feliĉaj scii, ke la Esperantistoj ne havas nur vortaron, sed ke ili havas ankaŭ altan celon kaj humanajn sentojn.

La movado de la Ruĝa-Kruco naskiĝis en la koro de Henri Dunant, kiu skribis la faman libron „Souvenirs de Solferino". Liaj amikoj Gustave Moynier kaj Generalo Dufour kunlaboris kun li post la kono de la kortuŝantaj suferoj de la vunditaj soldatoj, lasitaj en mizero sur la kampo de la batalo de Solferino, la 24 junio 1859.

Via D-ro Zamenhof klopodis ankaŭ per amo krei lingvon, per kiu la homoj de malsamaj nacioj kaj rasoj povus kompreni kaj respekti unuj la aliajn.

Ni feliĉe konstatas, ke la direktoroj de la Esperantismo okupas altan vidpunkton; ĉar ili invitis ankaŭ riprezentantojn de aliaj gravaj internaciaj organismoj: la Ligon de Nacioj kaj la Internacian Laboran Oficejon.

Estas kompreneble, ke viaj estroj sincere deziras, ke niaj ideoj kaj idealoj iĝos viaj ideoj kaj idealoj, vere demokrate kaj homare. Tial mi plezure prezentas al vi malgrandan historion kaj raporton pri la Internacia Ruĝa-Kruco.

Kvankam la unua Komitato estis fondita en Ĝenevo, ĝiaj kreintoj ĉiam konsideris kaj nomis la movadon internacian movadon; ĝia forto, ĝia celo, ĝia beleco ĉiam estis malegoismo!

La devizo: „Inter arma caritas", Esperante „Inter armiloj bonfarado", klare malkaŝas la esencan karakteron de la laboro kaj de la laborantoj.

Kiu povas denombri la fakojn de la grandega, bonfaranta organizo de la Ruĝa-Kruco dum la mondmilito? — Kiom da milionoj de vunditoj, militkaptitoj, transportitoj, malaperintoj estis flegataj, vizitataj, nutrataj, serĉataj kaj konsolataj per la flegistoj kaj flegistinoj, kiuj laboris tage kaj nokte, en varma kaj malvarma vetero, en vastaj hospitaloj aŭ en malgrandaj ambulancoj! — Multaj protestoj eliris el la centra oficejo de Ĝenevo por protesti kontraŭ la malrespekto de la reguloj de la interkonsento de Hago, la transpaŝoj kaj la trouzoj, kiuj okazis sur la tero, sur la akvo kaj en la aero.

Jam en la monato aŭgusto 1914, la Internacia Komitato kreis specialan agentejon por helpi la militkaptitojn, kies nombro estis 6 milionoj en Germanio, Francio, Rusio, Italio, Aŭstrio, Bulgario, k. t. p.

La grandaj fakoj de tiu ĉi servo estis: 1e informoj; 2e transigo de korespondo, paketoj (manĝaĵoj aŭ vestoj) kaj mono; 3e intermeto por plibonigi la situacion aŭ la staton de la militkaptitoj; 4e diplomata aŭ rekta agado kaj klopodo por sendi la militkaptitojn hejmen.

La centra oficejo en Ĝenevo ricevis pli ol 3,300,000 demandojn pri militkaptitoj kaj vunditoj el la landoj de la aliancanoj kaj pli ol 600,000 demandojn el la landoj de la centraj potencoj.

La poŝta servo alportis meze en ĉiu tago 2000 ĝis 3000 paketojn kun leteroj, poŝtkartoj, k. t. p. Tio krom multaj miloj da paketoj kun manĝajoj kaj vestoj. Dum la milito la speciala kasisto transsendis pli ol 18,000,000 frankojn svisa valoro.

La Internacia Komitato sendis multajn delegitojn por viziti la tendarojn de la militkaptitoj kaj helpis la suferantojn je mil manieroj. Ĝi faris superhomajn klopodojn por sendi al iliaj hejmoj la patrojn, fratojn kaj edzojn, kiujn la terura milito tenis dum tri, kvar aŭ kvin jaroj en alilanda kaptiteco.

En la tempo de la plej nigra mallumo de la mondmilito la Ruĝa-Kruco brilis senĉese, ne kiel la malproksimaj astroj en la nebulaj aeroj, sed tre proksime sur nia sangplena tero, kie la koro povis senti la pulsbaton de la alia koro.

En la nomo de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco mi salutas la Verdan Stelon!

*D-ro Privat* proponas sendon de telegramo al Prezidanto de la Ruĝa-Kruco. Aplaŭde akceptita.

S-ro *André Blumel* salutas france je nomo de la Internacia Labor-oficejo.

*D-ro Privat* tradukas kaj respondas al demandoj de diversaj ĉeestantoj pri la celo kaj organizo de Internacia Laboroficejo, kies direktoro ĵus decidis presigi diversajn dokumentojn en nia lingvo. Telegramo al li estas ankaŭ aplaŭde decidita. Esperantaj gazetoj estas petataj sendi regule ekzemplerojn al Ligo de Nacioj. (Adreso: Société des Nations, Genève) kaj al la Laboroficejo (Bureau International du Travail), por montri la disvastigon de nia movado.

Poste la Prezidanto konigas telegramojn de la fama usona partiestro Parley Parker Christensen kaj de la „Makedona Komisiono ĉe la oficejo de popolrajto" en Genève, informanta ke ĝi dezirus esperanton kiel oficialan neŭtralan lingvon de proponata nova regno Makedonio.

Antaŭ transiri al la tagordo, S-ro Inĝeniero *Berger* el Moravany, klarigas la celon de la Bohema Esperanto Servo Adresaro de li eldonita.

S-ro *Stettler* parolas pri la financa stato de UEA, klarigante la bilancon de la jaro 1920. (Oficiala Dokumentaro paĝo 19-27.) Depost ekzisto de UEA ĝi neniam havis tian deficiton, kiu atingis 22 289,30 sv. frk. Post la unua financa reformo 1912-1913 UEA eniris sanan staton, kio vidiĝis el la bilanco de 1914 kiu egaliĝis sen deficito. La milito forigis ĉiun esperon je daŭrigo simila. Dum la kvar jaroj de militado ni povis labori sen granda perdo, okupante nur tri kaj fine unu oficiston. La tagoj post la batalĉeso devigis nin dungi pliajn oficistojn; la repreno de la movado nepre postulis tion. Translokiĝinte en Bern ni povis labori kun relative malaltaj elspezoj. La perdo de H. Hodler vidiĝas el la bilanco. Ni ne forgesu, ke krom ekstreme laborkapablan oficiston, kiu ne ĝenis fari eĉ la plej

tedajn administrajojn, ni perdis en li *malavaran donacinton*, kiu, okaze de deficito de la gazeto „Esperanto", havis krom larĝa koro larĝe malfermitan monujon. Nun kiam la gazeto „Esperanto" apartenas al UEA ni devas porti ankaŭ eventualajn perdojn. — Pri la kaŭzoj de tia granda deficito S-ro Stettler transdonis la parolon al la ĝenerala sekrekario.

S-ro *Jakob* klarigas la efikon de la nuna monŝanĝa ĥaoso. Ne dezirante forigi grandan parton de niaj membroj ni devis starigi favorajn kurzojn por ²/₃ de niaj membroj. Tio efikas, ke anstataŭ ricevi por simpla membro 4. 50 frk. ni ricevas nur 3. 34, por membro-abonanto 11. 25 ni ricevas nur 6. 95 kaj membro-subtenanto de 22. 50 frk. nur 18. 55. La altigo de salajroj konforme al la nuna kareco de l' vivo influis grave la financojn. Ĉiuj ĝis nun donitaj konsiloj montriĝis netaŭgaj, kaj li petas, ke oni diskutu pri tio.

S-ro *Stettler* klarigante iajn punktojn petas akcepti la bilancon de 1920.

S-ro *von Frenkell* (Dresden) proponas akcepti la bilancon kun danko al la estraro de UEA. Ĉar neniu kontraŭstaras, la bilanco estas akceptita, kaj oni eniras en la diskuton pri la estonta financa agado.

S-ro *Stettler* konigas proponon de S-ro Applebaum (Liverpool) dezirante enkonduki novan sistemon de membroj sen ricevo de jarlibro. Tio estus precipe por landoj kun plej malsana valuto kiel Aŭstrio kaj Pollando. El tiuj landoj ni ekzemple ricevas por simpla membro, kies kotizo estas frk. 4.50 malpli la procentaĵo de l' Delegito nur *0,15 frk.*, kio eĉ ne pagas la poŝtelspezon. Tia malfavora pago influas multe ĉe 300-400 similaj pagoj; ni ne malatentu, ke la jam malaltaj pagoj de aliaj landoj ankoraŭ malfavoriĝas pli, per tiuj. Krom tiu rimedo, kiu nur parte salvas la demandon, ni nepre devas altigi la *naciajn* favorprezojn.

S-ro *Sappl* (Graz) opinias, ke ne estus bone enkonduki novan kategorion de membroj. Por membro, kiu pagas kotizon la ricevo de l' jarlibro kaj membrokarto estas komprenebla.

S-ro *Grenkamp* (Jaslo) subtenas tion proponante altigon de la ĝisnunaj prezoj je 10 aŭ 20 % laŭ bezono.

S-ro *Jakob* klarigas laŭ la statistiko de la membroj (paĝo 10 de la Oficiala Dokumentaro) la enspezojn el ĉiu lando. Unuavice marŝas Britlando kun 677 membroj ĉiuj kategorioj kune. Pro la relative favora monkurzo la britaj membroj formas kvazaŭ la dorson de UEA per la nombro kaj la enspezoj. Ni tion dankas al la alta kompreno en tiu ĉi lando pri la rolo de UEA kaj estas nia devo memorigi tion. Laŭregulan enspezon ni havas nur el sekvantaj landoj: Britlando, Danio, Nederlando, Svedio, kaj Svislando. Kun la ekstereŭropaj membroj ni atingas poksimume la trionon de ĉiuj. Do, el 100 membroj nur 30 aŭ 35 pagas laŭregule. La aliaj povas esti dividataj en tri klasoj: 1-a klaso, kiuj pagas 25 ĝis 35 % malpli ol la oficiala prezo: Belgio, Francio, Hispano, Norvegio. 2-a klaso kiuj pagas 35—75 % malpli ol la oficiala prezo: Baltikaj landoj, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Germanio, Rumanio. 3-a klaso, kies pagoj prezentas nuran teoriaĵon: Aŭstrio, Hungario, Jugoslavio kaj Polio.

La malfacileco konsistas en la fakto, ke eĉ la plej malbona mono posedas enlande pli grandan aĉetpovon ol eksterlande. Altigante tiam aŭ pli korekte esprimata, postulante pagon laŭ la oficiala prezo ni riskas tre gravan perdon de membroj. Kiel ĉie, ankaŭ tie-ĉi la meza vojo ŝajnas esti la plej bona. Apliki la devigon pagi la oficialan prezon al tiuj landoj kies monkurzo ne montras grandan diferencon ĝis eble 25 % de la antaŭa valoro. Altigi proporcie la naciajn favorprezojn de la klaso 2 kaj 3. Tiuj proponoj ja ne solvas la problemon entute. Ni klopodas malaltigi la koston de administrado ĉie kie tio estas ebla.

F-ino *Henriette Meyer* (Paris) pledas, ke ni batalu kontraŭ la militarismo. Ni devas labori por malebligi la militon.

La prezidanto atentigas, ke ni momente traktas pri la financoj de UEA kaj petas reveni al la diskuto.

S-ro *Kavan* (Pizeŭ) proponas, ke ĉiu membro pagu unu svisan frankon plie; ni devas ŝpari kaj eĉ forlasi la eldonon de jarlibro.

S-ro *Setälä* (Alberga) proponas, ke oni presu la gazeton en Finnlando. Li garantius regulan aperadon kaj forsendon. Konsilinde estas ankaŭ havigi multajn reklamojn por altigi la enspezojn.

S-ro *Horn* (Jägerndorf) subtenas la proponon pri kreo de membro-kategorio sen ricevo de Jarlibro.

S-ro *Tutsch* (Praha) opinias, ke la plialtigo ne savas nin. Unua devo estas: varbi pliajn membrojn.

S-ro *Alessio* (Padova) rekomendas la starigon de Akcia Societo. Ĝi entreprenu komercajn negocojn kaj per la profito oni helpu al la financoj de UEA.

S-ro *Sappl* (Graz) proponas sendi petleterojn al la naciaj organizaĵoj por ricevi monsubtenon. Studinde estus ankaŭ la malpligrandigo de la oficiala gazeto por ŝpari.

D-ro *Privat* rimarkigas, ke aliaj organizaĵoj postulas ankaŭ altan kotizon de siaj membroj. La Esperantistoj oferu iom pli por la internacia organizaĵo tiel, ke ĝi povu ekzisti kaj eĉ pli vaste labori.

S-ro *Stettler* atentigas, ke la nuna deficito ne estas forigebla sen radikala tranĉo. Oni ne forgesu, ke temas pri 20,000—25,000 *mankantaj* svisaj frankoj. Laŭ starigita buĝeto ni rajtas antaŭvidi ĉirkaŭ 40,000 frk. da enspezoj; la elspezoj laŭ nuna bazo atingas minimume 60,000 frk. Do diferenco de 20,000 frk. kies forigon ni devas serioze konsideri. La ĝisnuna diskuto ne montris alian vojon ol tiun de ni proponitan. Li mem trovas, ke nur la plialtigo de la naciaj favorprezoj povos iel helpi. La afero estas ekzamenota kaj la decido konigota en „Esperanto".

Li proponas, ke oni traktu la „Organizan demandon" en la tria laborkunveno. Oni akceptas tion, kaj S-ro Stettler fermas la duan laborkunvenon de UEA je la 6-a posttagmeze.

## Tria Laborkunsido de UEA

*Vendrede la 5 aŭgusto 1921, 9a matene, en Kongresejo sur Insulo Zofin*

Prezidas: S-ro *Ed. Stettler*

*Tagordo: Organiza demando (Internacia Organizo)*

La prezidanto malfermas la kunsidon kaj prezentas jenan tagordon:

1e Legado de la protokolo.
2e Komerca fako.
3e Esploro de la nova organizo.
4e Diversaj informoj.

Post la legado de la protokolo per la sekretario S-ro Sappl, S-ro *Unger* (Zürich) raportas pri la komercista kunveno, kiu estis tre bone vizitata. Li atentigas je la ekzistantaj komitatoj por komuna komerca lingvo kaj deziras, ke UEA fondu propran komercan fakon (subfako de UEA). Li ne deziras, ke propraj delegitoj estu starigataj — eble nur en la ĉefaj komercaj urboj oni povus starigi tiajn, kiuj devus esti pagataj por la faritaj servoj.

S-ro *de Villa* (Habana) deziras, ke la bonega Internacia Komerca Revuo pligrandiĝu. En sia lando malgrandaj gazetoj ne faras impreson. Plue li atentigas, ke oni ne forgesu la hispanan lingvon, kiu ludas precipe en la lasta tempo grandan rolon.

S-ro *Balkany* (Budapest) subtenas la proponon de S-ro Unger. Li ankaŭ deziras, ke la delegitoj estu pagataj por grandaj servoj aŭ oni sendu certan sumon por la elspezoj antaŭe.

S-ro *Stettler* atentigas je la jarlibro, kiu enhavas pri tio detalajn informojn. Li same informas pri la iama komercista bulteno, kiu ne plu povis aperi pro manko da mono. UEA estas tute neŭtrala organizo kaj ne povas okupi sin pri komercistaj aferoj. La eldonanto de I. K. R., kiu cetere trovis ĉies atenton, revivigis la komercistan Esp. movadon. UEA volonte helpas per kreo de komerca fako.

S-ro *Poncet* proponas uzi la vorton reprezentanto anstataŭ komerca delegito.

S-ino *Dœring* (Berlin) rekomendas sendi al ĉiuj komercaj asocioj flugfoliojn.

S-ro *Stettler* demandas, ĉu la Kongreso de UEA deziras la starigon de komerca fako. (Akceptita.)

S-ro *Poncet* proponas ankoraŭ detale studi la definitivan kreon.

S-ro *Stettler* rememorigas pri la ĝisnunaj klopodoj starigi unu solan Esperantistan organizon internacian unuigante la disajn fortojn de la tuta movado. La XIIa Kongreso en Hago voĉdonis rezolucion favore je kreo de tia organizo kaj starigis komisionon por studi la tutan problemon. La komisiono konsistas el du reprezentantoj de la Centra Oficejo en Paris, du de UEA kaj tri personoj elektitaj de la Kongreso en Hago. Partoprenas en tiu ĉi komisiono: S-ino Cense, S-ro Warden, S-roj Privat kaj Stettler, S-roj Arnhold, Page kaj Poncet. Kiel prezidanton oni elektis S-ron Page (Edinburgh). La komisiono kunvenis en Dresden antaŭ la nuna kongreso la 27, 28 kaj 29 aŭgusto kaj trovis bazon por konstrui la novan organizon. Li petas S-ron Page doni klarigojn pri tio kaj dankas lin pro la senpartia kaj sindona maniero, laŭ kiu li prezidas la komisionon.

S-ro *Page* (Edinburgh) preferas aŭskulti ol paroli. Li atente notos ĉiujn kritikojn aŭ deziresprimojn kaj klopodos ilin uzi por la kunverkado de detala statuto.

S-ro *Stettler*, antaŭ eniri la diskuton, proponas la jenan rezolucion:

„La sepa kongreso de UEA, aŭdinte la raporton de S-ro Page, prezidanto de la komisiono pri internacia organizo, dankas lin por la granda laboro, kiun li plenumis en la intereso de la tuta Esperantistaro. La kongreso esprimas la deziron:

*a)* ke la Komitato de UEA plie esploru tiun gravan temon kaj laŭ cirkonstancoj submetu pretan statuton de organizo al la voĉdonado de la Delegitoj;

*b)* ke la Komitato speciale atentu la jenajn punktojn:

(Sekvos laŭ la rekomendoj de la Kongreso.)

S-ro *Applebaum* (Liverpool) diras, ke ne nur Delegitoj sed ĉiuj anoj voĉdonu pri tio.

S-ro *Stettler* volonte konsentas, se la afero estas teknike ebla.

D-ro *Privat* opinias, ke la svisa leĝo eĉ devigus tion en okazo de ŝanĝo de la nomo de UEA. Tiam la Delegitoj kunvokus la lokajn anojn kaj sendus regulan protokolon pri ilia voĉdonkunsido.

S-ro *Setälä* (Helsinki) opinias, ke provizore oni povas akcepti la planon, kondiĉe ke UEA restu firme organizita kiel antaŭe. Ĝia nomo povus eĉ servi al la tuta projektita unuiĝo.

S-ro *Kreuz* (Frankfurt) deziras, ke oni nepre konservu la nomon de UEA, kiu jam estas tutmonde kaj simpatie disvastigata. Tio nur helpus fidon al la organizo.

S-ro *von Frenckell* (Dresden) subtenas tiun proponon konservi la nomon UEA kaj la sidejon en neŭtrala lando.

S-ro *Rockmann* (Magdeburg) opinias, ke oni ŝuldas al la memoro de S-ro Hodler konservi la centron de nia movado en Ĝenevo,

D-ro *Privat* dankas pri tiu sento. Mortinte S-ro Hodler postlasis deziresprimon, ke nia movado unuiĝu per oficejo en Ĝenevo. Honora prezidanteco estu proponata al Generalo Sébert, kiu tiom oferis por Esperanto.

S-ro *Kreuz* kritikas la planon, kiu donas al Parizo la gvidadon de propagando. Pli taŭga kaj pli sukcesa estas Ĝenevo ĉe gravaj internaciaj organizaĵoj.

S-ro *Frenckell* konsilas, ke oni propagandu el ambaŭ. Ni ne tro ŝarĝu la oficejon en Ĝenevo.

S-ro *Tanner* memorigas pri grandaj meritoj de Generalo Sébert kaj lia agado el Parizo.

D-ro *Privat* konsentas kaj opinias, ke al kelkaj lokoj estas pli facile turni sin el Parizo, ekzemple al Bruselo, kie Generalo Sébert tre influas. Al aliaj pli oportune estas paroli el neŭtrala loko kiel Ĝenevo. Ni ne kreu monopolojn, sed kunlaboron por atingi maksimuman efikon.

S-ro *Blaise* (London) demandas pri oficiala gazeto kaj jarlibro.

S-ro *Stettler* konsentas, ke oni devas daŭrigi eldonadon de „Esperanto" sub sama nomo kiel oficiala organo de la tuto kaj presigi regule la jarlibron kiel antaŭe.

S-ro *Applebaum* (Liverpool) proponas kunigon de jarlibro kun dokumentaro.

D-ro *Privat* ne ŝatas dikan poŝlibron. La jarlibro restu adresaro de Delegitoj. La gazeto enhavu resumon pri ĉio oficiala. La longaj raportoj estu aparte presitaj en la formato de la Pariza dokumentaro laŭ sinsekvo de ties numeroj.

La *Prezidanto* voĉdonigas pri la deziresprimo al la Komitato. Rekomendaro pri la diversaj punktoj estu poste redaktata laŭ la protokolo de tiu ĉi kunsido kaj servu kiel atentigoj al reprezentantoj de UEA ĉe la komisiono. (Akceptite.)

D-ro *Privat* esprimas la senton de la Kongreso, dirante al S-ro Stettler koran dankon, ne nur pro lia prezidado, sed ankaŭ pro lia senlaca laborado por sindone gvidi financojn kaj administradon de la Asocio firme kaj saĝe. (Aplaŭdoj.)

S-ro *Stettler* dankas afable kaj finfermas la Kongreson de UEA salutinte S-inon Zamenhof kaj dezirante al ĉiuj tutkoran ĝisrevidon.

Fino 12½ h.

La Ĝenerala Sekretario: *H. Jakob.* La Kongresa Protokolinto: *H. Sappl.*

---

## Blindula Koncerto kaj Kongreso

La kvara plezurvespero estis la koncerto de blinduloj. Tio estis vera kortuŝa spektaklo. La ŝarĝita programo estis perfekte plenumita per ĉiuj artistoj blinduloj. Verdire, ili ne ludis modernajn muzikaĵojn, sed tio, kion ili ludis, estis la pruvo de longa atenta ekzercado. Mirinde estas, kiamaniere la blinduloj kapablas sen vido de notoj tiel perfekte kaj harmonie plenumi muzikajn numerojn inter du, tri aŭ kvar kunludantoj. Sed kortuŝe estas vidi tiujn belaspektajn, junajn homojn, kiujn oni alkondukas per la brako al estrado, kaj post la fino de ĉiu numero de la programo oni rapidas ilin forkonduki de l' estrado. La bruemajn aplaŭdojn de la densa publiko ili plene meritis.

Sed ankoraŭ pli grave estis la Kongreso de 73 diverslandaj blinduloj Esperantistaj sub prezido de Prof. Cart en Praha Blindinstituto Klarov. Ĝin vizitis D-ro Nitobe kaj S-ro Blumel kun speciala intereso. Ĝiaj kunsidoj bonege sukcesis, kaj tie regis granda entuziasmo.

### Al Sinjoro Cart

*noblega Vidulo kaj Vidigulo*

*En nova lando — Esperanta,*
*Super la steloj pendiĝanta*
*Ne unu mir' fariĝis jam...*

*En ĝi ekzistas grandaj homoj,*
*Okazis multaj gloraj nomoj*
*Per la scienco kaj per am'...*

*Sed inter tiuj bonaj homoj,*
*Inter ĉi-tiuj gloraj nomoj*
*En nia Esperanta dom' —*

*Plej ŝarĝan prenis Vi laboron,*
*Kaj plej ektuŝas mian koron,*
*Ho, mira homo, Via nom'!..*

*Kiam por mondo bonvidanta*
*Trezor' kaj lumo Esperanta*
*Estis nur kaŭz' por moka zum', —*

*Vi faris, ke por homoj blindaj*
*Estas videblaj kaj vidindaj*
*Nia trezor' kaj nia lum'...*

*Estas neeble ja forgeso*
*Pri la momento de Kongreso*
*En Zlata Praha, en Ĵofin,*

*Kiam nin ĉiujn kortuŝante,*
*Pri Esperanto esperante*
*Parolis kore blindulin'!..*

*Ne timas ni jam mokan zumon,*
*Se la blinduloj vidas lumon*
*En nia Esperanta rond'!*

*Via laboro, Via koro*
*Videble pruvis en ĉi-horo,*
*Ke venkos ni en tuta mond'!*

*Varsovio, August 1921.* *Leo Belmont.*

# Finfermo de la XIII[a] Kongreso

## Ferma kunsido

*Sabaton, 6 aŭgusto, matene*

La Prezidanto legas la tagordon kaj donas la parolon al S-ino Cense por legado de la protokolo.

S-ino Cense klarigas, ke la protokolo ne estas finita pro manko de tempo. La Prezidanto demandas, ĉu la kongresanoj lasas al la estraro la zorgon pri la finstarigo de tiu protokolo, laŭ la notoj de la sekretariinoj kaj ĉu ili fidas je tiu-ĉi. Post jesa multopa respondo, la Prezidanto donas la parolon al S-ro Pitlik, ĝen. sekretario, por la salutleteroj kaj telegramoj.

S-ro Horner prezentas sian rajtigilon, kiun tradukas el la franca lingvo S-ino Cense, kaj poste li salutas la Kongreson je la nomo de la Ruĝa-Kruco en Genève, per elokventaj vortoj, kiuj estas varme aplaŭditaj.

La Prezidanto dankas pro tiuj vortoj kaj donas la parolon al S-ro Krouzil, kiu legas la rezolucion alprenitan dum la kunveno de la inĝenieroj.

S-ro Balkanyi petas la parolon por atentigi la esperantistojn pri la trouzo de la vorto Esperanto kaj Zamenhof por reklamoj kiel por raziloj, kiuj laste estis anoncitaj. Li diras, ke ofte la novaj Esperantistoj kritikas la vortojn uzatajn kaj konsilas, ke oni lasu tion al la sciencistoj en siaj revuoj.

La Prezidanto apogas tiun diron, aldonante, ke bona komercajo ne bezonas bruan reklamon.

Pri la kritikoj de iuj Esperantistoj li konsilas, ke oni iom pli fidu al la kapableco de la Lingva Komitato.

La Prez. donas la parolon al S-ro Cart, prezidanto de la Akademio, kiu legas resumon de sia raporto, dirante, ke tiu raporto baldaŭ aperos. Li petas helpon por la reorganizo de la L. K., ne kritikojn simple; tiuj ne helpas, sed helpon, ĉiu povas doni. Ni ne kontentiĝu per kritikoj, ni montru kiel oni devas labori. Eble ni kelkafoje eraris, sed fidu, kun via helpo ni sukcesos starigi la necesan teknikan vortaron. Li legas la nomojn de la personoj, kiuj jam proponis sian helpon por la diversaj fakoj kaj ree esprimas sian esperon ricevi helpon de kiel eble plej multenombraj Esperantistoj.

La Prez. dankas al la L. K. kaj al ĝia prezidanto, kaj esprimas ankaŭ sian esperon, ke la Esperantistoj, anstataŭ kritiki, helpos al tiu institucio, kies graveco por nia lingvo ĉiu konas aŭ devas koni.

S-ino Cense legas la transdonitan al si rezolucion de la Studenta fako.

La Prez. memorigas tiuokaze, ke la kunvenoj, kiuj deziras vidi siajn raportojn en la ĝenerala raporto, devas doni ilin al la Sekretariino.

S-ro Paŭlo Medem petas la parolon por atentigi kelkajn Esperantistojn pri la elparolado, kiu devas resti unuforma en ĉiuj landoj, atentigas pri kelkaj literoj, kiuj estas aparte elparolataj de kelkaj popoloj. Li aŭdis iafoje la akcenton sur la lasta silabo, kaj kio estas mirinde, ne de la francaj Esperantistoj. Ni estas granda familio, kaj ni devas atentigi nin pri niaj reciprokaj mankoj, sen ofendo unuj por la aliaj.

S-ro Cart diras, ke oni ne devas esti tro severa, ni atentigu, sed ne malkuraĝigu.

S-ro Prezidanto diras, ke ambaŭ konsiloj estas bonegaj, ni sekvu ilin ĉiam. Ni uzu Esperanton, ni ne senkuraĝigu la komencantojn, kiuj uzas Esperanton; sed kiam iu volas paroli publike aŭ skribi en la gazetoj, li almenaŭ parolu aŭ skribu korekte.[1]

Pri la estontaj Kongresoj. — Oficiale venis proponojn el Wiesbaden kaj Danzig, kaj private de aliaj lokoj. La Prezidanto klarigas, ke la cirkonstancoj ne ebligas, ke la Kongreso okazu en Wiesbaden, sed ke Helsinki, kiu intencis inviti nur la 15-an, invitas nun la 14-an. Li donas la parolon al S-ro Setälä, kiu faras la proponon.

S-ro von Frenckel havas la parolon. Li diras, ke estas necese, koni la principojn kaj taskojn de niaj Kongresoj, kaj laŭ tio elekti la urbon, kie ili devas okazi. Unue, ni kunvenis por scii ĉu funkcias la lingvo kaj poste por havi okazon kunparoli, kio estas tre interesa por la lingva unueco. Tiun ĉi fojon ni foriros el Praha kun la absoluta konvinko, ke nia lingvo ne povas esti forigita, ke ĝi vivos. Li dankas al la ĉeĥaj samideanoj pro organizo de la Kongreso kaj diras, ke la harmonio estas la ĉefa eco de tiu ĉi Kongreso. — La kongresanaro estas grandnombra, eble jam tro multenombra, tial ne estas eble necese serĉi la centron de Eŭropo por okazigi niajn Kongresojn. Eble ni baldaŭ konsideros necese organizi la Kongreson en Japanujo, Afriko, Kanado. Ni nur demandas nin, kie Esperanto ricevos la pli grandan antaŭenpuŝon. Ni elektu landon, kie la valuto estas favora por la plimulto, kie la gazetaro estas favora, urbon ne tro grandan. Ekzistas tiaj landoj kaj urboj. Ni devas serĉi tion, kio estas plej bona por nia propagando.

S-ro Stettler petas la parolon pri la tagordo. La Germanoj mem ne tre deziras havi la Kongreson en Wiesbaden, aliparte ekzistas serioza propono de la finnaj Esperantistoj. Mi petas, ke S-ro Setälä mallonge rekomendu la aferon, kaj oni poste voĉdonu.

La Prez. donas la vorton al S-ro Setälä por subteni kaj klarigi la proponon de la Finnaj Esperantistoj.

S-ro Setälä diras, ke efektive ili deziras havi la Kongreson en Helsinki. Li esperas, ke venos tre multaj Esperantistoj, la vojo ne estas tro longa. Ili provos aranĝi specialajn ŝipojn el ĉiuj plej gravaj havenoj. Ili provos disdoni la kongresdokumentojn jam sur la ŝipoj, por ke ĉiu povu studi ilin jam antaŭe. Lu kurzo estas sufiĉe favora, kaj plie ili tre verŝajne disponigos senpage loĝejojn por la malriĉaj kongresanoj, purajn malkarajn manĝejojn por modestaj monujoj. La tuta spirito de la movado estas koncentrita en Helsinki. La gazetaro estas sufiĉe favora kaj akceptas artikolojn pri nia movado. La finnoj tre malrapide entuziasmiĝas, sed nia flamo daŭras. Ili aranĝos ekskursojn tre interesajn por ĉiuj vizitantoj. Finnlando estas neŭtrala lando, kiu havas antipation al neniu alia nacio. Ili havas du oficialajn lingvojn; sed unu Esperanto-asocion. Li kuraĝas diri, ke kiel Svislando ili havas idealon de interpopola kunligo.

S-ro Warden subtenas la proponon de S-ro Setälä. Ni fidis al la Prahanoj; jen ni havas la rezultojn: la Kongreso brile sukcesis. Ni nur bedaŭris ke ni tro superŝutis la sekretarion per laboro. Efektive Finnlando ne estas tiel malproksime, ĝi ĉiam estas proksime al iu loko, kaj ne povas esti proksima al ĉiuj. Ne estas dezirinde okazigi la Kongreson ĉiam proksime al ni, ni iru iom norden. La belaĵoj de Finnlando estas sufiĉe allogaj kaj nome konataj. Ni estu dankemaj al la Finnoj pro tio, kion ili laste faris: Ili ja havigis al Esperanto la subtenon de la Ŝtato.

S-ro Pitlik diras, ke dum sia vojaĝo al Helsinki li trovis tie tre viglan Esperantan movadon. Por skandinavaj landoj ni bezonas Kongreson. Li subtenas la proponon de S-ro Setälä por la Finnoj, kiuj estas popolo tre gastema, tre laborema kaj modesta.

[1] Certe ankaŭ en la ĝenerala korekteco kaj rimarkinda unuformeco de l' elparolado la XIII[a] Kongreso superis ĉiujn antaŭajn. — *(Red.)*

La Prez. demandas, ĉu do oni konsentas pri la propono, aranĝi la Kongreson en Helsinki.

Tiu propono estas entuziasme akceptita.

S-ro Narita legas je la nomo de japanaj Esperantistoj inviton de la 15ª Kongreso al Tokio en la jaro 1923.

La Prez. dankas la japanojn pro ilia invito al la Kongreso kaj esprimas la esperon, ke iam ni havos kongreson en tiu malproksima oriento, precipe dank' al la ĉeesto tie de la finna Ministro S-ro Ramstedt, kiu estas, kiel jam dirite, tre fervora samideano.

S-ro Setälä dankas la kongresanojn pro la entuziasme akceptita propono. Li havas jam tri aliĝintojn, kiuj pagis la kotizon, kvankam ĝi ne jam estas fiksita. Li esperas, ke ni laboros tie kaj amuziĝos en malpli granda varmeco ol ĉi tie en Praha; sed tamen ni ne bezonos havi palton dum la kongreso. Li diras, ke estas ankaŭ dezirinde organizi kongreson en Japanujo.

S-ro Belmont diras, ke la Esperantistoj, jam nun malmultnombraj, kiuj kunvenis en Boulogne-sur-Mer scias, ke ni kunvenadas ĉiujare kun la sama sento, kiu igas nin senti, ke efektive ekzistas Esperantujo. En Esperantujo ne okazis ĝis nun milito, kaj li esperas, ke ne okazos milito inter Japanujo kaj Polujo pri la 15ª Kongreso. Ni Poloj, ni ja scias, ne povos viziti la 14ª; sed ni esperas, ke la projektita monumento estos preta kaj ke okaze de la 15ª oni povos ĝin starigi. Li legas la sekvantan poemon al la 14ª.

Por ĉiu Kongreso iradas mi for,
Grandiĝas animo, altiĝas spirit'...
Larĝiĝas la penso, varmiĝas la kor'...
Novigas nin ĉia Kongresa vizit'.

En Nordo Finnlanda atendas nin kore
La nova kaj ĉarma vidinda natur':
Dum noktoj ĉielo pentrita kolore,
En lando centlaga tut'nova plezur'.

La grandaj ŝtonegoj en densaj arbaroj,
De akvoj falantaj potenca bruad',
Ŝvitpene semitaj plenfruktaj kamparoj,
Popol' laborema en long'-turmentad'!

Per ĉiu kongreso ni devas eniri
En novan popolon, kulturon, terlokon,
Kaj venke la novajn mondpunktojn akiri,
Proksimi al ili fratecan alvokon.

Ni estis multfoje en flank' okcidenta
Kaj ĉie gastigis nin granda jam ĝoj'...
Nur venas la nova invit' — Oriento...
Do en Orienton venigu nin voj'! *L. Belmont.*

S-ro Prezidanto de la K. K. K. notas la inviton de Japanujo, de Pollando, dankas S-ron Setälä kaj la Finnaj Esperantistoj pro la proponata organizo de la Kongreso en Helsinki kaj bondeziras al tiu Kongreso. Li konstatas la akcepton de la Kongreso, kaj diras, ke kiel kutime tiu deziresprimo estas resendota al la K. K. K. por fina esploro kaj starigo de la detaloj kun la Loka Komitato.

S-ro Fujisaŭa estas tre ĝoja, ke la 14ª okazos en Finnlando. La Finna Ministro en Japanujo propagandas kaj favoras Esperanton, kies varma adepto li estas. Japanujo estas tre malproksima por Eŭropanoj, kaj eble finance la sukceso ne estus atingebla. Tamen la Kongreso okazanta inter ni estus tre grava propagando, kiu multe efikus. Mi tre favoras la proponon faritan de S-ro Narita, kaj ni tri ĉi tie Japanoj en Eŭropo helpus por sukcesigi la Kongreson.

S-ino Cense diras, ke iu Esperantisto venis al ŝi por demandi ĉu ne estus necese stenografi la kongresajn diskutojn entute, ĉar laŭ opinio de tiu ĉi samideano oni eble povus opinii, ke la raportoj ne estas senpartiaj. La protokoloj estas ja legitaj dum la kunvenoj kaj speciale pro tio, ke la personoj, kiuj diris ion, povu korekti la sencon de iliaj diroj, se ili ne estas tiaj, kiaj ili esprimis. Kompreneble el notoj ne brilas la elokventeco de niaj oratoroj; sed la ĉefa afero estas ke oni trovu la sencon de tio, kio estas dirita. La presado de stenografita raporto estus tre kosta kaj eble ne prezentus tiel gravan intereson; ĉar ofte oni parolas por paroli, kaj ne ĉiam interese estas raporti detale la diritajn vortojn. La grava demando estas en tio la financa; ĉar ĉiu kongresano ricevas la raportojn de la kongresoj, kaj se ili fariĝus tro kostaj, ne plu estus eble tiel dissendi ilin. Mi do respondis al tiu ĉi persono, ke la protokoloj estas nur objektivaj; sed ĉar el la diskutoj venas la lumo, mi petas vin pripensi tiun punkton por la venontaj Kongresoj, kio multe faciligos la taskojn de la sekretarioj.

La Prezidanto diras, ke stenografado dum Kongresoj estas ankoraŭ nun sufiĉe multekosta. La dirita persono havas krom la legado publika de la protokolo la garantion, ke ili estas faritaj laŭ notoj de du sekretariinoj, kiuj povas per siaj notoj kontroli unu la alian kaj doni bonajn tekstojn.

D-ro Privat diras, ke, esplorante la tutan Kongresan semajnan laboron li sentas, ke regis plena harmonio. La Nº 13 nur al superstiĉuloj portas malbonan ŝancon. La protokolistino povas esti tute trankvila pri siaj protokoloj. Neniu dubas pri sia lerteco, kaj ĉiuj al ŝi estas tre dankaj pro la grava laboro, kiun ŝi plenumas dum niaj kunsidoj. Li dankas al ĉiuj, kiuj multe laboris. Ni ŝuldas precipe al la Prez., kiu tiel majstre prezidis la laborkunsidojn, la plej sinceran dankon. Same al S-ro Pitlik, la agema sekretario, al F-ino Ŝupichova, la ĉiam sindona propagandistino kaj pionirino de nia movado, al S-ro Hromada, kiu helpis al aranĝoj de UEA. Varme brilis la materia suno tie ĉi; sed pli profunde brilis la suno de amo, kantita de l'hinda poeto. Ni ĉiuj disportos hejmen iom da ĝiaj radioj en niaj koroj.

S-ro Isbrücker: Mi ne volas longe paroli. En nia Haga Kongreso ni havis 400 esperantistojn. Mi do komprenas, ke la laboro por 2500 estas multe pli granda, kaj ke ĉiu aranĝo iĝas pli malfacila. Al la 14ª Kongreso, se mi povus ion konsili, kiel kongresorganizinto, estas, ke ili ne aranĝu unutagan ekskurson al la Norda Poluso.

S-ro Kamaryt esprimas sian ĝojon pri la laboroj de la Kongreso, kaj la Kongreso ĝenerale. Estis por ni agrablaj tagoj, estis neforgeseblaj momentoj, miraklo, ke ni, homoj de 42 nacioj, povis dum la semajno alparoli unu la alian uzante la saman lingvon. Mi dankas vin, ke vi venis multenombraj, kaj ke vi estis indulgemaj al ni. Mi dankas al la kongresestraro, al S-ino Cense, kiu tiel lerte gvidis la protokolojn, malgraŭ la malmulta tempo inter la kunvenoj. Same mi dankas al UEA, al S-roj Stettler, Privat, Jakob. Mi dankas al S-ino Zamenhof, pro la honoro, kiun ŝi faris al ni, ĉeestante la Kongreson. La verko de iu viro ne estas ĉiam sole la verko de li mem, sed ankaŭ ofte la merito de la kunvivanta virino. S-ino Zamenhof havis sian parton en la laboro de nia kara mortinto, ŝi estu daŭre amata kaj respektata de ni.

La kongresanoj bruege aplaŭdas.

La kongreso estis vera revivigilo, ni iru nun al nova laboro kaj ĝis revido en Helsinki!

---

*Pri Fakaj Kunsidoj vidu paĝon 24 (172).*

# ANTAŬ- KAJ POSTKONGRESOJ

## Antaŭkongreso en Dresdeno

Post du varmegaj tagoj kaj unu sendorma laciga nokto ni fine estis alvenintaj al Dresdeno je la naŭa matene. La verda flago ĉe la stacidoma akceptejo kaj multaj junuloj kun flagetoj atendis nin afable. La Dresdenaj samideanoj amike salutis nin. Modela ordo regis en la akceptejo: trankvile, ne rapide, sed tre atenteme la germanaj samideanoj plenumis niajn petojn, respondis al niaj demandoj. Ĉe la informejo, monŝanĝejo, poŝtoficejo, librovendejo — ĉie, absolute ĉie la afabla akcepto kaj la perfekta organizo laŭ germana akurateco.

La reciproka interkonatiĝo okazis en la ĝardena restoracio „Belvedere", kie abundege oni uzis la trinkaĵojn kaj glaciaĵojn.

*Komuna tagmanĝo*

Granda tagmanĝo kun kvarcent partoprenantoj okazis en salonego de l' Belarta ekspozicio. D-ro Arnhold salutis la vic-urbestron. Poste S-ro von Frenckell bonvenigis ĉiujn gastojn. D-ro Privat tostis al propacaj virinoj kaj speciale al nia reĝino de Esperantaj poetoj S-ino Marie Hankel, kiu respondis per ĉarmaj vortoj. Elokvente paroladis S-ro Legrand, oficiala delegito de Urugvajo kaj S-ino Cense je nomo de virinoj. Vigla ĝojo regis kaj lumigis ĉiujn vizaĝojn en vasta hela ĉambrego bele ornamita.

*Propaganda vespero*

Je la 6a vespere okazis la oficiala malfermo de la Antaŭkongreso en Vereinhaus. Estis rimarkinde, ke inter la multenombra esperanta publiko ĉeestis neesperantistoj, kiuj kun granda intereso sekvis la paroladojn, evidente ne tute malkomprenaj por ili. S-ro Frenckell, konsulo de Finnlando, salutis la ĉeestantojn kaj la reprezentantojn de 24 diversaj nacioj. D-ro Kamper, urba konsilisto, salutis la Kongreson kaj deziris al ĝi sukceson.

Diverslandaj reprezentantoj sinsekve prenis la parolon por saluti je la nomo de iliaj landoj la kongresanojn. Profesoro S-ro D-ro Ledermann el Nürnberg faris belegan paroladon germanlingve pri la temo: „Esperanto, nuntempa postulo." La temo treege interesa kaj belege esprimitaj pensoj estis aplaŭdataj unuanime.

S-ro Frenckell legis rezolucion pri la enkonduko de Esperanto komence kiel fakultativa kaj poste kiel deviga fako en pli altaj kaj komercaj lernejoj. La rezolucio estis aprobata. Estis propono de S-ro Ketterling pri la aranĝo de la XIVa en Danzig. Samideano bohema parolis pri Praha, S-ro Warden je la nomo de British Esp. Asocio, S-ino Cense je la nomo de generalo Sebert kaj de la Centra oficejo en Parizo, D-ro Privat je nomo de UEA kun poezia konkludo:

**Al memoro de Zamenhof**

Al ĉiuj popoloj benatan donacon
Vi faris trafante la vojon plej bonan.
En korojn de l'homoj eksemis vi pacon
Sur lipojn semante la lingvon belsonan.

Nun kreskas en mondo spirito homara,
Kaj iom el via noblega animo
Per ĉiu parolo de lingvo la kara
En koroj vastiĝas al vivo sen limo. *Edm. Privat.*

La vespera koncerto en la Ekspozicia Ĝardeno montris al ni la altecon de germana muziko kaj ĝia perfekta plenumo per la germanaj muzikistoj.

*Ŝipveturo al Pilnitz*

Vendredon matene ses cent Esperantistoj plenegigis du vaporŝipojn kun verdaj flagoj flirtantaj super la Elbo kaj veturis al Pilnitz por viziti la pentrindan kastelon kaj ĝardenon iam apartenintajn al aksaj reĝoj. La varmo estis ega. Tamen fidele kaj ŝvitante, la Komisiono por Organizo, elektita en Hago sub prezido de S-ro Page (S-ino Cense, S-roj Warden, Stettler, Privat, Arnhold, Isbrücker [1] laboradis la tutan tagon. Ĝi sidadis sinsekve en fundkelo de la ŝipo, en kampara atendejo, sur bordo de l' rivero kaj en Dresdeno tage ĉe Banko de D-ro Arnhold, nokte en lia vilao. En Blaseviz okazis eraro de la restoraciestro pri tago de l'ekskurso, kaj la tagmanĝo konsistis el ĉasado je iom da supo aŭ pudingo sub afrika sunego.

*Vespera teatraĵo*

Vespere okazis teatraĵo. Perfekta Esperanto, pripensita ludo de aktoroj vere mirigis nin, ĉar oni tamen devas konfesi, ke la Esperantaj teatraĵoj ne facile ludeblaj estas por la amatoroj. „La Glavo de Damocles" estas sufiĉe amuza verko, kiu plezurigis la publikon. La koncerto bone sukcesis. Ĝia programo estis alloga kaj la deklamo el „Ifigenio" (F-ino Zschepank) tielsame, kiel la kanto de „Ave Maria" de Gounod (F-ino Benad) estis varme aplaŭditaj. La internacia kostumbalo estis bela ĝenerale. Sed multaj rizervis sin por Praha, kien speciala vagonaro forportis homamason da Esperantistoj sabaton matene 30 aŭgusto. *N. Umanski.*

## Postkongreso en Budapest

Surpriza miraklo estis la postkongresa festo en Budapest. La antaŭsciigoj estis timigaj, oni ja parolis pri nepermeso de la Esperantista Kongreso. La vojaĝo estis aventura. Multaj samideanoj timis partopreni, kaj la sepdek partoprenantoj forlasis Praha'n kun malagrablaj antaŭsentoj pro malbonaj spertoj ĉe la preskaŭ tro grandnombra Kongresego, kies miloj ne povis sufiĉe varmigi kaj entuziasmigi unu la alian.

Jam en Bratislava, post tutnokta vojaĝo, atendis malagrabla surprizo: nenia aranĝo, neniu zorgis pri loĝado, kvankam oni certigis nin, ke ĉio estas prizorgita. Fine jam aŭdiĝis revoluciaj sonoj. Kelkaj samideanoj volis disigi la karavanon kaj tuj pluen vojaĝi per vagonaro al Vieno aŭ al Budapest. En decida momento laŭ petoj de kelkaj fervoruloj, S-ro Stettler, prezidanto de UEA transprenis la komandadon. Li iris kun bratislava samideano Vanitsek kaj kun S-roj Setälä kaj Balkanyi al la loĝoficejo, kaj fine ni ĉiuj havis, se ne tre komfortan, tamen puran liton en lernejoj.

* * *

Multaj dormis bonege, kaj la karavano ekvojaĝis la 8a matene per la bela, moderna ŝipo „Budapest" sur la Danubo, por ĝui agrablan tagon ĝis malfrua vespera horo sur la akvo.

La hungara kapitano de la ŝipo estis tuj tre afabla, kaj la ŝipo baldaŭ antaŭeniris en la mezon de Hungarlando, sub flirtantaj verdstelaj standardoj, kiuj estis sur la pinto, ambaŭflanke kaj ĉe la malantaŭa fino.

La ŝipo estis plena je vigla Esperanta babilado. Oni promenis, manĝis, iradis, kvazaŭ en unuaranga hotelo, kaj la hungaraj samideanoj, Ges-roj Tolnai, S-roj Balkanyi, Laquer kaj la aliaj faris ĉion eblan por agrabligi la restadon.

La valizojn la limdepagaj oficistoj eĉ ne malfermis, la pasportoj estis stampataj aparte, kaj en Vacz, la lasta stacio antaŭ Budapest, venis S-ro Mateffy kun la programoj kaj kun la hotelkartoj por la fremduloj. Sur kelkaj valizoj estis arangâta „akceptejo", afiŝoj estis elpendigataj, kaj ĝis Budapest post ŝvitiga laboro ĉiuj partoprenantoj ricevis hotelkarton, programon, planon de Budapest kaj necesajn informojn.

Dume la ŝipo majeste antaŭeniris inter la fee lumigitaj bordoj de la hungara ĉefurbo, la grandegaj konstruaĵoj siluetiĝis en nokta malhelo. Brilis la akvo, kaj ekbrilis ĉiuj okuloj, kiam ili vidis sur la bordo pli ol cent samideanojn starantajn laŭlonge de la vojo kaj salutantajn la fremdajn gastojn. Staris tie la prezidanto de la landa Asocio, D-ro Giesswein, vicprezidantoj Patai kaj Racz kaj multaj laboristoj.

[1] Anstataŭanto de S-ro Poncet.

Junuloj kun tabuletoj de la hoteloj atendis tie, kaj tiamaniere ĉiu gasto trovis sian kondukanton, kiu kondukis lin ne nur al la hotelo por li destinita, sed ankaŭ la alian tagon al la nova urbdomo.

* * *

La 9 aŭgusto (marde) matene sur la nova urbdomo flirtis majesta ruĝ-blank-verda nacia flago kaj simile granda verdstela standardo. La estradon okupis sub Esperanta girlando la prezidanto de la organiza komitato kaj la subprezidanto de la landa societo: D-ro Bela de Racz kaj polickapitano Paŭlo de Bela.

D-ro Racz malfermis la kunsidon je la 11a salutante la alvenintojn kaj transdonante la vorton al S-ro Julio Baghy, kiu per entuziasmiga parolado bonvenigis la gastojn. Liajn lastajn vortojn englutis tondra aplaŭdo.

Reprezentantoj de dekdu nacioj salutis la hungarajn samideanojn: S-ro Paul Blaise por la angloj kaj por UEA, S-ro Hudson el Aŭstralio, F-ino Margareto de Rycke por la belgoj, S-ro Blicher por la danoj, S-ro Vilho Setälä por la finnoj, S-ro Marcel Boubou por la francoj, D-ro Hinsenkamp por la germanoj, S-ro Joan Gili Norta por la hispanoj kaj katalunoj, S-ino Bramkamp por la nederlandanoj, S-ro kavaliro Attilio Vaona por la italoj, S-ro Helsing por la svedoj kaj S-ro William Perrenoud por la svisoj. Iliaj paroloj estis emociigaj, kelkfoje kortuŝaj, montris varman simpation al la hungara nacio kaj ĝia sorto kaj estis fortege aplaŭdataj.

D-ro Racz dankis la salutvortojn kaj alvokis S-ron Balkanyi sciigi la programon.

La belan kunsidon oni finis per ravantaj deklamoj de D-ro Kolomano de Kaloscay kaj de Julio Baghy. Iliaj festaj poemoj estis surprize belaj. La hungaroj posedas efektive geniajn poetojn, ili povus pruntedoni el ili al aliaj nacioj.

Post fermaj vortoj de D-ro Racz oni kantis la himnon, kaj la festeno finiĝis.

* * *

Post la kunsido la samideanoj disiris, sed je la unua denove kunvenis (proks. cent) en la moderna hotelo „Sankta Gerhardo", sur kies fronto, kiel en Budapest ĉie, kie okazis iu Esperanta festo aŭ kunveno dum tiuj du tagoj, majeste flirtis la verda standardo.

Vera festa tagmanĝo okazis tie, kiam S-ro Setälä salutis la ĉeestantojn por la fremduloj kaj S-ro Giesswein respondis per elokventa parolado. S-ro Stettler parolis pri la impresoj, kiujn li ricevis de Budapest, menciante ne nur la neatendite trovatan lukson kaj belecon, sed ankaŭ la malfeliĉan situacion de la lando kaj de ĝia loĝantaro.

Post la festmanĝo okazis komuna fotografado kaj vizito al la zoologia ĝardeno.

* * *

En la urba arbareto estas malgranda somera teatro, modesta, simpla lignokonstruaĵo. Sed ĝi pleniĝis per entuziasmo kaj arto, kiam post la oka vespere alvenis la Esperantistoj, kaj S ino Elinjo Szekely deklamis la prologon de Kalocsay. Tra la teatreto sonis la muziko de nia lingvo tiel dum la numeroj de la programo kiel dum la paŭzoj, kiam oni kriis: „Esperanto Triumfonta, plej nova numero!" malgranda knabo rondiris diradante: „Freŝa akvo! Freŝa akvo!" kaj la publiko interparolis vigle, bonhumore en nia kara lingvo. Ĉar vere regis vigleco kaj bonhumoro, kiu kreskis de numero al numero kaj plenigis per ankaŭ interne varma, vera entuziasmo la korojn kaj animojn, bedaŭrinde ofte mankinta dum la tro amasaj kunvenoj de la Dektria.

La arta fortepian-ludo de S-ro Spiro el Miskolcz, la deklamado de Kalocsay kaj Elinjo Gerö, la kantado de Ivanyi kaj M. Sarosi kondukis nin rekte ĝis revado, precipe kiam la ĉefaranĝinto sam-ano Baghy ludis kun Sarosi la propran teatraĵeton „Revemuloj", belan lirikan scenon pri la eterna romantika temo, pri la amo. La poezio estis de Baghy, la kantoj de Sarosi, kaj la ludado de ambaŭ montris veran, delikatan arton, ne ofte troveblan dum Esperantaj prezentadoj.

Post paŭzo venis la lasta surprizo. Tripartan, unuaktan komedion de Eŭgeno Heltai kaj Emilo Makai ludis la aktoraro de Baghy: „Paĝio de l'reĝino". Krom Baghy kaj Sarosi bone ludis Kalocsaj kaj la F-inoj M. Toman kaj Ireno Zacsek. Ĉiuj montris aktoran talenton, la aranĝo de Baghy montriĝis tre efika, kaj la publiko ĝuis kun konstanta intereso la belan tradukon de Kalocsay. Tia teatra vespero estis laŭ la opinio de multaj malnovaj kongresvizitintoj ne ofta en la historio de nia movado.

* * *

La dua tago de la festtagoj jam tro rapide pasis. Antaŭtagmeze la vizitado al la reĝa kastelo kaj rigardo de la urbego, de la bastionoj en la fortikaĵo, posttagmeze vizitado al la parlamento sub gvido de S-ro Laquer kaj promenado tra la insulo Sankta Margareto estis la ĉefaj programpunktoj.

Vespere en restoracio sur la insulo estis — ho ve, jam — la adiaŭa vespermanĝo komuna. Ŝajne la hungaroj povas aranĝi festenmanĝojn, kaj la proksimume centkvindek ĉeestantoj travivis tie kelkajn vere sunradiajn horojn, kiam la koroj malfermiĝis kaj kiam oni ligis amikecojn por ĉiam.

Meze de la ĉambrego sub la verdstela flago ekstaris D-ro Giesswein, kiun ĉiuj ekamis, ĉar oni ekkonis lin kiel veran homon, veran esperantiston starantan super la taga politika vivo, super neindaj intrigoj kaj personaj vantaĵoj. Li kore adiaŭis la alilandajn gastojn menciante, ke la naciaj kulturoj estas necesaj, sed same necesega estas la internacia kompreniĝo, ĉar sen ĝi nia eŭropa kulturo pereus.

S-ro Blaise adiaŭis de la hungaraj gastigantoj en la nomo de la fremduloj per kortuŝaj vortoj, dankante pro la korega akcepto, la varma gvidado, la samideana helpado kaj la bonega aranĝo. Li promesis raporti pri ĉio hejme kaj esperas, ke baldaŭ li povos revidi Budapeston dum *Universala Kongreso de Esperanto*. La tondra aplaŭdo de la gastoj montris, ke li elparolis la deziron de ĉiuj. Speciale li dankis al la organizintoj, al Ges-roj Tolnai, al s-ano Balkanyi kaj al ĉiuj aliaj, kies nomojn la fremdlandanoj ne povis memori, sed kies amikecon ili forgesos neniam. Tuj post li parolis S-ro Setälä ankaŭ proponante, ke en Budapest estu internacia kongreso de Esperanto kaj samtempe memorigante pri la morto de fama finna poeto Juani Aho, pro kies honoro la ĉeestantaro ekstaris.

S-ano Laquer demandis, ĉu li estis prava invitante la fremdulojn viziti Budapeston, kaj poste oni kantis la himnon, kiel komencon, de kabaredeto, kiun aranĝis s-ano Andreo Hevesi, kiu jam dum la antaŭtaga teatra vespero amuze antaŭanoncis la pli gravajn numerojn. Deklamis D-ro Bano, Kalocsay, itala gasto D-ro Vaona kaj Baghy, fortepianludis Spiro kaj itala samideanino Nildin Imperiale, S-ino Blaise dankis pro la helpo de la virinoj en la nomo de la virinoj alilandaj.

La vespero finiĝis per dancado de la junularo, dume la gastoj iom post iom adiaŭis kaj foriris. (El *„Esperanto Triumfonta"*.)

## Katolikoj en Graz

La konferencoj estis aranĝitaj de la Katolika Internacio. Ĉeestis pli ol 200 delegitoj el 19 diversaj landoj. Okazis (10—15 aŭgusto 1921) konferencoj pri la internacia katolika movado, la internacia katolika junula movado, interna kaj ekstera misia movado, la katolika pacmovado kaj fine pri la katolika Esperanta movado. *Ĉiuj referatoj, diskutadoj kaj debatoj fariĝis esperantlingve.* Kelkaj ĉeestantoj, kiuj ne ankoraŭ scii Esperanton, promesis propramove, ke ili lernos tuj tiun ĉi tre utilan helplingvon, ĉar ili vidis la facilecon de la disputado en Esperanto.

La estraro de la Ika (Internacio katolika) konsistas nun el tri prezidantoj (Prelato D-ro Giesswein, Budapesto, Prof. W. Arnold, Zug, kaj Direktoro P. Philipp, Bruselo), ĉefdirektoro (S-ro D-ro J. M. Metzger, Graz) kaj ĉefsekretario (S-ro Pastro Cseh, Rumanujo).[1] La konferencoj estis tre laborriĉaj. Sabaton vespere okazis belega banketo en hotelo Wiesner, en kiu prelato Giesswein parolis pri la pacama karaktero de la konferencoj.

[1] La direktoraro de la Ika konsistas hodiaŭ el 28 landdirektoroj de plej diversaj nacioj.

# FAKAJ KUNVENOJ EN PRAHA

## Ĵurnalistoj

Dum la XIII tutmonda kongreso de Esperanto en Praha decidis 35 diverslandaj esperantistoj-ĵurnalistoj, ĉeestintaj Siajn du fakkunvenojn, laŭ propono de kol. Oskar Bermann el Lodz (Polujo) krei Ĵurnalistan Esperantistan Komitaton (Ĵek) kies celo estas starigi internacian esperantan servon kaj plifaciligi la rilatojn inter diverslandaj esperantistoj-ĵurnalistoj kaj gazetkunlaborantoj. Samtempe celas Ĵek konstantan propagandon en ĵurnaloj naciaj; kaj tial ĝi bezonas nepran aliĝon de esperantistoj-ĵurnalistoj el ĉiuj landoj.

En plej baldaŭa tempo ellaboros Ĵek la liston de ĉiuj Esperantaj kaj Esperanto favoraj gazetoj naciaj. Tial ni petas baldaŭan sendon de la listoj de tiaj gazetoj el ĉiuj landoj (kun plenaj adresoj). Sed unu el ĉefaj taskoj de Ĵek estas ellabori kompletan liston de Esperantistoj-ĵurnalistoj kaj -gazetkunlaborantoj ĉiulandaj por plifaciligi interŝanĝadon de por ĵurnalistoj necesaj ĉiuspecaj informoj inter ni.

Do oni decidis, ke Ĵek laboru organize en la limoj de UEA, en kies organo „Esperanto" aperados en speciala rubriko datoj kaj informoj por ni ĉiuj utilaj. Oni elektis kiel ĝen.-sekretarion de Ĵek kol. Frederiko *Weiner*, redaktoro de „Tribuna" Praha, al kiu oni sendu ĉiujn supre menciitajn raportojn kaj aliĝojn. Li prizorgos ordigon de kunveninta materialo kaj represigon de adresoj kaj sciigoj en „Esperanto". Ĉiuj ĵurnalistoj-esperantistoj estas petataj represigi tiun ĉi alvokon en gazetoj esperantaj kaj naciaj kaj sciigi iliajn adresojn al ĝen. sekretario

Ĵurnalista Esperanta Komitato,
Ĝen. sekretario: *Weiner*.

Ĉiuj Esperantistoj-ĵurnalistoj eĉ partoprenintoj de niaj fakkunvenoj dum la XIIIa estas petataj sendi Siajn precizajn adresojn al la sekretario.

Red. *Weiner*, „Tribuna", *Praha* (Ĉeĥoslovakio).

## Instruistoj

La faka kunveno de la geinstruistoj estis la plej multnombre vizitita. Ĉirkaŭe 200 personoj ĉeestis, kaj 160 aliĝis al la nova unuiĝo. S-ro J. W. Sevenhuijsen el Haarlem (Holando) proponis, ke oni formu sekcion de UEA kaj petu specialan rubrikon en „Esperanto"; sed li ne havis sukceson: La plej multaj preferis fondi memstaran unuiĝon sur la fundamentoj de la antaŭa unuiĝo: „Internacia Asocio de Instruistoj" kun la oficiala organo „Internacia Pedagogia Revuo". Nun oni elektis estraron: S-roj D-ro Cart, Parizo, Honora-Prezidanto; J. W. Sevenhuijsen, Haarlem, prezidanto; Sekretario-Redaktoro: Jan Jacobs Boomsche, Steenweg 444, Antwerpen.

Provizore oni akceptis la inviton de la Instituto „Rousseau" en Genève por en la proksima printempo kunveni en tiu ĉi urbo por pritrakti la temon: „Esperanto en la lernejo kiel pacedukado". S-ro G. Delanoue el Nemours pritraktis la temon: „Korektu la geografiajn nomojn en landkartoj." Ĉiu en sia propra regiono devas zorgi, ke la eldonistoj nur presos sur la kartojn la naciajn nomojn. Por la instruo oni devas prepari nomarojn kun aldonitaj fonetikaj elparoladoj.

Sekve oni parolis pri la eldono de kantlibro kun originaj vortoj kaj melodioj. Ne estas rekomendinde preni ekzemple la konatajn germanajn melodiojn kaj serĉi vortojn. Oni decidis per la „Revuo" inviti kompetentulojn por tion aranĝi. Poste oni fiksis la kotizaĵon, kiu estos publikata en la „Revuo".

## Kuracistoj

(Ĉeestis 21 personoj)

*D-ro Bischitzky* (Praha), la kunvokanto de la faka kunveno, salutas la ĉeestantojn, unuavice la delegiton de la ĉeĥoslovaka ministerio por sanitaraj aferoj, S-ron D-ro Karel Driml, kaj primemoras la mortintajn anojn, unuvice la majstron, poste la faman kuraciston Prof. D-ro Dor el Lyon.

Sekvas la reorganizado de la dummilite ĉesinta T. E. K. A. (Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio). Oni elektis: Prof. D-ro Vanverts (Lille), prezidanto; D-ro Briquet (Lyon) kaj D-ro Bischitzky (Praha), vicprezidantoj; D-ro Austerlitz (Bardiov, Slovakio), sekretario; F-ino Cass (Preston, Anglio), kasistino; D-ro Mybs (Altona), honora membro.

D-ro Bischitzky laŭtlegas leteron de D-ro Vanverts, kiu pardonpetas, ke li pro malsano ne povas ĉeesti la kunvenon, sed volonte oferas siajn fortojn por la komuna celo.

D-ro Mezei (Budapest) dediĉas sian Esperante eldonotan kuracistan gazeton kiel oficialan organon de la T. E. K. A.

La propono estas danke akceptita.

La kotizaĵo de T. E. K. A. estas fiksita je 5 frankoj francaj (shilling angl.) = 20 kron. ĉeĥosl. (mark german.).

La kiel gasto ĵus eniranta S-ino vidvino Zamenhof estas aklame salutata. — Sekvas la paroladoj.

D-ro Sós (Wien) tralegas la laboron de D-ro Blassberg (Krakow): Pri transformiĝado de ideoj kaj direktoj en la moderna kliniko.

D-ro Karl Weiss (Stuttgart) priparolas: La kontraŭmalsana asekuro en Germanujo.

D-ro Róbin (Warszawa): Pri la tutmonda Esp. kuracista asocio.

D-ro Karlo Mezei (Budapest): Pri la eldonota Esperanta medicina gazeto.

D-ro Vilhelmo Austerlitz (Bardiov): Pri la difektoj de la medicina terminologio.

D-ro Sós dankas al D-ro Bischitzky pro siaj ĝisnunaj senlimaj kaj senlacaj klopodoj kaj agadoj. — Post fermo de la kunsido parto de la ĉeestantoj faris ekskurson al la nordbohemaj banejoj.

### Alvoko por „Medicina Revuo"

Dum la Praha Kongreso T. E. K. A. reviviĝis. Laŭ decido de T. E. K. A. la „Internacia Medicina Revuo" estos ĝia oficiala organo kaj rekomendos al ĉiuj ĝiaj anoj la abonon de la revuo. Por ke la revuo povu senĉese aperi, ni devas fondi garantian kapitalon, el kiu estos la eventuala deficito kovrita. Ni petas ĉiujn kuracistojn kaj ankaŭ aliajn gesamideanojn, ke ili helpu efektivigi nian aferon. Laŭ mia projekto, la garantiantoj ricevos dum 10 jaroj senpage la revuon kaj ankaŭ la notita sumo estos sukcesive repagota el la enspezoj de la revuo.

La garantia sumo estas por:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio . . . | 2000 kronoj | Germanio . . | 250 markoj |
| Belgio . . . | 100 frankoj | Hispanio . . | 50 pesetoj |
| Britio . . . | 2 Pf. St. | Hungario . . | 1000 kronoj |
| Bulgario . . . | 150 levoj | Italio . . . | 150 liroj |
| Ĉeĥoslovakio . | 250 kronoj | Jugoslavio . | 300 dinaroj |
| Danio . . | 50 kronoj | Nederlando . | 25 guldenoj |
| Svedio . . | 50 kronoj | Polio . . . | 3000 markoj |
| Norvegio . | 50 kronoj | Svisio . . . | 50 frankoj |
| Finnlando . . | 300 markoj | Usono . . . | 10 dolaroj |
| Francio . . . | 100 frankoj | | |

Mi petas ĉiujn, kiuj deziros esti garantiantoj, ke ili provizore ne sendu al mi monon, nur deklaron, ke ili estos pretaj en poste decidota tempo.

D-ro *Karlo Mezei*, VI., Teréz-Körut 4, Budapest (Hungario).

## Poŝtistoj

En du kunsidoj, la 2 kaj 3 aŭgusto 1921 en la lernejo de Sta. Adalberto en Praha, la poŝtoficistoj pritraktis la fakajn kaj personajn aferojn sub la prezido de S-ro Otto Reber, supera registara konsilisto, el Bamberg (Bavario). S-ro Reber raportis pri la fondiĝo kaj la evoluo de „Internacia Ligo de Esperantistoj-Poŝtoficistoj" (I. L. E. P. O.), li laŭdis la fondinton, S-ron Paulo Schmidt, kaj la daŭriginton de „Ilepo", S-ron Arthur Behrendt, kaj la kunvenintoj decidis sendi al la du poŝtoficistoj dankon por ilia iama vigla laboro.

La ĝisnuna provizora prezidanto, S-ro Reber, raportis pri la Esperanto-movado en la rondo de la poŝtoficistoj, li diris, ke li havas adresaron de pli ol mil gepoŝtoficistoj el la tuta mondo. La adresaro de tago al tago pligrandiĝas. La kunveno decidis, ke la jara kotizaĵo estu dek markoj. La eldono de „Poŝta Esperantisto" estis vigle dezirata, same estis dezirata la eldono de poŝta faka vortaro.

Kiel prezidantoj estis elektitaj S-roj Reber, Michelis di Rienzi, poŝtinspektoro en Paris, kaj D-ro Eduard Spielmann en Bern, kiel sekretario poŝtinspektoro Heinrich Rippel el Würzburg. Dum la kunsido paroladis precipe S-roj Plánský el Budejovice, Čsl., Rieck el Greifswald, Ketterling el Danzig, Donker kaj Dufrenne el Amsterdam, Rippel el Würzburg, Lacroix el Paris, Bluet el Orléans, Boersch el Dresden, Schwaiger el Berlin-Steglitz kaj F-ino Dittmann el Bamberg.

La fakkongresanoj decidis, ke la prezidanto sendu dankleterojn al poŝtministerio kaj direkcio de poŝtoj kaj telegrafoj en Praha por la aranĝo de la kongresa poŝtoficejo kaj al la oficistoj tie deĵorantaj por ilia laboro. La suprenomitaj decidis ankaŭ peti la ministerion

kaj la direkcion de poŝtoj kaj telegrafoj, ke ili instigu, ke la gepoŝtoficistoj lernu la lingvon Esperanton laŭ la fundamento de Zamenhof. En la kongresa poŝtoficejo funkciis S-roj Tacheci kaj Hakl kaj F-inoj Hemerová kaj Doubková kaj krom tiuj du suboficistoj.

*Marie Hemerová,*
arangantino de la faka kunveno de poŝtoficistoj dum la XIIIª en Praha.

## Fervojistoj

Dum la U. K. de Esp. okazis la 2 aŭgusto 1921 en lernejo Pštrosova 13, fakkunveno de 27 fervojistoj el 5 diversaj ŝtatoj: Aŭstrio 2, Ĉeĥoslovakio 16 (13 ĉsl. kaj 3 germ.), Germanio 6, Nederlando 2, Svedio 1. La kunsidon malfermis F-ino S. Dlouhá, komitatanino de L. K. K. en Praha, post la 9ª antaŭtagm. Laŭ ŝia raporto anoncis sin 37 fervojistoj. Ŝi rimarkas, ke pro okupo de multaj laboroj kongresaj ĉiutagaj ne estis eble al ŝi fari pli multe, ol konservi rilatojn kun la plej viglaj fervojistoj, precipe S-ro Habellok (Breslau) kaj ĉeĥoslovakaj (Olomouc), k. t. p. Laŭ kutimo ŝi transdonas la funkcion al la proponitaj kaj elektitaj prezidanto S-ro Habellok kaj sekretario S-ro Jos. Blazek (Olomouc).

La konferencanoj alpaŝas tuj al programo, kiun skizis S-ro Habellok: 1e Raportoj de ĉiulandaj delegitoj pri ĝisnuna fervoja movado; 2e renova fondo de Internacia Asocio de fervojistoj Esperantistaj kaj faka Fervoja Gazeto; 3e kreado de faka vortaro (fervoja terminaro).

Post raportoj, kiujn faris por Aŭstrio Hugo Steinhauer, (Wien), por Ĉeĥoslovakio Josef Blazek (Olomouc), por Germanio G. Habellok (Breslau), por Nederlando J. W. F. Poolen (Rotterdam), por Svedio G. Hedström (Gefle), ĉe kiu okazo la ĉeĥosl. delegito raportis pri cirkulera invito de Esperantista Societo en Olomouc al ĉiuj konataj fervojaj administracioj en la jaro 1920, tuj uzi Esperanton en internaciaj rilatoj, kaj la germana delegito pri urĝe necesaj paŝoj koncerne fondo de Internacia Asocio de Fervojistoj Esperantistaj kaj farado, konstruado de terminvortaro kaj nova gazeto, donas la prezidanto la vorton al S-ro H. Jakob, sekretario de UEA, kiu estis invitita kaj afable honoris nian kunvenon per sia ĉeesto ĝis la fino de la konferenco. Li demandas, kiom da fervojistoj estas entute. Certe neniu scias respondi. Li afable promesis doni al nia nova societo la adresojn de fervojistoj, kiuj estas anoj de UEA, por ke ni povu alsendi al ili la aliĝilojn. Ankaŭ rilate la organizaj kaj fakaj problemoj li promesis al ni sian helpon. S-ro Habellok dankas al S-ro Jakob sincere por la promesita helpo, kiu estas certe tre grava por ni.

Ĉar ne estas nuntempe ankoraŭ rekomendinde fondi novan gazeton, proponas S-ro Blazek: 1e Rilate organizaj aferoj ekuzi gazeton „Esperanto", t. e. koncize skribitajn artikolojn alsendi al S-ro red. Edm. Privat en Ĝenevo; 2e koncerne fakaj diskutoj eldonos nia societo de tempo al tempo poligrafe faritajn cirkulerojn. La propono estas akceptita.

En la komitaton de I. A. de F. E. estis elektitaj: Prezidanto Georg Habellok, fervoja inspektoro, Breslau; vicprez. Adolf Kaŝparek, fervoja ĉefrevidento, Praha (Fervoja direkcio VII); sekretario Josef Blazek, fervoja inspektoro, Olomouc (Fervoja direkcia kaso); kasisto Antonin Kubásek, fervoja adjunkto, Plzeň (Fervoja revizoro).

Estis poste priparolataj la financoj. Estis decidite pagi: Jara kotizaĵo (provizore) 5 kronoj ĉsl. aŭ 1 fl. nederl., 2 fr. svisaj, 25 k. aŭstr., pol., k. t. p.

Je la 12 t. m. fermas S-ro Habellok la kunvenon dankante sincere al ĉiuj ĉeestantoj. *Josef Blazek,*
sekretario de I. A. de F. E.

## Teozofoj

La unua kunveno okazis duan de aŭgusto en la lernejo ĉe Sta. Adalberto.

S-ino Marcelle Tiard legis la raporton de ĝenerala sekretario S-ro S. Frantz, kiu ne povis ĉeesti. Oni aprobis la regularon de la post milito revivigita Teozofia Esperanta Ligo.

Kiel prezidanton oni elektis S-inon M. Tiard kaj sekretarion S-ron S. Frantz, 21, rue Alain Chartier, Paris XVª. Jara kotizaĵo de la membroj de T. E. L. estas 5 fr. francaj. Parolante pri la reeldonado de revueto „Espero Teozofia" oni decidis laŭpove ĝin revivigi. Kelkaj gefratoj opinias, ke estus pli ekonomie eldoni ĝin kiel aldonon al iu jam ekzistanta gazeto esperanta aŭ nacia.

Alvenis saluttelegramoj kaj leteroj el Polio, Aŭstrio, Nederlando kaj Ĉeĥoslovakio.

Plue oni legis la raporton de F-ino Van Rees pri la propagando de T. E. L. dum la Teozofia mondkongreso en Parizo 25—28 julio 1921. Oni disdonis milojn da flugfolioj por propagandi Esperanton ĉe teozofanoj. Ankaŭ oni proponis, ke Esperanto estu uzata kiel la oficiala lingvo dum Teozofiaj mondkongresoj.

Poste S-ino Tiard fermis la kunsidon kaj S-ro Cimr laŭ la propono de „Ĉeĥa Teozofia Sekcio" invitis ĉeestintajn gefratojn fari ankoraŭ unu kunvenon en la biblioteko de „Česká společnost teosofická" en palaco Lucerna.

Dua kunveno okazis laŭ la antaŭa invito, sabate en palaco „Lucerna". La karaktero de tiu ĉi kunveno estis pli familia, kaj oni priparolis precipe la demandon pri revuo „Espero Teozofia", kaj fine oni interkonsentis eldoni ĝin, kvankam en modesta formo komence nur ĉiudumonate. Redakcio estos V. Cimr, Krakovská 17, Praha II.

Plue oni pritraktis diversajn internajn demandojn kaj precipe la metodojn kiamaniere instigi la naciajn sekciojn, ke ili lernu Esperanton.

En la kunvenoj partoprenis 34 membroj kaj gastoj el Alĝerio, Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, Germanio, Svedio kaj Svisio.

Proksima jarkunveno okazos dum la XIVª Helsinki.

*V. Cimr,* fakorganizanto.

## Katolikoj

La arangânto de la kunveno, S-ro Zelenka el Praha, malfermis ĝin kaj salutis unuavice la reprezentanton de la Praha ĉefepiskopo, Monsinjoron Rybnik, plue la ĉefsekretarion de Ika, S-ron D-ron Metzger el Graz, kaj la ĉeestantaron, konsistanta el ĉirkaŭ 100 personoj. Kiel prezidanton li proponis D-ron Metzger, kiu akceptis kaj nome de Ika parolis salutajn vortojn. D-ro Metzger proponis elekti la konatajn pionirojn de la katolika movado, paroĥestron Parker el Irlando kaj prelaton D-ron Giesswein el Budapest je honoraj prezidantoj de la kunveno. La elektitaj honoraj prezidantoj dankis por la granda honoro kaj korege salutis la kunvenon; precipe la parolado de prelato Giesswein trovis grandan aplaŭdon. Poste parolis Monsinjoro Rybnik kiel reprezentanto de la ĉefepiskopo, reprezentanto de la katolika ĉeĥoslovaka junula asocio, deputito kaj prezidanto de la ĉeĥoslovaka katolika virina organizo. Ĉiuj deziris al la kunveno grandan sukceson. Parolis ankoraŭ reprezentantoj de katolikoj el Danujo, Francujo, Italujo kaj Rumanujo.

La dua parto de la kunveno estis plenigata per paroladoj. Kiel unua parolis S-ro Zelenka el Praha pri la nuntempa situacio de la katolikaro en Ĉeĥoslovakujo, bonege priskribante la nunan staton. S-ro Heilker el Hoofdorp, Holando, parolis pri la unuigo de la katolikoj ĉiulandaj kaj postulis, ke baldaŭ la katolikoj komprenu la grandan necesecon de potenca universala katolika internacio. La tria parolanto, S-ro Mielert el Breslaŭ, entuziasme parolis pri Esperanto kiel mondpentekosta lingvo. Ĉiuj parolantoj estis multe aplaŭdataj. S-ro Sappl, ĉefsekretario de Moka el Graz, salutis nome de mondjunularo katolika la kunvenon kaj deziris al ĝi bonan sukceson.

D-ro Metzger dankis en la ferma parolado ankoraŭ foje al la reprezentanto de la ĉefepiskopo, al la parolintoj kaj ĉeestintoj por la apero kaj fermis per „Vivu nia Papa Moŝto Benedikto XV" la kunvenon.

Posttagmeze okazis labora kunsido por pritrakti la laboron de I. K. U. E., kiu estas la por-Esperanta organizo de la katolikoj kiel faka parto de Ika.

## Framasonoj

Dum la XIIIa Kongreso de Esperanto en Praha okazis la jarkunveno de suprenomita ligo.

El la jarraporto pruviĝis, ke la pasinta jaro estis sufiĉe fruktodona.

La estraro eldonis tuj post la 12a Kongreso cirkuleron por kunvoki ĉiujn framasonojn esperantistajn al la disvastigo de Esperanto en la loĝioj.

La direktoro de la „Bureau International pour les relations maçonniques" afable donis al ni unu paĝon de la internacia organo de sia oficejo, redaktata en Esperanto.

2 broŝuroj aperis: 1e „La Libereco de la Konscienco kaj la Tutmonda Framasonaro". 2e „Kio estas Universala Ko-Framasonio". La lasta pritraktas la gravan punkton: „La virino en la Framasonio" kaj la Ordeno „Le Droit Humain" kaj estas eldonata de Amsterdama loĝio. Du propagandaj kunvenoj pri tiuj temoj okazis en Frankfurt a. M. kaj Praha.

La unua sekcio de nia Ligo estis fondata en marto pas. en Marseille. Vigla propagando en Leipzig, Frankfurt a. M. (Germanio), Bath (Anglio) kaj Amsterdam (Holando).

Komunikoj kaj artikoloj aperis en diverslandaj framasonaj kaj esperantistaj gazetoj.

Oni decidis aliĝi al la „Fédération maçonnique" kaj esplori la eblecon aliĝi al UEA.

Pri la jaro pasinta ni povas esti sufiĉe kontentaj; sed ni bezonas pli da helpantoj por enkonduki nian lingvon en la ĉiulanda framasonaro. Ĉiu framasona Esperantisto subtenu nian movadon per ĉiuj siaj fortoj. La interna ideo de Esperanto estas ja parenca al la ideo framasona: „La Framasonio serĉas ĉion kio povas unuigi homojn kaj popolojn; ĝi klopodas forigi ĉion, kion disigas korojn kaj spiritojn", kaj Esperanto estas grava rimedo atingi tion! Helpu ĉiuj!

Por la estraro:
*Fritz Faulhaber,*
Borgerstr. 103/I, *Amsterdam,* Holando

## Liberpensuloj

*Mardon la 2 aŭgusto 1921, en la knabina lernejo*

Pro la foresto de la faka komitatano, je ½ 9-a horo S-ro *Schoofs,* Antwerpen, alparolas la ĉeestantaron kaj proponas elekti provizoran estraron. Per aklamacio estas elektata: prezidanto S-ro Schoofs; protokolisto S-ro Poppe, Pardubice.

S-ro Schoofs rezume parolas pri la antaŭ la milito ekzistanta Societo Libera Penso, kies Ĝenerala Konsilantaro aranĝis regulajn kunvenojn, eldonis bultenojn kaj havis sian kason prizorgita de S-ro Deshays en Parizo. S-ro prezidanto plie parolas pri la revivigo de la movado per eldonado de bultenoj, kio estas eble, ĉar la mono de la Societo ankoraŭ ekzistas; li supozas, ke la rilata sumo estas ĉirkaŭ 200 frankoj francaj.

S-ro Poppe proponas interrilatiĝon kun la naciaj organizoj de Liberpensuloj; en Bohemujo ekzistas la landa organizo Volna Myšlenka.

S-ro prezidanto proponas starigi la Esperantistan Societon de Liberpensuloj por propagandi la Liberan Penson inter la Esperantistoj. La sekretario havigu al si la liston de la antaŭmilitaj societanoj, tiun ĉi liston certe ankoraŭ posedas S-ro Deshays aŭ S-ro Dauphin en Parizo. Plej grave estas la eldono de bultenoj, kio ja estas farebla, ĉar la mono parte jam ekzistas.

S-ro D-ro Theilhaber, München, proponas, ke la sciigoj de la Societo estu publikigotaj en faka parto de la gazeto Esperanto.

S-ro Frédéric Croz, Perpignan, proponas interrilaton kun la gazeto Esperanto Triumfonta, kiu aperas ĉiusemajne kaj pro ĝia pliofta apero estus la plej taŭga. Li proponas per alvoko en ĵurnaloj kolekti la nomojn de la interesiĝantaj Liberpensuloj, kiuj poste estu invitotaj al la estonta Kongreso.

S-ro prezidanto elparolas dubon: Ĉu tiuj gazetoj presigos artikolojn propagantajn Liberan Penson, ĉar UEA kaj Esperanto Triumfonta eble rifuzos plimalpli tendencajn artikolojn same kiel politikajn. La celoj de liberpensula movado ja staras; oni devas nur komenci denove; mono ekzistas kaj bonfarantoj troviĝas; kompreneble oni bezonos ankaŭ kotizaĵojn. Antaŭ la milito la kotizaĵo pagita de la Societanoj estis 2 frankoj; li proponas nun 6 frankojn francajn.

S-ro Greenkamp, Jaszlo (Polujo) opinias, ke oni aranĝu la pagon de la kotizaĵoj laŭ la sistemo de UEA aŭ de tiu de la Praha Kongreso. En la debato estis pritraktataj la diferencoj de la diversaj naciaj valutoj (kun interesaj detaloj).

S-ro prezidanto fiksas la proponon jene: La kotizaĵo estu 3 frankoj svisaj aŭ 5 frankoj francaj, transkalkulita en nacia mono laŭ la sistemo de UEA.

La propono estas sen debato akceptata.

S-ro prezidanto citas la bezonon eldoni regularon kaj aldonas, ke S-ro Deshays aŭ S-ro Dauphin ankoraŭ posedas ekzemplerojn de la tiamaj presaĵoj. Li proponas sendi al S-ro Deshays la liston de la partoprenantoj de ĉi tiu kunveno kaj peti lin sendi al ĉiu po 1 ekzemplero de la regularo.

Priparolado de la gazeta afero.

S-ro Greenkamp proponas interrilaton kun UEA, por ke ni ricevu por niaj sciigoj fakan parton en la gazeto Esperanto. Eble oni postulos apartan pagon por la enpresigo de tiuj sciigoj estas necese priparoli tion kun S-ro Privat. Ankaŭ kun S-ro Jung, la eldonanto de Esperanto Triumfonta oni parolu pri tiu ĉi afero.

S-ro prezidanto deziras, ke en la gazetoj ne estu publikigotaj nur sciigoj de la Societo por siaj anoj, sed ankaŭ fakaj artikoloj pri Libera Penso, ĉar tio estas la propagando de Libera Penso inter la Esperantistoj. Sammaniere aŭ simile estu aranĝota la propagando de Esperanto inter la Liberpensuloj.

S-ro Theilhaber konsentas, ke ankaŭ aliaj Esperantistoj ne estantaj Liberpensuloj eksciu pri nia movado.

S-ro prezidanto rekomendas prepari oficialan komunikon pri la okazanta kunveno, kaj serĉi helpantojn laŭ ebleco en ĉiuj landoj. Do, la partoprenantoj traduku la komunikon en sian nacian lingvon kaj publikigu ĝin. La protokolo estu transdonota al S-ino Cense, sekretariino de la XIII-a.

Por la traduko en aliajn lingvojn oni interkonsentas jene: en boheman (ĉeĥan), S-ro Poppe; en francan, F-ino Flourens; en germanan, S-ro Theilhaber; en polan, S-ro Greenkamp; por Belgujo ĝin faros S-ro Schoofs.

La prezidanto parolas pri la iama decido de la Ĝenerala Konsilantaro de la Societo Libera Penso, ke tiu ĉi decidis kontraŭ la akcepto de lingvo Esperanto en la debato, kun la motivigo, ke la enkonduko de Esperanto komplikigos ankoraŭ pli la lingvan demandon.

S-ro Greenkamp proponas, ke la teksto de tiu decido estu tradukota en Esperanto kaj publikigota, kion certe faros la esperantaj gazetoj.

La prezidanto konsentas je tio.

S-ro Greenkamp proponas la elekton de komisiono, kiu preparu la tekston de la alvoko al malnovaj kaj novaj liberpensuloj, kaj sendu ĝin al la estraro de la Societo. Li proponas plie sendi proteston kontraŭ tiu decido de la Ĝenerala Konsilantaro, eble tiel, ke ni klarigas niajn celojn kaj esprimas miron, ke Liberpensuloj povas malakcepti Esperanton; ni postulu, ke tiu ĉi demando denove estu pritraktota.

S-ro prezidanto klarigas, ke citita decido de la Societo ne signifas la kompletan forĵeton de Esperanto. Nia celo kompreneble estas, ke en ĉiuj Kongresoj Esperanto estu allasata kaj uzata same kiel aliaj lingvoj. Oni certe povas kaj devas protesti kontraŭ la preteksto, ke Esperantistoj intencas forigi ĉiujn aliajn lingvojn. La argumentoj, kiujn oni eble povis uzi kontraŭ Esperanto antaŭ 20 jaroj, jam ne taŭgas en 1921.

Fino je ½ 11-a horo.

## TRA LA LIBRARO

Ni raportas pri ĉiuj verkoj kies 2 ekzempleroj estas sendataj al nia Redaktejo.

**La vendreda Klubo.** *11 diversaj originalaj artikoloj verkitaj de la „Vendredoklubanoj" en Leipzig.* Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 116 paĝoj, 15×23½ cm. Prezo: por Germanio M. 7.50, por altvalutaj landoj M. 15.

De Germanio ni ricevas samtempe tri gravajn novajn verkojn, tre malsimilajn laŭ enhavo, sed modelajn ĉiu en sia speco. Ili estas: „La vendreda Klubo", „La Struvelpetro" kaj la „Dokumentoj de Esperanto."

En Junia numero de Germana Esperantisto, unu el la Vendredoklubanoj humore rakontas la devenon, la konsiston kaj la presigon de libro honore dediĉata al la prezidanto de GEA, D^ro A. Steche, kiu de dek jaroj tiom laboris por Esperanto en sia lando. Portreto de l' dediĉito ornamas la libron. En la aludita artikolo, S^ro Bennemann diras, ke la presisto ne entuziasme akceptis la eldonon, ĉar li opinias, ke la Esperantistaro eble aĉetas lernolibrojn, sed ne literaturan aŭ sciencan verkon. Niaj samideanoj montru fakte, ke tiu pesimisto eraras, despli, ke ili povas ricevi por tre malalta prezo unu el la plej legindaj verkoj publikigataj lastatempe.

Pro la diverseco de l' temoj traktitaj, ĉiu leganto trovos ion por si plej interesan. Sciencemulo ŝatos la *Oswald'aj teorioj pri koloroj* (D^ro Emil Stucke); artamanton plezurigos la skizo pri *E. T. A. Hoffmann kiel muzikisto* (Paul Bennemann); pedagogo ĉerpos novajn sciigojn el *Instruo per laboro* (Arthur Degen); turisto enpense vojaĝos al *Insulo Korfu kaj palaco Achilleion* (Paul Wilhelmi); historiiston interesos la *Eraro pri Leibniz kiel mondhelplingvano* (D^ro J. Dieterle, kiu ankaŭ kolektis la 11 artikolojn kaj provizis ilin je antaŭparolo); la homarano studos la rilatojn inter *Esperanto kaj Frey-ligo* (Ernst Frank); la Esperantisto trovos sian plezuron en la artikoloj: *Unuaj jaroj de Esperanto en Leipzig* (Alfred Petzold), *Serioza laboro* (Hermann Rössel), *Saksa-Esperanta-Biblioteko* (Elisabeth Wunderlich). *Pri la Esperanto-movado en Britujo* (Arthur Zealer), kaj, lasta sed ne malplej valora, kiel Angloj diras, *Pri la lingvaj respondoj de Zamenhof* (Walter Lippmann).

Mi citis ĉiujn aŭtorojn, ĉar ĉiu uzas elegantan fluan precizan lingvon, kiun oni legas kun vera ĝuo; la modela stilo honoras tiom la donaciton, kiom la verkintojn.

Krom tute kompreneblaj novaj sciencaj vortoj, oni rimarkos ankaŭ uzon de sufiskoj „end" kaj „oz", la formojn „kelkiam, kelkio, kelkiu", la esprimon „nun ... nun" anstataŭ „jen ... jen". Vortoj „intuo" por „intuicio„ aŭ „intuitivo", „singula" por „singulara" aplikas principon de elekto de plej simpla radiko: „referato", montrata ĝis nun kiel jura esprimo estas uzata en senco de „raporto", prelego.

Iom stranga kaj ne konsilinda en literatura teksto estas enmeto de datoj laŭ tiu ekzemplo: „Naskita 1776 en Königsberg, kiel helpa juristo li trovis oficon 1796 en Grossglogaŭ, 1798 en Berlin, 1800 li fariĝis asesoro en Posen." *G. S.*

**La Struvelpetro.** Beletaj rakontoj kaj komikaj bildoj de *D-ro Heinrich Hoffmann.* Esperanta traduko de *J. D. Applebaum.* Literatura instituto Rütten & Lœning, Frankfurt a. M. Havebla ĉe l' diverslandaj Esperantaj librejoj. Kartona albumo 21×26 cm, 24 koloraj bildoj kun teksto. Prezo M. 18, por altvalutaj landoj 36 M.

Ĉiu samideano patriĝinta aŭ patriĝonta, ĉiu samideanino amanta infanojn, kiu el ili ne estas tia, ĝojos posedi belan albumon, per kiu ili povos samtempe amuzi reĝe geknabetojn kaj ekinstrui al ili nian lingvon. Vere ridigaj estas la multkoloraj bildoj, kaj la teksto ne estas malpli lerte aranĝita en gajigaj son-, ritm- kaj rimplenaj versaĵoj tute taŭgaj je sia celo. Tiu bonega originala albumo estas certe ŝatata de la junularo, por kiu ĝi estas verkita.

Prospekto diras, ke tiu porinfana verko estas en Germanio plej disvastigata libro post la Biblio, kaj ke jam multaj naciaj tradukoj ekzistas. Eĉ plenaĝuloj povos profiti la simplan amuzan Esperantan tekston, tiel bone klarigatan de la bildoj, por ekstudi Esperanton. Lasita sur tablo en ĉiu Esperantista hejmo, ĝi incitos la scivolemon de ĉiu vizitanto kaj tiel diskonigos nian lingvon.

En Germanio, la nomo „Struvelpetro" fariĝis kvazaŭ kromnomo de malbona petolulo; sed eksterlande ĝi ne estas tiel uzata; tial mi estus preferinta por la titolo ne duongermanan sed tute Esperantan esprimon. *G. S.*

**Dokumentoj de Esperanto.** *Informilo pri la historio kaj organizo de la Esperanta movado.* Kunmetita de *D^ro A. Möbusz*, Lübeck. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. 200 paĝoj, 12½×18½ cm. Prezo: M. 20 + 20%.

Jam en Germanio aperis antaŭ pluraj jaroj la „Demandaro" de Ladevèze, kiu celis doni al kandidatoj por ekzamenoj informojn pri historio, literaturo kaj organizo de Esperanta movado. Iom simila, sed pli ampleksa kaj pli nuna, estas la „Dokumentoj". Anstataŭ plenverki ion, D^ro Möbusz eltiris el niaj historiaj libroj, el gazetoj kaj dokumentoj la bezonatajn diversajn partojn de sia volumo; tiel, sen longaj serĉadoj en bibliotekoj aŭ en nehaveblaj presaĵoj, nova Esperantisto trovos kunigata sufiĉan materion por studi nian historion, organizon, la principojn de nia lingvo, la valoron de ĝiaj konkurantoj. Tekstoj de Einstein, Leono Zamenhof, Privat, Zakrzewski, kaj de nia majstro priskribas la diversajn malnovajn projektojn de lingvo internacia kaj la naskiĝon de Esperanto. Poste la elokventaj paroladoj de D^ro Zamenhof ĉe la ok unuaj universalaj kongresoj informos pri la interna ideo de nia movado kaj samtempe servos kiel Esperantaj stilmodeloj. Regularoj, raportoj, nomaroj de Lingva komitato, de Akademio, de Kongresoj universalaj, de la Centra Oficejo en Parizo, Statutoj de UEA, k. t. p. donas klaran ideon pri nia organizo. Fine, la antaŭparolo de la Fundamento, unu ĉapitro de Kotzin pri la Delegacio, kaj komparo inter Esperanto kaj Ido de Haller informas sufiĉe pri la lingvaj demandoj.

Ĉiuj agemaj Esperantistoj deziros posedi tiun kolekton da ofte bezonataj dokumentoj, kaj por novaj samideanoj, ne travivintaj la unuan periodon de Esperanto, ĝi estos necesa informilo. Preskaŭ nebezone estas diri, ke la aŭtoro kaj la eldonisto zorgis, por ke la libro estu laŭ korekteco, prezo, papero kaj bindaĵo ĉiel inda je sia serioza scienca enhavo. *G. S.*

**Fratoj.** *Rakonto. Elin-Pelin.* Tradukis *Georgi Fandikov.* Kolekto Bulgara Bukedo N-ro 2. Mendebla de Centra librejo Esperanto, Sofia (Bulg.), 16 paĝoj, 10×15 cm. Prezo: 8 Sd = 20 ctm?

Multege da broŝuretoj aperas en Esperanta literaturo; malpli da presaĵoj indaj je la nomo libro. Ĉu pro la kostoj de nunaj eldonaĵoj, ĉu pro la malpacienco de ĉiu ĵusa samideano tuj eksentanta nepran necesecon diskonigi sian talenton? Mi konfesas, ke pli plaĉus ricevi veran bukedon ol de tempo al tempo unuopan solan floreton.

„Fratoj" estas tamen impresiga realeca mallonga rakonto kun nedubebla literatura valoro, kaj ĝia bona konciza traduko ankaŭ laŭdon meritas. *G. S.*

**Grammatica e Sintassi** *della lingua internazionale ausiliaria* **Esperanto.** Kompilita dal *Dott. Arturo Ghez.* Trieste, Casa editrice C. U. Trani. 220 paĝoj, 12×17 cm. Prezo: 6 L.

En niaj ĉefaj lingvoj, Franca, Germana, Angla, ni jam posedas plenajn gramatikojn kaj komentariojn, kie ĉiuj detaloj de Esperanto estas amplekse klarigataj. Jen tia verko, ne malpli plena, por Italoj; ĝi kompletigos la lernolibrojn por komencantoj kaj ebligos al ili ĝisfunde studi la lingvon.

La klarigoj estas akompanataj per neordinara abundeco da ekzemploj, tiel ĉiuj eblaj malfacilaĵoj estas solvataj. Kiam eble, estas ĉiam citata la opinio mem de Zamenhof eltirata el la du serioj de Lingvaj respondoj. Tiel riĉenhava, fidinda, la verko de D-ro Ghez permesos al multaj Italaj samideanoj fariĝi spertaj Esperantistoj. Eble por tia libro estus utile disponi pli riĉan literaron; ekzemple la Esperantaj frazoj estas presitaj per kursivaj literoj, sed ankaŭ itallingvaj ĉefvortoj estas same distingitaj. Same estus pli bone se gramatikaj reguloj, iliaj klarigoj, citaĵoj, frazoj ekzemplaj kaj iliaj tradukoj estus

prese diferencigataj. Kredeble neforigeblaj malhelpaĵoj tion ne permesis kaj kompreneble tiu rimarko koncernas nur la eksteraĵon kaj ne tuŝas la internan valoron de tute rekomendinda libro. *G. S.*

**Svensk-Esperantisk Ordbok.** (Sveda-Esperanta vortaro) av. *G. H. Backman.* Eldonita de Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm 1. 214 paĝoj, 12½ × 18 cm. Prezo: broŝurita: 5 K, kartonita: 6 K.

Jen ampleksa nova verko, unu el la plej kompletaj naciaj vortaroj; maldike presita, dukolone, ĝi estas multenhava libro, kiu certe tre utilos al svedaj Esperantistoj. Ne povante juĝi la svedlingvan vortliston, mi almenaŭ rimarkigos la riĉecon kaj taŭgecon de l'Esperanta parto; ne nur multnombraj vortoj sed ankaŭ kunmetaĵoj, parolturnoj, esprimoj kaj proverboj estis envicigataj. Tiu vorttrezoro estas fundamenta kaj konforma al la tradicioj de nia lingvo. Pri la landnoma demando aludas la antaŭparolo, kaj ambaŭ formoj kun „ujo" kaj „io" estas montrataj.

Nur unu eksteraĵa afero ŝajnas malbona. Mi komprenas, ke post vortradiko oni samparagrafe listigu ĉiujn kunmetaĵojn; ekzemple tia aranĝo estas bona:

*pansar,* kiraso; — *flotta,* kirasŝipo; — *klädd,* kirasita, k. t. p. ĝis — *skjorta,* maŝkiraso, fermaŝa tuniko.

Sed se oni tiel ordigas vortojn, nur ĉar iliaj unuaj literoj samaj estas, kvankam ne parencaj, tio estas nelogika kaj ankaŭ ne praktike pravigebla; ekzemple mi ne presigus tiun duan eltiraĵon de sama paĝo:

*par*‖*lör,* interparola gvidlibro; — *nass,* parnaso; — *ning,* pariĝo gekuniĝo; — *odi,* parodio; — *oll,* signalvorto; *oxysm,* paroksismo.

Eble oni tiel malperdas spacon, sed oni malfaciligas vortserĉadon. *G. S.*

**Monna Liza.** *N. V. Nekrasov.* Poemo. Tradukis el la rusa lingvo *Mikaelo Gerasimov.* Eldono de Ĥersona Societo Esperantista. 12 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo ne montrita.

Interne de l'kovrilo: „La Internacionalo" kaj „La Espero". La verko mem: 62 strofoj po 4 naŭsilabaj versoj. Papero nebona.

Unu amiko mia asertas, ke veran poezion oni ekkonas laŭ tio, ke ĝi malgraŭ ĉia klopodo restas nekomprenebla. Tiun kriterion akceptinte, oni trovos Monna Liza, ĉefverko. Se ĉiu vorto aparta havas sencon, la strofoj, la ĝenerala temo kaj celo estas tute ne diveneblaj. Ĉu pro la traduko? Ĉu pli kredeble, ĉar la originalo apartenas al speco, en ĉiuj lingvoj troveblaj, kiun oni devas rezigni traduki, ĉar tio estas neeblaĵo? *G. S.*

**Perloj el la Oriento.** *K. Ossaka.* Tradukoj el Japanaj kaj Ĥinaj klasikoj verkoj. Japana Biblioteko Esperanta, Serio II, N-ro 1. Eldonejo Nippon-Esperanta-Sya, Tokio, Kanda-ku, Omotesarugakutyô 2. 40 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo afrankite: Y. 0.50.

Tiu libreto elvekos la intereson de Eŭropanoj, kiuj malofte havas okazon intime konatiĝi kun fororienta literaturo. Eltiraĵoj el antikva historio, legendoj, poemoj (tiuj tridek silabaj odoj, plej ĝenerala formo de japana poezio), filozofaĵoj formas tiun kolekton. Kelkloke estas esprimoj ne tuj klaraj; sed entute la tekstoj estas kompreneblaj kaj donas ideon pri malnovaj tute fremdaj klasikaĵoj.

Jen specimene, japana poemeto:

„Longa ja estas, sufiĉe kreskinta,
Kial ne havi jam ĝin kunplektita?"
„Ho ne! nur lasu ĝin hirte falinta!
Ĝi, harar', tiel de vi karesita..."
Filino de Sonohu-no-Omi Ikuha.

Kaj jen komenco de ĥina prozaĵo verkita ĉirkaŭ 750:

„Malnova kampo de batalo.

„For, for, stepa ebenaĵo senlima... Neniu homa figuro videbla... rivero serpentumas, montaro sin kaŭrigas. Ĉio melankolia, ĉio korpremanta. Plorĝemas la vento, nebulas la suno. Artemizioj ŝiritaj, herbaĉoj mortintaj. Pikas kvazaŭ en frosta mateno! Birdoj ne revenas forflugintaj, bestoj malaperas forkurintaj.

La mastro de l' gastejo al mi diris: Tio estas malnova kampo de batalo. Jam pereis armeoj da soldatoj. Ofte aŭdiĝas demonaj ĝemoj se mallumiĝas la ĉielo.

„Ha, korŝira vido premeganta!... Li-Hua."
*G. S.*

**Melodioj de l' nokto.** *Juliusz Kriss.* Krakow 1914. Popola presejo, Str. Dunajewskiego 5. 32 paĝoj, 13 × 18 cm. Prezo ne montrita.

Nova poeto en Esperantujo! Li donacas al ni dudekon da poezioj, kiuj formas unu el la plej ŝatindaj tiaj kolektoj. Tro ofte ni legas versaĵojn nepre pruvantajn, ke ilia aŭtoro havas nek poetan senton, nek sufiĉan lingvan konon. S-ro Kriss evidente posedas ambaŭ kapablojn. Poezio estu sendifekta, aŭ ĝi malestu! La perfektaj jenaj diversaj pecoj, originalaĵoj aŭ imitaĵoj, estis ame verkitaj, estos ame legataj. Plie la broŝuro estas bele, guste presita. Pli bone ol laŭdo estos cito de la du plej mallongaj poemoj.

*Betuloj*

Ekploretis de betuloj rusta foliar'...
Plendo fluis malproksimen al malluma mar'...
Ekdemandis maro: — Kial ploras, arboj, vi?
Mankas al vi pluvo bena, ĉu la sun-radi'?
— Ni ne ploras pro sekeco, nek pro suna mank',
Nur. ĉar teron nian patran saturigas sang'.
Laŭ Kaz. Przerwa Tetmajer.

*Parolu plue...*

Parolu plue... Pri parolo tia
Mi longe revis. Ĉiu vorto via
Kaŭzas, ke koro mia tremas ĝue...
Parolu plue!...

Parolu plue... Nin ne aŭdas homoj.
La vortoj viaj — kiel flor' aromoj —
Min ebriigas ĉarme, dolĉe, ĝue...
Parolu plue!... Laŭ la sama.

*G. S.*

**Ŝipopereo** (Poemo) kaj *La Iluzio kaj la Tempo* de *Rafael de San Millan.* Eldonejo J. Mangada Rosenörn, Jaca (Prov. Huesca), Hispanio. 16 paĝoj, 10½ × 15 cm. Ricevebla kontraŭ unu respondkupono.

Ŝipopereo estas Esperanta originalaĵo sub formo de poemo konsistanta el kvindek strofoj kvinversaj; verso havas po dek-unu silaboj, rimoj estas bonaj. La tuto priskribas flaman amon de junulo, kiu, vojaĝinte Eŭropon, dum reiro retrovas la amegatan fianĉinon ĝuste, kiam ŝi dronas post terura ŝipkatastrofo. Ĉu estus pli bone verki tian romanecan aventuron verse aŭ proze, tio estas diskutebla. Sed se oni akceptas la unuan formon, oni ankaŭ konfesos, ke la aŭtoro de Ŝipopereo lertege plenumis malfacilan taskon. Saman juĝon meritas la dua alegoria poezio pri Iluzio kaj Tempo. *G. S.*

**Ferdinando VIa kaj Farinelli.** Historia novelo de *Julio Mangada Rosenörn.* 48 paĝoj, 10½ × 15 cm. Havebla ĉe la aŭtoro: en Jaca (Provinco Huesca), Hispanio.

Samideanoj legos kun neduba intereso en tiu historia rakonto, kiel juna lerta artisto savas sian reĝon, reĝinon kaj eĉ regnon minacatajn de senĝenaj profitamaj konspirantoj. La novelo estas vigle skribita, kun ĉiam novaj okazaĵoj; ĝia stilo flua kaj korekta konvenas al la temo. Entute tiu nova originala verketo en nia lingvo kontentigas ĉiujn postulojn por tia historia romaneto.

Tiu broŝuro, kiel la antaŭa, estas aldonaĵoj al la gazeto „Hispana Esperantisto", kies abonantoj ilin senpage ricevas. Tiu kolekto estas daŭrigota. Ĝi ankaŭ estos ŝatata. *G. S.*

---

*New York City.* — Estas ĵus fondita nova Asocio E. S. K. O. (Esperanta Serva Korporacio) por utiligi Esperanton pro nuraj komercaj celoj, donante komercajn informojn pri Nord Amerikaj firmoj, vigle propagandante Esp. kaj farante kursojn en tiaj medioj.

La afero estas starigita sur serioza financa fondo. Ĉiuj povas akiri akciojn de la E. S. K. O.

La Prezidanto estas S-ro J. J. Sussmuth, L. K.-ano.

Ĉe la sidejo (500, Fith Avenue, New York City) oni povas ricevi ĉiujn informojn koncernante Esperanton kaj ankaŭ Esp. librojn.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* — Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. svisaj.* — Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj.* — Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)* — Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10 % da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas uzi la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA kunveninta en Praha elektis kiel anstataŭanton de D-ro Mees, eksiĝinta

*S-ron Henri Petiau*, Del. de UEA en *Gent-Gand*,

kiu akceptis tiun taskon.

**Honoraj Membroj.** — La Komitato de UEA en ĝia kunveno dum la 7a Kongreso proponis, kaj la Kongreso unuanime akceptis la elekton kiel honoraj membroj de la Asocio: S-inon *Klara Zamenhof*, vidvino de nia Majstro; S-ron *A. Carles*, Béziers, S-ron *Paul Blaise*, London, S-ron *F. Rockmann*, Magdeburg, pro iliaj grandaj servoj al UEA dum pli ol dekjara komitataneco.

**Jarlibro 1921.** — Ni informas, ke la Jarlibro 1921 estas forsendita al ĉiuj membroj dum la fino de julio ĝis meze de aŭgusto. Personoj nericevintaj ĝin bonvolu komuniki tion al la Centra Oficejo.

Pro teknika malatento en la presejo ne aperis inter la geoficistoj de nia Oficejo la nomo de nia fidela kunlaborantino S-ino Umanski. Plie la paĝoj 112—115 estas malĝuste metitaj. Oni bonvolu tion korekti; atentigoj pri eblaj aliaj eraroj estas danke akceptotaj.

**Garantia Kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 1500 |
| 6. S-ro Tom A. Allan, Montreal . . . . . . . . . . | 300 |
| | 1800 |

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj partoj po 100 Fr. Ĉiu akirinto de atesto de la Garantia Kapitalo fariĝas Dumviva Membro de UEA, sekve bezonas pagi nenion plu por la kotizo aŭ la abono al la gazeto, kiaj ajn estos la prezoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

**Enkasigo de kotizoj.** — La personoj, kiuj ĝis nun ne repagis la kotizon en Ĉeĥoslovakio, Finnlando kaj Italio estas informataj, ke ni komisiis en:

*Ĉeĥoslovakio:* S-ron R. Hromada, komitatano de UEA, Sochar-ska 333, Praha VII;
*Finnlando*: Esp. Oficejo Finnlanda, Kasarminkatu 20, Helsinki;
*Italio:* S-ron A. Tellini, komitatano de UEA, 7, Via dei Gombruti, Bologna;

enkasigi la kotizon por 1921. Al la membroj en Britlando ni sendis informon, petante repagon, ĉar poŝta repagigo ne estas ebla. Izolaj membroj povas realiĝi ĉu senpere ĉu al la Centra Oficejo, ĉu per la Sekretario en Londono, S-ro H. A. Epton, 17, Hart street W C 1.

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum junio 1921: Ricevitaj: 767. — Forsenditaj: 1657. — Tuta sumo: 2424. (Antaŭa monato: 2092).

**Subtenantaj membroj.**

*Oka listo:*

72. S-ro Kust Jokinen, Hancock (U. S. A., Mich.). — 73. S-ro Stanislaw Drewski, Lodz (Pollando). — 74. S-ro Wladyslaw Drymer, Lodz. — 75. S-ro Leon Stolarczyk, Lodz. — 76. S-ro Stanislaw Braun, Lodz. — 77. S-ro R. Meczzynski, Lodz. — 78. S-ro W. Pfeiffer, Lodz. — 79. S-ro St. Rymkywicz, Lodz. — 80. S-ro T. Wislawski, Lodz. — 81. S-ro K. Mikolajczyk, Lodz. — 82. S-ro Edv. Wiesenfeld, Warszawa. — 83. S-ro B. Weinthal, Warszawa. — 84. S-ro D-ro V. Robin, Warszawa.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Ajaccio* (Francio, Korsiko). — D.: S-ro Henri Faure, librotenisto, 53, Cours Napoléon.
*Baugé* (Francio, Maine-et-Loire). — D.: S-ro Albert Robin, instruisto.
*Beroun* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Antonin Raž, instruisto, II. 197.
*Blairsville* (Usono, Penna). — D.: S-ro Robert S. Woolf, oficejestro, P. O. Box 103.
*Boston* (Usono, Mass.). — D.: S-ro G. W. Lee, bibliotekisto, 147, Milk St.
*Camden* (Usono, New Jersey). — D.: S-ro Lemuel S. Ware, kontisto, 1517, Wild wood avenue.
*Causeni-Noi* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro Leib Contarji, librotenisto, strada General Vernescu 29.
*Dordrecht* (Nederlando, Zuid-Holland). — D.: S-ro H. van Beek, fervojisto, Leliestraat 7.
*Idaho Springs* (Usono, Colorado). — D.: S-ro D-ro James Underhill, inĝeniero.
*Kaŝlite* (Bulgario, Gabrovo). — D.: S-ro Varĉo Jovĉev, laboristo.
*Lexington* (Usono, Kentucky). — D.: S-ro A. E. Haynes, komercvojaĝisto, 407, Maple Ave.
*Mezöhegyes* (Hungario). — D.: S-ro Andreas Benkö, instruisto.
*Mühldorf* a. Inn (Germanio, Oberbayern). — D.: S-ro Karl Doerfler, Hauptstr. 62/II.
*Mulhouse* (Francio, Elsazo). — D.: S-ro Paul Schneider, komercisto, 15, rue du Sauvage. — VD.: S-ino Marie Feuerbach, 61, fg. de Colmar.
*Novogrodek* (Polio). — D.: S-ro Roman Sakowicz, juristo, Sad. Okregowy.
*Pordim* (Bulgario, Pleven). — D.: S-ro Michail Nikoloff, libristo.
*Ronafö* (Hungario). — D.: S-ro Augusto Halacs, ekonomia inspektoro, Ronafö-Mason.
*Rorbas-Freienstein* (Svisio). — D.: S-ro Hans Landert, kasisto.
*Ružomberok* (Ĉeĥoslovak.). — D.: S-ro Karel Jelinek, Slovenska banka.
*Schandau-Bad* (Germanio, Saksio). — D.: S-ro J. Hieke, komercisto, Zaukenstr. 134.
*Tighina* (Rumanio, Bessarabio). — D.: S-ro Ivan Kuĉerenko, lernanto, L. Tolstoj 50. — VD.: S-ro Lew Soltaŝchi, lernanto, Regina Maria 6.
*Ujhartyan* (Hungario, Pest megye). — D.: S-ro Rafael Bartal, rom. kat. pastro.
*Verdun* (Francio, Meuse). — D.: S-ro Maurice Lefevbre, desegnisto, 2, ancienne route d'Etain.
*Vladivostok* (Siberio). — D.: S-ro Rajnold Vonago, notario. — VD.: S-ro Semen Averkief, studento, Universitato Puŝkinskaja.
*Vordernberg* (Aŭstrio, Stirio). — D.: S-ro Rudolf Lidl, librotenisto. Ŝanĝoj.
*Oviedo* (Hispanio, Asturias). — VD.: S-ro A. Rico Avello, advokato, Santa Cruz 8—4.

*Palma de Mallorca* (Hispanio, Baleares). — D.: S-ro Miguel Ribas de Pina, artileria komandanto. — VD.: S-ro Juan Barcelo, infanteria leŭtenanto.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: Tighina = Bender; Mulhouse = Mülhausen.

La supraj elektoj fariĝas valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Bassein* (Hindio); *Blaricum* (Nederlando); *Oppeln* (Silezio); *Šiauliai* (Litovio); *Tchangsintien* (Ĉinio).

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de niaj delegitoj.*

.·. La partoprenintoj (38 el 6 diversaj landoj) kaj la organizintoj de la Karavano de UEA Lyon-Praha-Lyon esprimas siajn korajn dankojn al: F-ino Dlouha VD (Praha), S-ro Gervois (Paris), S-ro Jakob, ĝen. sekr. (Genève), S-ro Steinhauer VD (Wien), S-ro Stettler, prez. (Bern), S-ro Tressel D (München), S-ino Farges, dir. de E. O., S-ro Thévenet (Lyon), S-ro Halter D, S-ino Jakob, kasistino, S-ro Humbel, oficisto (Genève), S-ro Bolliger D (Bern), S-ro Hirzel D, S-ro E. Müller VD, S-ro Egli (Zürich), S-ro Eisenring D (Buchs), S-ro Bederlunger D, F-ino Bauer (Innsbruck), S-ro Pezlederer D, S-ro Huber (Salzburg), S-ro Mayerhauser D (Reichenhall), S-ro Rehak (Kopidlno), S-ro Kašparek (Praha), S-ro Orthal D, S-ro Ledermann VD, S-ro Pilhofer (Nürnberg), S-ro Férez D, S-ro Bastien (Strasbourg), kiuj ĉu per informoj kaj konsiloj, ĉu per klopodoj kaj konduko plej sindoneme helpis la preparon kaj la efektivigon de l'vojaĝo. *M. G. kaj L. P.*

.·. S-ro *Alfred Egg*, Del. en Wettingen, dankas S-ron Emil Müller, Del. en Zürich, pro jam multfoje afable plenumitaj servoj.

.·. S-ro *D. F. Romein*, Drumpt a. Tiel (Nederlando), Villa Esperanto, tutkore dankas al S-ro M. Ga en Tokio (Japanujo), por de li donitaj klarigoj pri surskriboj ĥinaj, kaj S-ino L. Blicher, Del. de UEA en Kjöbenhavn (Danio), pro afable plenumita peto.

.·. S-ro *R. Richez*, en Genève, tutkore dankas S-rojn A. Ploussu, Del. en Grenoble, kaj L. Poncet, Del. en Lyon, pro tre kompletaj kaj rapide donitaj informoj turismaj.

.·. S-ro *Giov. Ragusin*, el Trieste, nuntempe sur ŝipo „Leopolis" (Lloyd Triestino) dankas la tutan Konstantinoplan samideanaron precipe D-ron Anakreon Stamatiadis kaj S-ron V. O. Zielinski pro ilia afabla gastemo, okaze de ekskurso al Bejkas Parko sur la Bosforo.

.·. S-ro *H. Moy Thomas* dankas al Leipzigaj samideanoj, kiuj renkontis okon de ni Londonanoj (alirante Praha) ĉe la stacidomo kaj perforte forprenis niajn pezajn valizojn kaj portis ilin mem al nia hotelo, kaj la delegiton mem, kiu prizorgis la loĝadon en Leipzig kaj dediĉis al ni multhorojn dum nia aĉetvagado en la urbo.

.·. D-ro *Sós*, ĉefdel. en Wien, koregе dankas al la Del. P. J. Bondix, Amsterdam, R. Bolliger, Bern, kaj F. Parker, Rotterdam, por afable kaj akurate plenumitaj servoj.

.·. S-ro *Jakob Schumm*, komerca oficisto, Schweinfurt (Germanujo), dankas S-ron George F. H. Clark, profesoro, Del. en Wynberg, Cape-Town (Sud-Afriko), pro plenumita elmigrada servo.

.·. S-ro *O. Haller* en Rorschach dankas kore al la Del. en München, Leipzig, Dresden kaj Stuttgart pri klopodoj faritaj.

.·. S-ro *A. Spire* en Uzhorod dankas al S-roj Klinger en Dečin, Poppe en Pardubice, Lebek en Plzen, Nemec en Karlovy-Vary kaj Kudela en Olomouc; ĉar ili bonvolis sendi statutprojektojn de biciklistaj societoj en iliaj urboj kaj tiel pruvi la uzeblecon de Esperanto ankaŭ en la sportaj rondoj diverslingvaj.

.·. S-ino *Nadejda Umanski* en Genève dankas sincere S-ron L. Poncet pro la bone aranĝita karavano, al kiu ŝi partoprenis revenante el Praha.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *F. Mathieux*, Del. en Uccle (Belgio), naskiĝis filineto Madeleine.

Al Ges-roj *H. Huusmann* en Tallinn (Estonio), naskiĝis filo nomita Virgo.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Max F. Schafroth*, Del. en Burgdorf (Svislando) kun F-ino *Lydia Oberholzer* en Torino.

S-ro *Ernesto E. Guerra*, Del. en Tampico (Meksiko), kun F-ino *Mathilde Jaquel*, Esp-istino en Mulhouse (Francio).

S-ro *Augustin Duran*, membro de UEA, en Jerez de la Frontera (Hispanio) kun Esp-istino *Anna Caro Rendon*.

**Edziĝoj.** — S-ino *Renée Béchard-Leschaud* kun S-ro *Nicolas F. Nicolaïew* en Genève.

S-ro *Ch. H. Gibbons*, Boone, Iowa, kun F-ino *Ella C. Sievers* en Milwaukee, Mis.

**Distingo.** — S-ro Ivan H. Krestanoff estas nomita membro de la Societo de la Bulgaraj Verkistoj kaj Publicistoj en Sofia.

# Esperantista Literatura Asocio

*Septembra raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Pasis dek jaroj de la fondiĝo de nia asocio. Ĝi fondiĝis 1911 en Antverpeno dum la Sepa Kongreso. Ĝia nomo komence estis: Unuiĝo de Esperantistaj Verkistoj; sed la vegetaranoj havis la samajn komencliterojn, tial la sekvantan jaron (1912) en Krakovo ni akceptis la nomon: Esperantista Literatura Asocio. La nomo ŝanĝiĝis; sed la celo restis la sama: Helpado je la apero de senriproĉaj libroj. Pri nia organizo legu, ni petas, en la Oficiala jarlibro de U E A (1921) paĝ. 27 a sub „Fakaj societoj".

Dum la tri unuaj jaroj de nia ekzistado ni efike kaj bonsukcese laboris, bonaj libroj aperis, kaj la Oficiala Gazeto (Paris) enhavis ampleksajn „Bultenojn." Dum la milito ni ne povis internacie labori, pene ni ekzistadis, publikigante mallongajn raportojn en Germ. Esp. De januaro 1920 niaj „Raportoj" aperas en la gazeto Esperanto, ni denove laboras laŭ nia programo.

Aperos nova versaĵaro sub la titolo: „Ŝanĝema koro de poeto" de Georgo Deŝkin. La poemoj estas originalaj kaj ricevis la aprobon de E. L. A. Nia kolego Deŝkin esprimas peton: li jam ne posedas eĉ unu ekzempleron de sia unua libro: „Versaĵoj". Kiu afable donace al li sendus ĉi tiun libreton? Li estus tre danka. Lia adreso estas: Moskvo B, Dsnitzovska 12, Moskva Societo Esperanto.

Parolante pri versaĵoj ni citu denove la belan kolekton „Unuaj Agordoj" de Viktor Elski kaj Elska. Ĝi efike kaj klare montras la belsonecon de nia harmonia, melodia lingvo kaj la delikatan animsenton de la talentaj aŭtoroj.

S-ro H. N. Bulthuis sciigas nin, ke lia originala romano: „Idoj de Orfeo," kontrolita de E. L. A. baldaŭ aperos ĉe Ellersiek (Berlin), 2000 ekz. estas presotaj.

Ges. Isbrücker kaj kunlaboranto estas tradukantaj el holanda lingvo tre faman romanon „Akbar" de Van Limburg Brouwer. Tre praktike estos, se ankaŭ ili aperigos la libron en Germanujo. Nur tiam ankaŭ germanoj povos aĉeti ĝin.

Dediĉita al nia fervora kolegino Roksano aperis „Esperanto-Krestomatio" de Instruisto Taubmann, (redaktoro de „La Marto".) La libro estas tre rekomendinda kiel unua legolibro.

Du bonajn libretojn aperigis nia samideano Paŭlo Balkanyi: „Ses Noveloj" kaj „Bonhumoraj Rakontoj el Hungara Literaturo". Ambaŭ libroj enhavas nur ĉefverkojn. Neniu miru pri la strangaĵo, tia kelkfoje estas la karaktero de mondfama verkisto.

Paul Christaller dediĉis al la amata vidvino de nia kara majstro tre valoran por la tuta mondo libron: Esperanto, la gramatiko de D-ro Zamenhof kun komentario. Tiu ĉi dulingva libro estos baldaŭ necesega por ĉiu serioza studanto de nia lingvo.

La plej valora el ĉiuj imageblaj libroj sen ia dubo estas „Vivo de Zamenhof" de Edmond Privat. Kiu pri tiu homo, „tro granda por lia epoko," pli trafe povus skribi ol lia juna adoranto? Ĉe ĉiu ofte iom neatendita vorto ni sentas la korbaton de la skribinto, ni devas reteni la larmojn. Sed ni plenumu nian taskon, ni komprenu la majstron, ni sekvu lin.

S-ro Karl Minor pretigis tradukon de „La Karavano" (Hauff). Bedaŭrinde li nur poste per E. L. A. eksciis, ke traduko jam ekzistas. (De J. W. Eggleton.) Li nun estas ellaboranta: *a)* Deutsche Redensarten in Esperanto (Germana Esprimaro) laŭ la Proverbaro Esperanta de L. L. Zamenhof. *a)* 400 Zamenhofaĵoj kun modelaj frazoj kaj tradukoj germanen, sinsekvigitaj laŭ la germanaj esprimoj.

Novaj anoj: S-ro Karl Minor, Hamburg, Treskowstr. 32. S-ro Bruno Suendermann, Bodenbach, Ĉeĥoslovakio, Schmelze 207. S-ro Hans Klinger, Tetschen, Ĉeĥoslovakio, Kirchgasse 463. J. R. G. Isbruecker, Haag, Holando, Beverningkstr. 10.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr 18.

# Niaj Mortintoj



## Antoni Grabowski

Jen denove malĝoja perdo por la Esperanta movado. Samideano Antoni Grabowski, inĝeniero, mortis 63-jara la 3 julio. Li estis la plej fama kaj ŝatata literaturisto de nia Akademio. Lia „Parnaso de Popoloj" kaj lia lasta traduko „S-ro Tadeo", pola epopeo, estas en la manoj de ĉiuj Esperantistoj. Li plie tradukis aŭ verkis „Ŝi la Tria", „Mazepa", „Halka", „Peko de l'Infaneco", „La Juĝo de Osiris", „Libroj de profetoj", „Kio okazis foje en Sidono", „Malgranda kaj Granda vortaro por Poloj", „Consilium Facultatis", „La Tagiĝo".

Plej malnova Esperanta aŭtoro kaj amiko longjara de Zamenhof li estis longatempe Prezidanto de Pola Esperanta Societo kaj direktoro de Gramatika Fako ĉe l' Akademio.

Li tre suferis je la koro kaj mortis subite sur la strato, kiam li rigardis la Esperantaĵojn de la Esperanta Oficejo nove starigita en Warszawa.

Li vivis per Esperanto kaj mortis kun Esperanto.

La Varsovia samideanaro funebras la perdon de plej ŝatata eminentulo, kies malaperon kaŭzos plej grandan bedaŭron en la tuta Esperantistaro. Ĉe la enterigo parolis Leo Belmont, Leo Zamenhof, D-ro Czubrinski, Litauer, O. Bermann. *A. O.*

*Super la tombo de A. Grabowski*

La Postmondana grupo de Esperantistoj ĉiam pligrandiĝas ... Foriras de ni tiuj, kies vivo surtera necesa por ni estas. Kaj jen kun ili elkorpiĝis vi, Sinjor' Antoni! ... Ĉe la sankta Pordego de la Pacmondo atendas vin, spiritiĝintan — nobla societo ...

Portu de ni tien nian varmegan preĝon, kiu estu la atesto absolva sur la juĝo Supera ...

Dum via nobla Spirito ĝuos la eternecon, korpo restu trankvile en tero, kiu por vi malpeza estu! *Feliks Zamenhof.*

Al tiuj noblaj vortoj de la frato de nia Majstro ni aldonas la esprimon de nia respekta simpatio al la familio Grabowski.

## Al memoro de amiko Antoni Grabovski

*† 4 Julio 1921*

Liro nia, Esperanta,
Miro nia, dolĉe-kanta,
Najtingale-sonorila,
Por la tuta mond' flugila.

Moviĝebla, fleksiĝebla,
Al la ĉiu penso ebla,
Jen ridema, jen plorema,
Al la ĉiu penso ema.

Kiel ŝajnas Vi malriĉa,
Senparola, nesufiĉa,
Por funebran kanton soni
Pri la morto de Antoni ...

Por ekplori kun pasio
Post Grabovski Antonio,
Kiu kun la kor'-agordo'
Ludis „sur la unu kordo"! ...

El Parnaso ĉiujn florojn
Bonodorojn kaj kolorojn
Li elektis kai kolektis
Kaj por nia lir' perfektis.

Nun post vivo plenlabora
La kantisto dormis kora
Senparola kaj silenta
Al la nia vok' malsenta ...

Liro per li riĉigita,
Instruita, milkordita,
Orfanita tiel june —
Sen hered' silentas nune! ... *L. Belmont.*

## Al la traduko de „Sinjor' Tadeo"

de **A. Grabovski**

Certigis Greka skeptikulo:
„Neebla estas la movado!" —
Ekstaris iu kaj silenta
Maljesis simple per irado!

Mond' diris: „Verso Esperanto
Neebla estas rid'-ideo!"
Ekstaris iu kaj genia
Respondis per „Sinjor' Tadeo"!
*Leo Belmont.*

* * *

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**S-ro Otto Amon,** fervora propagandisto, mortis en Cluj (Rumanio). Li estis la unua pioniro en Transilvanio. Li ĉeestis ĉiujn universalajn kongresojn krom la lasta, malhelpita de la malsano.

**Voldemar Aro,** unu el la plej fervoraj Esp-istoj en Tallinn (Estonio), mortis pro ftizo la 24 junio, atingite la aĝon de nur 29 jaroj. Li estis prezidanto de la grupo de Reval kiam en 1913 la rusa registaro ĝin malfondigis. De 1917 li ree sin okupis pri la movado kaj organizis kursojn malgraŭ lia turmentiga malsano.

**Efraim Jansson** mortis 39-jara en Hallstahammar (Svedlando). Li estis fervora Esperantisto kaj vera internaciisto.

**S-ro V. Litevka,** Del. en Ŝiauliai (Litovio), mortis la 4 aŭgusto. Liaj lastaj deziroj estis: „Sukceson al Esperanto, saluton al Medem kaj Maĉernis".

**David Maynar,** filo de nia Del. en Zaragoza, mortis post kelkmonata malsano. Li efike laboris je la sukceso de la dua kongreso de Esp-istoj de Iberiaj landoj, kiun li bedaŭrinde ne povis vidi. Li estis nur 18-jara.

**Paul Parrikas** jam en 1920 mortis en Caricin pro tifo. Li estis fervora pioniro en Tarto (Estonio).

**S-ino J. Rhodes,** en Keighley, vidvino de la konata angla pioniro, mortis la 27 julio. Ŝi multe helpis sian edzon kaj ĉeestis kun li preskaŭ ĉiujn internaciajn kongresojn.

**Joh. Röder,** en Werden, fervora ano de la Germana Laborista Esperanta Asocio mortis pro apopleksio.

**F-ino Natalia von Schenck** mortis en Los Arcos (Meksiko) 81-jara. Ŝi multe propagandis Esperanton kaj eldonis Esperantajn legaĵojn en sistemo Braille por la blinduloj.

Ni bedaŭre eksciis la morton de **Anna Maria Reni,** trijara filineto de nia Del. en S. Bonifacio (Italio).




Gvidanto:
*Fr. Hájek,* Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 14**
*K. Traxler,* Dub.
(Nár. Politika 1920.)



Eklúdante, Blanko matos per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 15**
*W. B. Rice.*
(Good Comp. 1914.)



Eklúdante, Blanko matos per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 12. 1. K d 6 – e 7.
N-ro 13. 1. T c 1 – c 4, b 5 × c 4. 2. T e 8 × h 8 k. t. p.
T h 8 × e 8. 2. T c 4 – f 4 + k. t. p.

*Jenaj samideanoj ĝuste solvis: Probl. N-ro 7,* M. Esteban, Madrid (Hisp.); *Probl. 7, 8, 9,* K. Karlsson, Sigtuna (Sved.); J. Döllinger, Warnsdorf (Ĉeĥ.). *Probl. N-ro 8, 9, 10, 11,* P. Humberset, Le Locle (Svis.); Fr. Engelmann, Timisoara (Ruman.); T. Mizera kaj J. Beller, Ĉ. Budějovice, W. Chmellarz, Teplitz-Sch.; Fr. Mayer jun., Goldenöls (Ĉeĥ.); R. Koerselman, Voorst (Nederl.); H. T. Bailey, London; S. Deakin kaj Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.). — S-ro Radó Béla, Lučenec (Ĉeĥ.) bonvolu ankoraŭ kontroli la solvon.

**Neregula komenciĝo,** ludita en Wien, majo 1895.

Blanko: *B. Fleissig* Nigro: *K. Schlechter*

| | | |
|---|---|---|
| 1. | b 2 — b 4 | e 7 — e 6 |
| 2. | K c 1 — b 2 | Ĉ g 8 — f 6 |
| 3. | a 2 — a 3 | c 7 — c 5 |
| 4. | b 4 — b 5 | d 7 — d 5 |
| 5. | d 2 — d 4 | D d 8 — a 5 + |
| 6. | Ĉ b 1 — c 3 | Ĉ f 6 — e 4 |
| 7. | D d 1 — d 3 | c 5 × d 4 |
| 8. | D d 3 × d 4 | K f 8 — c 5 |

Komenco de mirinde bela oferkombinaĵo.

| | | |
|---|---|---|
| 9. | D d 4 × g 7 | K c 5 × f 2 + |
| 10. | R e 1 — d 1 | d 5 — d 4 ! |
| 11. | D g 7 × h 8 + | R e 8 — e 7 |
| 12. | D h 8 × c 8 | d 4 × c 3 |
| 13. | K b 2 — c 1 | |

Vidu la sekvantan bildon.



| | | |
|---|---|---|
| 13. | | Ĉ b 8 — f 7 ! |

Nigro devigas la blankan Damon foriri de c 8, por sendanĝerigi la gravan peonon c 3.

| | | |
|---|---|---|
| 14. | D c 8 × a 8 | D a 5 × b 5 |
| 15. | K c 1 — f 4 | D b 5 — d 5 + |
| 16. | R d 1 — c 1 | K f 2 — e 3 + !! |
| 17. | K f 4 × e 3 | Ĉ e 4 — f 2 ! |

Blanko kapitulacias, ĉar post 18 K e 3 × f 2, sekvas D d 5 — d 2 +, 19 R c 1 — b 1, D d 2 — d 1 +, 20 R b 1 — a 2, D d 1 × c 2 mato.

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15 de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 7.50 Kr.; *Belgio* 1.20 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 3 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 2.70 Kr.; *Finnlando* 1.80 F. M.; *Francio* 1.20 Fr.; *Germanio* 2.40 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 5.50 Kr.; *Italio* 1.55 L.: *Jugoslavio* 4 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 7.50 M.; *Skandinavio* 0.75 Öre; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.30 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro J. Kolnhofer, 13/4 Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. gaz. (vendas kaj interŝ., postulu prezaron, vidu rubrikon „Petoj kaj Proponoj").

### Britlando

**Glasgow.** — S-ro Struthers, 14, Church Street, PI (belegajn vidaĵojn), k. ĉ. l.
**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. Daglish (17-jara), 34, Grey Street, PI, L.
**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. Buchanan (17-jara), 9, Sunningdale Ave., PI, bfl, L, k. ĉ. l.

### Bulgario

**Plovdiv.** — S-ro David Meŝulam, 17-jara lernanto, ul. Caribrod 7, PI.
**Plovdiv.** — S-ro Mihail Aĝarov, Saborna str. 58, papiliojn, L, PK, PL, k. ĉ. l.
**Plovdiv.** — S-ro Penko Stoev, Banque Nationale (papermonon, precipe kun azianoj).
**Rachlite-Gabrovo.** — S-ro Varĉo Jovĉev, L, PI, bfl, k. ĉ. l. (pri laboro, komercaj aferoj, k. t. p.).
**Rahovo.** — S-ro Stojan Georgiev, Gorna Mahla, salutas ĉiujn siajn gekorespondantojn dum lia militkaptiteco en Atheno-Grekujo kaj deziras renovigi la interkorespondadon PI, L, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro Nikola Slavĉev, ul. Sv. Kiril-Metodi 23, gazetoj, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Sofia.** — F-ino Elena Toĉeva, Kiril Metodi ul. 80, L, PI, k. ĉ. l.
**Sofia.** — S-ro D. Guénoff, Hilendar ul. 8, PI, Esp. gaz., papermonon (vendas bulg. PM).
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).

### Ĉeĥoslovakio

**Bodenbach 507.** — S-ro Hartwig Kammel, PI, L, PM.
**Černowitz** apud Komotau. — S-ro Franz Vogel, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**České Budejovice.** — S-ro T. Mičan, Smetanova 8, papiliojn, skarabojn, PI, PK (kun transmaraj samideanoj).
**Dessendorf** bei Gablonz a. N. — S-ro Gustav Förster, posedanto de tradukoficejo „Kosmopolit", petas ĉiujn eksterlandajn artamantojn sendi multegajn nur vere interesajn PI (popol- kaj naciaj kostumtipoj) bfl. Kompenso laŭdezira. Serĉas daŭran amikan korespondadon Esperantan, francan, italan, hispanan, ĉeĥan. Aĉetas interesajn fremdlingvajn ilustritajn gazetojn, librojn kaj precipe belajn, verajn artmetiajn laboraĵojn (antikvaĵojn) el Oriento, Orienta Azio kaj aliaj landoj.
**Horice.** — S-ro Bedrich Munzar, Otokarova 528, PI, k. ĉ. l.
**Liberec.** — S-ro B. Novotny, Souk. nám 22, PK, PI, bfl, L, nac. Esp. gaz., mono, k. ĉ. l. (krom Ĉeĥoslovakio).
**Liberec.** — S-ro Rud. David, Rollg. 3, PI, bfl, L, PM, nac. Esp. gaz., k. ĉ. l.
**Litovel** (Morava). — S-ro Zdenek Ševčik, Palackého 127, L, PI, PM (france, Esperante, germane).
**Pisek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Praha VII.** — S-ro Frantisek A. Janeček, oficisto, Belcrediho tr. 398, PI, PM.
**Praha II.** — S-ro B. Vrany, Koubková 6, PI, L, PM, G.
**Praha-K. Vinohrady.** — S-ro Jaroslav Franek, bankoficisto, Trebizského ul. 8, PI, PM, bfl (ne germ., aŭstr., jugosl., ruman.).
**Prerov** (Moravio). — S-ino Vlasta Krejčiriková, Čechova 6, PI, L, k. ĉ. l. (prefere kun anglaj, francaj kaj orientaj landoj).
**Reichen 98** bei Tetschen. — S-ro Anton Wagner, muelisto, PI, L, k. ĉ. l. (precipe samfakanoj).
**Rychnov u. Ku.** — S-ro H. Rathousky, PM, k. ĉ. l.
**Saaz-Podersam.** — S-ro I. Vettermann, fakinstruisto, PI, L, k. ĉ. l. (precipe kun instruistoj).
**Saaz-Podersam.** — S-ro F. Schwob, instruisto, PI, L.
**Saaz-Michelob.** — F-ino Ria Herles, PI, L, k. ĉ. l.
**Saaz.** — F-ino Mizzi Riedl, Franzensplatz, PI, L, k. ĉ. l.
**Saaz-Bezdiek.** — F-ino Marie Schmidt, PI, L, k. ĉ. l.
**Strupčice** apud Chomutov. — S-ro František Jenč, PI, bfl, L.
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.

